spermo”? Cetere, ĉu eĉ la de ZAMENHOF mem enkondukita *drinki* apud *trinkegi*, ne estas esence slanga vorto ?

Aŭ kiel klarigi ke (rudimentoj de) slango ie tie iam tiam pronature eknaskiĝas sen aŭtora nomo, en medioj kie Esperanto estas konstante kaj parole uzata. Menciindas tiel *kokoso, sovaĝa kongresano, krokodili*, estiĝintaj en niaj Universalaj Kongresoj, same kiel *ĵubano, kanutigi, sapsarapi* (ĉambrorobo, anigi al la Canuto-fonduso, ŝtelprunti), kiuj tute nature naskiĝis en la Centra Oficejo de UEA.

Aparte menciindas la granda kompilaĵo “Slango kaj Ĵargono en Esperanto” el 1996, de la multverka nederlandano Wouter Pilger. Nature, ĝi restas inter la limoj de Fundamenta Esperanto, listigante nur stumpigojn kaj metaforojn, sed jam tiel ĝi estas rimarkinde riĉa. Tiu vortaro estas ankaŭ elŝutebla per la TTT: www.geocities.com/ wfpilger/slangocx.htm .

Ili demonstras, ke la sociolingvistika fenomeno nur dormetas ĉe ni, sed estas preta viglege elŝpruci ĉe grandamasa aplikado de Esperanto. Kompreneble, oni povas lasi ĝin en tiu-ĉi provizora stato, argumentante ke estas “tro frue” por veki ĝin; ke ni atendu ĝis post la “fina venko” por agnoski la fenomenon. Efektive — kaj feliĉe — nia internacia lingvo kapablas plenumi sian neŭtralan perantan devon ankaŭ sen tiaj marĝenaj kompletigoj kiaj estas dialekto, slango, arkaika formo. Same kiel por infano estas ĉefafero ke ĝi kapablu iri, sed ne nepra necesaĵo ke ĝi kapablu ankaŭ tuje kuri, naĝi, danci ...

Sed la demando fine estas ĉu oni deziras aŭ ne deziras ke Esperanto iĝu au ne iĝu plene la egalulo (eĉ superulo!) de naturaj lingvoj; ĉu oni permesu aŭ malpermesu al ĝi eniri iujn maloftajn kulturkvartalojn en kiuj ĝis nun sole naturlingvoj povis senĝene petoladi. La afero estas ne nepre necesa, certe, sed same certe ĝi povas esti utila. Ne por ĉiuj, sed por kelkiuj, kaj en kelkaj cirkonstancoj. Se do mia(j) projekto(j) ŝajnas superfluaĵo(j) por vi private, kara leganto aŭ legantino, pro tio ke vi havas malsamajn interesosferojn, tiukaze pripensu ke aliaj samideanoj — eĉ se estus relative malmulte da ili — ĝojos povi esprimi sin tiamaniere kaj per tiaj lingvaj instrumentoj. Ili ne ĝenos vin; do lasu al ili la “amuzon” de tute realismaj lingvofacetoj.

Mia Gavaro tiel faras nenion alian ol glatpoluri ĝuste tiun realisman lingvofaceton, organizi ĝin kaj precizigi, por metoda (te. ne kapric-hazarda) apliko kiam bezone, aŭ traduke aŭ originale, ĝis

alveno de natura kreado “en la stratoj”. Por havigi paroltubon al lingvaĵo el “proletara” ks. medioj, kaj por plenigi multe da “truoj” en niaj tradukaj Esperanto-vortaroj. Ja, ĉu ne estas mokridige legi (ekzemple) en la vortaro Nederlanda-Esperanto de Drs. MIDDELKOOP — cetere tre laŭdinda kompilaĵo — ke *plee* (kakejo) estas “netralavebla necesejo” ? Tio ja estas difino, sed ne traduko !

Ankaŭ neniom utilus metode provizi koncernajn vort-radikojn per la afiksoj *fi-* kaj *aĉ-* . Unue, tiuj svarme troabundus en koncerna teksto, fuŝante la efikon, kaj due ili tute ne kovrus la celatan etoson, ĉar estas ne necese — se preni “La Lukto” kiel ekzemplon el la Krestomatio — kun “fia kantistino” kaj “aĉa buĉisto” ke oni tie havas aferon, sed jes kun kolorplenaj *simeristino* kaj kun *buĉoko,* en la franca originalo respektive nomataj *goualeuse* kaj *chourineur* — anstataŭ koinee *chanteuse* kaj *boucher.* Tiaj elementoj ja estas supozataj rajdi sur la lango de subsociaj kastoj kaj posedi koloron de spico kaj trivialeco, kiaj ne hejmas en koinea buŝo. El aplikado de nuraj *fi-* kaj *–aĉ* do ne rezultas la bezona ŝoka kontrasto, kun humura kromaromo.

Kompreneble, <u>estas neniu devigo por koineon parolantaj homoj</u> lerni kaj uzi mian Gavaron, kiam ili konscie reprezentas nian “fundamentan” asocion; ne antaŭ varbotaj skeptikuloj, ne en dec-konduta rondo, ne antaŭ siaj infanoj aŭ lernantoj, ne se oni ankoraŭ troviĝas en la stadio de komencanto. Ili certe ne bezonas lerni ĝin aktive, ĉar ili jam povus — pro legado de tiaspeca literaturo — pasive ekscii, kaj pro kunteksto kompreni, vortojn kiaj estas la supre menciitaj aŭ kiaj miaj vastigaj *hando, kalbo, pinĉi, knoci, repa, sfoboda* (mano, hundo, ŝteli, batali, morta, libera). Tiu pasiva scieto estos, se ili preferas, maksimume aplikota aŭ aplikebla en specialaj cirkonstancoj, kiujn natur-lingvaj vortaroj signas “s(lango), t(riviale), f(amiliare)”, aŭ simile: por spici la konversacion, kiam ili certos ke la kunparolanto scipovas aldoni citilojn ĝustatempe.

Tiel skribis mia karmemora amiko, la filologo O.B. FAHLKE, en letero: “Se ni fakte volas, ke Esperanto iĝu taŭga *idiomo* ankaŭ por ĉiu profana dirado en familio, inter amikoj post glaso da brando, inter *nozems* kaj *provo's* kaj *hippies*[15], por vagantoj kaj

15. Nederlandlingvaj terminoj por la ne konformisma junularo el la sesdekaj jaroj de la pasinta jarcento.

ĉaret-kondukistinoj en la parko, plue por rakontado de spritaĵoj, ĉagrenvortoj, blasfemado kaj tiel plu, tiukaze oni transformu la enue ceremonian amelkoluman lingvon en pikviglan esprimilon."

Estas do neniu morala aŭ alia devigo. Sed kiam oni jes ŝatos havi tian esprimilon je dispono, ĝi estu tie. Same kiel beletraj novovortoj estas je dispono de niaj poetoj, spite ĉiujn protestojn pri ties aperado en nia verda rondo.

Gavaro, same kiel Popido kaj Arkaika Esperanto, do ne estas destinita al la normala fundamenta lingvouzo kaj miaopinie ankaŭ ne minacas tiun. Estas ja apenaŭ imageble — en la tute utopia supozo de entuziasma akcepto — ke oni morgaŭ legos en serioza periodaĵo nia: "La Universala Kunjato disklopita de angeraj demonstrantoj" anstataŭ "La Universala Kongreso disbatita de koleraj demonstrantoj". Ne, ĝi estas destinita, samkiel la aliaj miaj projektoj, al uzo fare de lingvaj spertuloj aŭ en specialaj cirkonstancoj. Ĉefe de verkistoj kaj tradukistoj, kiuj fruntus la dilemon kiel prezenti slangon, same kiel ili okaze fruntas dilemon pri antikva lingvaĵo aŭ pri dialekta dialogo.

## 1.6 Anatemo ...

Spite ĉiujn miajn rimarkojn pri la ekzisto kaj la realeco de slango, spite ĉiujn miajn notojn pri ĝiaj naturo kaj rolo en la socia vivo, do principe ankaŭ en Esperanto, se tiu estu vervivanta socia lingvo, mi facile povas konjekti ke Gavaro efikos al multe da ĝisostuloj kiel kolektaĉo de danĝeraj galimatiaĵoj. Ĝi do probable elvokos la malbenon kaj la hu-kriojn de recenzistoj, eĉ pli ol faris miaj antaŭaj proponoj.

Mi brulstampiĝis strangulo kaj herezulo, kiu misuzas siajn talentojn je mortnaskita projektaro "lingvonormiga", ĉar mi kuraĝis entrepreni la damnendan taskon kompletigi Esperanton, tiele ke ĝi respegulu en racie metoda maniero nepre ĉiajn kaj ĉiujn aspektojn troveblajn en vivantaj naturlingvoj uzataj ĉiutage kaj de grandnombraj komunumoj. Esperanto ja estas por ili "jam tute taŭga kaj kompleta" en sia nuna kutima formo; aŭ ĉu ? Tio do denove nomiĝos "atako kontraŭ la Fundamento", kvankam oni pli ĝuste parolus pri klopodo al "dua progresa etapo" en ĝia kampanjo por tutmonda akcepto.

Nu, kiel defendon kontraŭ tiaj antaŭjuĝoj, mi ne povas fari ion pli trafan ol memorigi ĉi-sekvajn vortojn de la fama franca verkisto Émile ZOLA, en tre analoga situacio, kiu skribis (1877):

*La formo sola [de l'Assommoir] konsternis. Oni ekkoleris kontraŭ la vortoj. Mia krimo estas havi la beletran scivolemon preni la lingvon de la popolo kaj verŝi ĝin en muldilon funde ellaboritan. Ha! tiu-ĉi formo, jen la granda krimo! Vortaroj pri tiu-ĉi lingvaĵo ekzistas tamen; kleruloj ĝin studas kaj ĝuas la sukceson de la ne-atenditeco kaj la forton de ĝiaj bildoj. Ĝi estas regalo por fosantaj gramatikistoj. Senrigarde tion, neniu konsideras ke mia intenco estis fari laboron pure filologian, kiu miakrede estas historie kaj sociologie interesega. Mi (plu) ne defendos min mem, cetere. Mia verko min defendos.*

> Internacia lingvo devas servi kiel vasta bazo por ĉia speco de internacia kompreno, kio signifas kompreneble en la fina analizo ĉian specon de esprimado de la homa spirito.
>
> Edward Sapir en sia verko *International Auxiliary Language,* 1931



# 2. METODO

## 2.1 Vortfarado

La lingvistika principo sur kiu apogiĝas Gavaro, ege diferencas de tiu de Popido kaj Arkaika Esperanto. Tiuj-ĉi lastaj du projektoj lasas la zamenhofan lingvon esence netuŝita, aliformante ĝin nur supraĵe, nur laŭaspekte, nur travestie, tiele ke ĉiu ajn Esperantisto — je kondiĉo ke li aŭ ŝi bone regu sian lingvon ! — kapablas apliki ilin en rekorda tempo, per facila ellerno de manpleno da fiksaj reguloj plus limigita vortareto.

Tiuj projektoj ja baziĝas sur plancela aliformigo de t.n. "primaria (aŭ gramatika) kategorio" de vortoj — korelativoj, pronomoj, numeraloj, primaraj sufiksoj — kiuj estas malmultenombraj kaj ofte ripetiĝas en la lingvo. Gavaro male lasas la primaran kategorion senŝanĝa dum ĝi atakas la "sekundaran (aŭ leksikan) kategorion" de vortoj; tio estas la radikoj ĝenerale — substantivoj, verboj, adjektivoj, sekundaraj sufiksoj — kiuj estas ege multenombraj kaj ne tiel ripetiĝemaj.

La metodo de Gavaro sekve ne disponigas veran regularon. Rigora gramatiko mankas en ĝi, ĉar la principoj pri (ali)formado de radikoj kaj afiksoj ne tuŝas la sintakson. Tiumaniere Gavaro prezentas tian amason da novaj vortoj kaj esprimoj, ke oni rajtas paroli pri nova vortaro aparta. Ĝi do postulas de interesiĝantoj streĉan parkeradon kaj ampleksan ekzercadon. La vortaro estas nome tiel vasta, almenaŭ en abstrakta principo, ke ĝi ege superus la tutan vortotrezoron de nura koinea Esperanto ! Se ni, por fari tre ĝeneralan kaj tre krudan takson, fiksu la mezan kvanton de eblaj slangaĵoj (inter kiuj multegaj sinonimoj) por ĉiu normlingva vorto en PIV je kvin, tiukaze elvenus proksimume 15.000 x 5 = 75.000 Gavarovortoj ! (La unuaversia PIV ja entenas plus minus 15.000 vortojn, kvankam konsiderinda parto el tiuj ankaŭ estas sciencoteknikaj sinonimoj de ordinaraj vortoj.) Estas evidente ke tia kvanto konsistigus tro da beno …

Tial mi lasu al verkistoj kaj al tempo la taskon kribri la materialon kaj fiksi ĝin, same kiel okazis kun Esperanto mem, laŭ saĝa plano de ĝia kreinto. Iu nombro da vortoj kaj esprimoj, maltaŭge konstruitaj de iliaj inventintoj, aŭ simple sensukcesaj, malaperus

dum aliaj pro pli ofta ripetado definitive akceptatus kaj ampleksiĝus. Oni ja ĉi-tie staras antaŭ provizora projekto, ellaborita por plenigi la aktualan mankon je slango en nia planlingvo, dum ankoraŭ ne estiĝis efektiva "verda socio", ne koncentrita popolamaso kies dua gepatra lingvo estus Esperanto, kaj el kiu la naturaj humuro kaj inventemo naskus kompletan slangon vivantan.

Kiam, en alsopirata estonteco, la spirita infano de ZAMENHOF vere oficialiĝos kaj estos reale la sola internacia komunikilo de la tuta mondo, tiam elkreskos denature slangaj vortoj kaj esprimoj, kaj jena unu-aŭtora Gavaro perdos sian signifon kaj sian rolon. Sed ĝis tiu momento ĝi povas kaj devus plenigi la tiurilate ekzistantan truon, laŭplane kaj intence, kaj servi kiel dumtempa transira ponto.

Aliflanke, mi nepre ne volas pretendi ke mia projekto estas perfekta artverko aŭ miaj aplikprovoj en ĉio majstraĵo. Mi do petas al eventualaj amatoroj ke ili konsideru la ĉienan materialon kiel "fundamenta" en tiu senco, ke ili klopodu krei novan tezaŭron nur, kaj laŭ bezono, por tiuj nocioj kiuj ankoraŭ ne enestas en mia vortaro [p.225-310]. Tiele ĝi servu kiel startlinio, por ebligi metodan (facilan kaj regulan) tradukadon aŭ eĉ originalverkadon de la aparteca slangoliteraturo. Ja, pli bone estas duona ovo ol malplena ŝelo ! Nia normiga PIV ilin estontece listigos laŭ ofteco de aperado, same kiel ĝi jam tute senbrue enprenis vortojn kiel *kibico, ŝlemilo, pisi*.

## 2.2 Lingvoteknikaj rimedoj

La **lingvoteknikaj rimedoj**, kiujn mi aplikas en Gavaro, estas tiuj kiujn oni retrovas en ĉiuj slangoj kaj ĵargonoj, aŭ almenaŭ certe en tiuj de la "grandaj" lingvoj, kiujn mi tie-ĉi konsideris: angla, rusa, hispana, araba, hebrea, sŭahila. Precipe elstaras **metaforoj kaj mallongigoj**. Parolata lingvaĵo — opone al skribata lingvaĵo — ja nature evitas vortojn kiuj montras kleran aŭ pedantan originon kaj tiujn plisimpligas: *profo* anstataŭ *profesoro, diapo* anstataŭ *diapositiva filmo, lokoko* anstataŭ *loka kongresa komitato.* En tiu framo mi ankaŭ donis **novajn signifojn al tradiciaj vortoj** — ekzemple *pinĉi* = *ŝteleti*, ĉar neniu lingvo kapablas en praktiko havigi apartan vorton al ĉiu ajn ekzistanta objekto, al ĉiu ajn ideo, kaj al varioj de tiuj. Certege ne, se oni

malpermesas aperon de homonimoj pro hazarda kun-metaĵo. Pronecese ĝi devas cedi plurajn kaj plejeble parencajn signifojn al iu donita vorto. Ĉiel ajn, ni devos por ĉiuj Gavaro-elementoj lasi al uzado la zorgon vesti ilin per la bezona solideco, precizigante ilian signifon kaj reguligante ilian nombron.

Plue, la internacia karaktero de Esperanto ne permesas al Gavaro utiligi vortojn kaj esprimojn kun nur loka aŭ ununacia valoro, ne-komprenebla aŭ sensignifa ekster tiu rondo. Almenaŭ se ni for-lasas la limigitan kadron de ilia nacia-loka-epoka kunteksto. Ekzemple la esprimo "*sub la horloĝo"* por diri "seksmalsana" havis signifon en Amsterdamo, ĉar iam troviĝis tie granda publika hor-loĝo super la enirejo de medicina ekzamenejo por prostituitinoj. Sed aliloke, kaj sekve fortige sur internacia nivelo, estus vane pruntepreni tiajn esprimojn; oni ne komprenus.

Ni do devas strebi al tio ke koncernaj esprimoj estu sufiĉe ĝeneralaj kaj tamen ankoraŭ sufiĉe sukplenaj. Rilate naciajn **ksenismojn** kiuj same abundas kiel metaforoj, mi konvinkiĝis ke ilia simpla sentraduka adopto en Gavaro, estigus nur konfuzon sen iu ajn avantaĝo. Mi do intence ignoris naciajn slangaĵojn ne troveblajn en ordinara nacilingva vortaro, limigante min al koineaj vortradikoj — el seso da selektitaj lingvoj, kiuj kune kovras pliparton el nia tersurfaco — por ke oni pli facile povu tiujn rekoni ĉe pasiva legado (aŭ diveni ilian originon), kaj mem muldi ilin ĉe aktiva kreado. Evidente, tiuj depruntaĵoj estas kaj estu adaptitaj al la kutima Esperanta ortografio !

Avantaĝo kontraŭe estas ke oni tiel povos utiligi Gavaron sen-distinge de loko kaj tempo, sendistinge de popolo kaj epoko, ĉar ĝi ne evoluas — aŭ almenaŭ ne bezonas evolui — rapide, estante ja planlingva projekto por transponti la vakan periodon ĝis tut-monda agnosko de Esperanto. Tiele mia koncerna vortar(et)o estos en tiu interperiodo ĉiam aplikebla, al ĉiu ajn literaturaĵo, el ĉiu ajn lando, el ĉiu ajn jarcento. Gavaro, kiel planlingva instrumento estas do multe pli elasta kaj universala ol povos esti naturlingvaj slangoj, por traduki slangotekstojn.

Frapan demonstron pri tio, miapense, konsistigas la verkaro de Mark TWAIN, kiu nomiĝis envere Samuel Langhorne CLEMENS. Tiu-ĉi akrapluma ĵurnalisto, eseisto, kaj sprita romanverkisto el Usono — spite siajn ofte bombastan stilon kaj emon al troigado, tipaj por 19-jarcenta Romanecismo — estis admirinda ĵonglanto per la angla lingvo. Mondvaste konata estas lia *La Aventuroj de*

*Tom Sawyer,* sed plimulto el la tradukoj de tiu-ĉi aventura historio obskurigas la fakton ke la originalo estas parte verkita en usona(j) dialekto(j). Tiu aŭtoro eĉ tiel majstre studis kaj regis la arton de ekzakta redonado de popolaj dirmanieroj kaj lingvodevioj, ke li teksis en la daŭrigo de la ĵus menciita romano, nome en *Huckleberry Finn* ne malpli ol 6 tiutempajn idiomojn ! Tio kompreneble formas timigan obstaklon al fidela tradukado el la angla al aliaj lingvoj, sed la afero ankoraŭ eblas en tutkoina versio, kun iom da modlada lerteco, sen pro tio malutili al la rakonto mem.

Male, rilate al lia *Pudd'nhead Wilson* en kiu abundas käj dialekto käj slango apud normala angla, la tasko iĝas jam tiel malfacila ke tradukoj de tiu libro apenaŭ ekzistas. Sed la kronon de beletra ĵonglado per malsamaj sociolektoj, en la longa listo de Twain-romanoj, tamen forkaptas laŭ mi *A Connecticut Yankee at King Arthur's Court* ("Jankio el Connecticut en la Kortego de Reĝo Arturo), kiu romano havigis al nia satiristo la okazon, unue por filozofadi pri la homa naturo kaj la malmoraleco de la homa socio, kaj due por konfronti ne nur la jamajn normalan, dialektan, kaj slangan lingvaĵojn, sed krome … mezepokan anglan. Kaj ĉi-foje en tia maniero, ke oni plu ne kapablas traduki la tuton per homogene oficiala lingvo, sen sambate kripligi ankaŭ la rakonton mem !

Estas do denove ne mirige, ke kompletaj tradukoj de tiu tre speciala verko apenaŭ ekzistas kaj ke ĝi en la praktiko ne estas konata ekster la anglalingva kulturo, se fari escepton pri iuj drastaj resumoj kaj re-rakontoj kaj liberstila filmigo. La defio por tradukarto estas tie-ĉi ja kolosa. Tamen, nia internacia plan-lingvo nun disponas, en principo, la bezonajn atutojn por realigi ĝuste tion antaŭ kio eĉ plej fleksebla naturlingvo kapitu-lacias. Pro tio mi elektis la "Jankion" por fari modestan tradukproveton per mallonga fragmento[16], prefere al la "Pudingokapo" kvankam tiu-ĉi lasta romano estas la pli interesa el pure slangoteknika vidpunkto.

Oni do povas diri ke mia jena projekto ofertas instrumenton, ne nur al verkistoj kaj tradukistoj, por ataki ĝis nun neatakeblan faceton de literaturo, sed ankaŭ al lingvistoj por realigi en sia fako tiun ĝis nun tute neglektitan ĉapitron de kompara lingvostudado: **kompara slangostudo** !

16. Legu " La Sankta Fontano" en mia "*Arkaika Esperanto, la Verda Pralingvo*".

William AULD[17] tute trafe kaj prave emfazis la mankon de vere internacia kompara studado de naciaj beletroj, por kiu celo koncernaj fakuloj tamen disponus — se ili degnus — taŭge adaptitan perilon en la formo de (klasika) Esperanto. Sed interne de tiu nova, dezirinda kaj dezirata studobjekto scienca, profesiuloj nun ankaŭ povus — se ili degnus — disponi taŭge adaptitan perilon por slango en formo de Gavaro. (Same kiel ili disponus pri miaj Popido kaj Arkaika Esperanto por kompara analizado, respektive de naci-lingvaj dialektoj kaj de nacilingvaj praformoj.) Sed jen la demando … ĉu ili degnas ?

Ĉar estas nur kiam oni, kiel faris mi, provas kompari la slangoformojn en malsamaj lingvoj, ke oni venas al la surpriza konstato ke tiuj kvazaŭ ĉiuj vivadas kaj utiliĝadas, influinte kaj influante unu la aliajn, sen ke koncernaj lingvostudoj trapasas la kadron de sia propra medio. (Spite la ekziston de bonegaj etimologiaj esploroj!) Ĉu bojkotado kaj protektadismo ankaŭ sur lingva tereno? Se oni do volas havi informojn sur internacia nivelo, oni devig-atas legi koncernajn verkojn, konsulti koncernajn artikolojn en enciklopedioj, ĉiujn kompreneble en la respektiva nacia lingvo. Eĉ la administrantoj de la famega *Encyclopaedia Britannica,* ĉe peto mia pri konciza listo de slangaj beletraĵoj en eŭropaj lingvoj, aliaj ol la ununura angla aŭ la ununura franca, rifuzis fari la bezonajn esplorojn sub preteksto ke tiu tasko transpasus iliajn kapablojn ! Nu, tiukaze mi certe devas disponi iun miraklofaran lampon de Aladdin …

Slangostudoj sekve liverus materion ne nur por amuzo sed ankaŭ por serioza laboro profesia !

Konklude, mi pensas utila fari **praktikajn rezervojn** kaj doni averton al tiuj raruloj kiuj tamen kaj efektive ŝatus lerni kaj apliki mian projekton:

Traduki, aŭ originale verki, en Gavaro ne estas laboro por amatoretoj. Ĝi estas tre postulema, komplikita kaj delikata tasko, kiun nur harditaj, spertaj, kaj lertaj scipovantoj de la Internacia Lingvo kapablos preni sur siajn ŝultrojn. Simplige, kvankam kun iom da troigo, oni ja povas diri ke preskaŭ ĉiu aparta vorto aŭ esprimo, necesigas apartan solvon. Kiel mi mem lernis el longa, ofte malvenka, luktado kun la problemo, staras centre la paradoksa

17. Per artikolo en *Heroldo de Esperanto,* numero ? de 1975.

regulo ke oni klopodu esti kiel eble plej bone komprenebla.

Oni devas daŭre serĉi kaj inventi rimedojn por modli la originalon tiele, ke ĝiaj frazoj, ke ĝia kunteksto, permesu al sensperta leganto senpere kompreni aŭ almenaŭ sen tro da fortostreĉo diveni la celatan signifon; dum ke oni tamen restas fidela al la originala slangeca farbo.

Traduku originalan ksenismon per gavara ksenismo, originalan metaforon per gavara metaforo, originalan kripligon aŭ inversigon per gavara kripligo aŭ inversigo, originalan kunmetaĵon per gavara kunmetaĵo. Sed faru tion kun la intenco resti klara kaj komprenebla, ne alimaniere. Nur se vi scipovos, balanciĝante sen perdi la egalpezon, tiele dancadi sur la glata traduk-ŝnuro de slanga lingvaĵo, nur tiukaze vi ankaŭ atingos la celpunkton: transdoni la mesaĝon kaj transdoni ĝin sendifekte.

Kaj rilate al la **stilo**: klopodu ke via teksto estu arde vivanta.

Rakonto, kiu sole kaj nure konsistus en slangaĵoj, efikus altagrade nenatura kaj malvera, aldone al ĝia fremdigo. Ĝi estus artefarita muntaĵo en kiu la vortosignifoj povas esti ĝustaj — el aferece racia vidpunkto — sed en kiu la aplikomaniero estus absolute falsa. Sekve mia **Ora Konsilo** apliki slangaĵojn ŝpareme, en strategiaj lokoj kaj kvantoj; certe kiom koncernas ksenismojn. Pro tio ke la lingva transportilo minacos krevi sub la tropeza ŝarĝo; alivorte pro tio ke la koineo kiel kadro kaj gvidilo tiukaze malaperos, igante la legadon penega. Kompreneble, se la originalo mem estas volvita en slanga veprejo, apenaŭ malĉifrebla, tiam do ankaŭ la traduko ne povos ne esti malfacile digestebla.[18] Koncentriĝon de slangaĵoj kiel en "Vagabonda Venĝo" (4.20) aŭ "Cerbumado de Gorilo" en la krestomatia parto, estas kompare esceptoj en nacilingva slangoliteraturo, do estu tio ankaŭ en internacilingva literaturo. Kaj — se oni atente rigardas — eĉ tiuj aperas en formo de monologoj, do ankaŭ ili en dialogspeca prozo por permesi pli facilan digestadon. Evidente, oni povas fari tion intence, por atingi ĝuste eksternormalan etoson, kiel mi mem provis per "El Agendo de Murdisto" (4.5).

18. La mondfama politika verkego de nobelpremiito Aleksandr Solĵenicin, pri la *Gulag-Arkipelago,* estas malfacilege tradukebla ĉar en ĝi svarmas ĵargonaj kaj slangaj vortoj el la rusa sfero.

## 2.3 Kiel ne verki slangon

Avertan buon ĉi-rilate mi pruntas de Enno ENDT, kun afabla permeso de tiu eseisto, el *Bargoens en andere ongeschreven sterke taal* (Krimula slango kaj aliaj fortaj lingvaĵoj neskribataj), paĝojn 50-51; en la originala nederlanda unue, en Gavaro poste, kaj en normala Esperanto trie :

**De Nachtwerkers**

Hein is zwaar *gedallest* maar hij weet wel iets te *snuffelen*. Hij heeft een *klapper afgerojemd* en heeft *sjoeche* van de *stek*, waar de *muziekdoos steunt*. Hij moet nu nog een *gabber* vinden die hem *dekken* kan. Onder de *gelooide pezers* kent hij Klaas nog als een oude *scheffer*. Een *gisse* jongen en beslist *krankiel*.

Samen bekijken ze de *val*. Met een *Engelsman* moet het een makkie zijn om de *pot te kienen*. Ze *maken af* dat Hein de boel zal *opengooien* met de *tandels*, terwijl Klaas intussen *op de span* staat. Hein zal *binnenduiken* en de *tiejijs piekaan* slaan. Als een *grandiger* zijn *scheg* laat zien, wil Klaas het wel op een *geweldje* gooien.

Op de afgeproken avond douwen ze zich *in het pijt*, zoeken de *grammonen* bij elkaar en maken hun *spiesertje*. De *kien-melochem* gaat *kedin*, maar er zit ook nog een *galg* op de deur. Klaas zet dan maar een *vin* in de *wip* en Hein maakt zijn *inspringertje*. Hij geeft net op tijd het *joekel* dat wil aanslaan een *mekajem* op zijn *neut*, dat ie *poep* zegt.

Na een paar uur *nachtwerk* wil de *brandspinozer springen* en het *katje* is een *mazzel*: hij houdt een *oksenaar*, een dot *kesavies* en twee *fokse veemstekers* in zijn *jatten*. Alles in de *meluk* en *pleite* maar !

Het gaat er dan nog om, de *masematte af te stoten* en een *sjerfer* te vinden die de *meker* voor *geslagen schore* geeft, al blijft het altijd een penozeprijs. Het *kloffie* met de *hiepen* en de rest laten ze *zakken*. *Lou bedibberen*, ook niet met je *niese*, want er zit een *kleumerd* van twee *jantjes* in wanneer ze door *gepoekel* toch *verschut* zouden gaan.

## La Noktolaboristoj

Hein estas ege *malbogata,* sed li tamen scias kiel *kubutifi* per *robarado.* Li ĵus *prilukis abrigon* kaj li akiris *sprafkojn* ke staras tie *muzikskatolo.* Li devas ankoraŭ trovi *drugon* por *statui.* Inter la *strongaj bubegoj* li memoras Klaas kiel iaman *barilbirdon. Ŝruda ĉloveko* kaj certe *sigelita.*

Kune ili *lukadas* la *uĵon.* Helpe de *anglulo* devus esti *ljoĥka ĝobeto krakigi* la *zakriton.* Ili faras *interagreon* ke Hein *ĵetapertos* la *kasaon* per *ljavoj* dum Klaas *soldatos smotre.* Hein *enplonĝos* kaj *pojmatos* la *skatolon.* Se iu *lico* montrus sian *nukson,* Klaas volonte serĉus *razbojon.*

En la *agreita* vespero ili surmetas la *ĝobovestojn, rastas* la *eŝaron* kaj *ekĥoditas.* La *ljava worko ĥoditas* glate, sed ankoraŭ sidas *zaporo* sur la *flugilo.* Tial Klaas anstataŭe segas *aguĥon* en la *okulsteklon* kaj Hein *plonĝas.* Ĝustatempe li ĵetas tian *moloton* kontraŭ la *bulbo* de la *kalbaĉo*, kiu volas *ekakosi,* ke ĝi *diras kak.*

Post unu-du horoj da *krakiga ĝobo* la *brulkameno* apertiĝas kaj la *krastaĵo* estas *ganariga*: li tenas *tikiston, bundlegon* da *djengopaperoj* kaj du *goldajn sortiĥojn* en la *handoj*. Ĉio tio en *begon* kaj *runi* nur !

Post tio estas ankoraŭ *dilo* likvidi la *krastaĵon* kaj trovi *fumaĵiston,* kiu pagos la *gugolon* por *kolbasoj,* kvankam ĉiuokaze estos nur *porkrasta* prezo. La *ropaĵojn* kun la *tretantoj* kaj la reston ili ĵetas en la *fiŝpudingon.* Nenion *sprafki,* ankaŭ ne al la *mastrino,* ĉar minacas *osuĵdon* al du *tikedoj,* se oni tamen *ungus* ilin pro *ĉataro.*

### La Rompŝtelistoj

Hein estas ege malriĉa, sed li tamen scias kiel vivteni sin per ŝtelado. Li ĵus prispionis loĝejon kaj akiris informojn ke staras tie monŝranko. Li devas ankoraŭ trovi kamaradon por gardostari. Inter la fortikaj viroj li memoras Klaas kiel iaman karcerulon. Ruza ulo kaj certe fidinda.

Kune ili observas la ejon. Helpe de angla ŝlosilo devus esti facila tasko malfermi la ŝloson. Ili faras akordon ke Hein malŝlosos la aferon per ŝlosiloj, dum Klaas deĵoros garde. Hein enŝteliĝos kaj akaparos la ŝrankon. Se iu policano montrus sian nazon, Klaas volonte serĉus kverelon.

En la interkonsentita vespero, ili surmetas laborvestojn, kolektas la ilaron kaj ekiras. La ŝlosil-laboro iras glate sed ankoraŭ sidas riglilo sur la pordo. Tial Klaas anstataŭe segas truon en la fenestrovitro kaj Hein enŝteliĝas. Ĝustatempe li donas tian baton kontraŭ la kapo de hundaĉo, kiu volas ekboji, ke ĝi silentas.

Post unu-du horoj da romplaboro la brulrezista ŝranko malfermiĝas kaj la rabaĵo estas profitiga: li tenas horloĝon, faskegon da monbiletoj kaj du orajn ringojn en la manoj. Ĉio en sakon kaj fuĝi nur.

Post tio estas ankoraŭ afero likvidi la rabaĵon kaj trovi ricelanton, kiu pagos plej altan prezon por ŝtelitaj varoj, kvankam ĉiuokaze estos nur porraba prezo. La vestaĵojn kun la ŝuoj kaj la resto ili ĵetas en la riveron. Nenion komuniki, ankaŭ ne al la edzino, ĉar minacas kondamno al du jaroj da karcero, se oni tamen arestus ilin pro klaĉado.

* * * * * * *

La supra modelo estas malbonega pro du motivoj: en ĝi tro abundas slangaĵoj kaj la rakonto mem estas senviva, preskaŭ oficiala raporto. La unua kripleco estas senplie evidenta; mi ne bezonas komenti ĝin. Koncerne la duan: slangaj vortoj kaj esprimoj preskaŭ neniam rolas en serena, priskriba framo. Ili hejmas kaj vivegas nur en vile eposa, dialoga kunteksto. Oni do ne utiligu ilin por pentri la belecojn de montara sunsubiro; oni utiligu ĝin por la ago, la dramo, la emocio, la aĉa kaj fia evento. Eventuale, tiuj povas havi la formon de beletraĵo, kiel mia propra modesta provo “El la Agendo de Murdisto” klopodas demonstri, sed ĝeneralregule rolantoj en slanga historieto ne estu tiaj lignaj poliĉineloj el pupteatro; ili estu vivantaj, baraktantaj, blasfemantaj, blufantaj homoj, kiuj provas ekzorci la minacon de sia momenta situacio, ellasante la bolantan galon de sia animstato tra la valvo de spitante pipra lingvaĵo.

Kaj nun sufiĉe rezoninte. La ĝeneralajn pripensojn, en tiu-ĉi kaj en antaŭaj ĉapitroj, oni trovos pli detalaj kaj aranĝitaj en la sekvanta parto “Metodo”. Carl SANDBERG iam diris ke “slango estas lingvaĵo kiu demetas sian jakon, kraĉas en la manojn kaj eklaboras.”

Do, ek al la laboro !

## 2.4 Gramatiko kaj Sintakso

### 2.4.1 RADIKOJ

1. Estas kvar formoj aŭ klasoj de slangoradikoj kaj do ankaŭ kvar teknikoj por ilin krei en Gavaro, laŭ malkreska uz-ordo:

   a) Metaforoj (personigo ks.)

   *musko* = hararo *privata okulo* = detektivo

   b) Vortmiksoj (stumpigo, inversigo)

   *polo* = polico *grapo* = grandkapitalo

   c) Akronimoj

   *repa* = ripozu-en-paco = morta

   d) Ksenismoj (pruntvortoj el fremdaj nacilingvoj)

   *drugo* el rusa "drug" = amiko

   Ili ĉiuj apartenas al la kategorio de t.n. "leksikaj vortoj", kompare al "gramatikaj vortoj", kiuj ne ricevas apartan gavaroformon. [2.4.3.3].

2. La kvanto da klasikmodelaj vortoj (klasoj a,b,c) estas en principo sen limo kaj formiĝas el la fundamenta Esperanto-vortaro.

   domo = *budo, kajuto, kesto, tendo* ktp.

3. Krom tiuj klasik-modelaj vortoj, ĉiu nocio rajtas ricevi en Gavaro tri ksenismajn formojn (te. tri fremdajn radikojn de klaso **d**) sed ne pli, adoptitaj kaj adaptitaj el unu el la etalonaj lingvoj: angla, rusa, hispana, hebrea, araba, sŭahila. Tio devas sufiĉi por kovri la bezonon je sinonimoj en tiu-ĉi klaso.

   domo = *kasao, zgrado, bajito* *(hispana, rusa, hebrea)*

4. Por tiu celo oni elektu normalan koinean vorton nacian, sed nepre ne jaman slangovorton, kiu estas multe malpli bone konata kaj kutime eĉ ne trovebla en koncerna vortaro. [2.4.3.2].

   Al la nocio "trompi" jes konvenas *decivi* el angla normlingva *to deceive,* sed ne *double-cross,* kiu estas slangoesprimo.

5. Estas neniel devige — nur permesate — elekti fontvorton por kreota gavaroradiko el la sama nacilingvo kiel donita slangaĵo tradukota. Solaj kriterioj por tiu elekto estas prononcebleco, koncizeco, aparteco, de la koncerna radiko.

   Por la usonangla *a joint* (ejo, domo) mi prenas kiel tradukon ekzemple *kasao* (el hispana) aŭ *bajito* (el hebrea), sed ne necese *hoŭso* el angla *house,* ĉar prononce malpli alloga.

6. Ĉe apudekzisto de pluraj sinonimoj en Esperanto, por dezirata signifo, oni klopodu preni apogon sur la plej simpla kaj familiara vorto kaj formi la ksenismojn prefere ek-de tiu. (Memoru la 15-an Regulon de la Fundamento.)

   Inter "societo, hordo, asocio, bando, federiĝo, anaro" mi elektis kiel bazon por "bando" la vortojn *mobo* kaj *huligo* tiel ke ekzemple "asociano" iĝas *mobano* aŭ *huligano.*

   Inter "asasena, mortiga, murda" mi elektis "mortigi" kiel bazon, kiu siavice kondukas al plisimpla "morti" ek-de kiu lasta devenas *smjerti* kaj *umiri* el la rusa, tiele ke "asasena" iĝas *smjertiga* aŭ *umira.*

7. Ne tre gravas la preciza signifo (semantika enhavo) de nacia fontvorto. Ĝi povas esti jen komplete identa al la dezirata ksenisma gavaroradiko, jen nur proksimume, se nur la baza nocio estas sama. [2.4.3.6]

   La verboformo *sfjetli* (lumi), devenas de la rusa substantivo *sfjetl,* do kun identa signifo. La rusdevena *oĉestfo* origine celas specife la familian nomon, sed en Gavaro nur "nomo" ĝenerale.

8. Ankaŭ ne gravas la fakta gramatika strukturo de la nacia fontvorto. Senrigarde ĉu ĝi estas unuradika, derivita, aŭ kunmetita, oni devas doni al responda gavara ksenismo nur tiun gramatikan formon, kiun ĝi ricevus en normala Esperanto. [2.4.3.1 & 2.6.1].

   La nocio "virino" povas tradukiĝi ekzemple en franca slango per nekunmetita *moukère,* sed en Gavaro ĝi devas esti derivaĵo ek-de radiko por "viro". Sekve aŭ *viruno* (helpe de la gavarosufikso –UN) aŭ *ĉlovekino* (helpe de la fundamenta sufikso –IN).

9. Ksenisma radiko konsistu prefere el nur unu aŭ du silaboj, por ke oni povu limigi la longecon de slangovortaj derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

*dinero* (monbileto) *snaki* (klaĉi) *aroĥa* (longa)

10. Estas konsilinde adapti fremdajn vortojn laŭ ilia prononco plivole ol laŭ ilia ortografio.

*ĝokero* anstataŭ *jokero* por angla *joker*

11. Novovorto (neologismo) anstataŭ koncerna MAL-vorto konsiderindas kiel beletra ĵargono; tial ĝi ekrolas kvazaŭ ksenismoradiko. [2.6.1]

Por "malriĉa" oni havas jaman *povra,* sekve necesas nur pliaj *maskina* kaj *bledna*.

Por "malbona" oni havas jaman *mava,* sekve nur pliaj *sajĝa* kaj *ploĥa*.

12. Stumpigoj, elipsoj, akronimoj kaj tiel plu (klasoj **b,c**) funkcias kiel normalaj ksenismaj radikoj de klaso **d**, ek-de kiuj oni sekve povas fari ankaŭ normalajn derivaĵojn.

*grap´* (riĉa) el "grandkapitalo" havigas *grapulo, grapigi* ks.

*dodeĝo* el "domo de ĝuado" havigas *dodeĝulo, dodeĝa* ks.

*togopo* (grava, eminenta) el "Tre Grava Persono" havigas *togopujo, togopejo, togopaĵo, togopi* ktp.

13. Ksenismoj devas esti laŭeble:

1) sufiĉe malsimilaj inter si kaj ne rilati al jam ekzistantaj koineaj radikoj: *baŝta* (sufiĉa) prefere al *basta,* pro la jama *bast'* (arboŝelo);

2) sufiĉe facile rekoneblaj; tio estas ke la originala vorto nacia devas esti pli malpli facile identigebla, skribe aŭ prononce: *folta* (kulpa) el angla *fault* (kulpo). Oni do nepre evitu adopti vorton kiu jam estas slanga en la fontlingvo !

14. Intence longetajn slangovortojn oni povas traduki, vicigante koncernajn ksenismojn aŭ Espo-vortojn, onomatopee aŭ alimaniere, sed tiu-ĉi rimedo estu escepta [2.5.3 & 2.6.3].

Dica: *hendele mendele* = *miksofikse* (mikspote)
Germana: *rundamadum* = *ĉirk-ed-ĉirke* (proksimume)
Franca: *je-m'en-foutiste* = *fekegalisto* (indiferentulo)

## 2.4.2 AFIKSOJ

1. Estas klaso de specialaj sufiksoj, ligendaj ekskluzive al kutimaj radikoj, aŭ eventuale al la unua silabo de propra nomo [2.4.3.8]. Aliloke ili ne estas permesataj.

sekundaraj

| OF | OK | UN | EŜ | UĴ |
|---|---|---|---|---|
| aĵ | ist | ulin | il | uj |
| | ul | in | | ej |
| | an | istin | | |
| | ant | antin | | |

primaraj

| UM | AL | IZ |
|---|---|---|
| o | a | (ig)i |
| | | |
| | | |
| | | |

*manĝofo* (manĝaĵo) *gardoko* (gardisto) *bateŝo* (batilo)
*punumo* (puno) *durala* (malmola) *pagizi* (pagi)

2. Estas ankaŭ du infiksoj, por speciala malrekonebligo, ankaŭ ili aplikendaj al simplaj radikoj normalaj.

-**ERZ**- *ŝt|erz|eli* = ŝteli *v|erz|ulvo* = vulvo
-**KLA**- *poli|kla|co* = polico *b|akl|ato* = bato

3. La suprajn du rimedojn oni ne rajtas utiligi samtempe, sed nur ĉiu aparte.

Sekve nenial *lu|<u>kla</u>|d|<u>uĵ</u>|o* (ludejo) aŭ *ŝt|<u>erz</u>|el|<u>ok</u>|o* (ŝtelisto)

4. La sufiksoj rajtas aperi ankaŭ memstare, same kiel iliaj koineaj kolegoj.

*tiu oko* = tiu ulo *mia eŝo* = mia ilo

5. Kompreneble, la klasikaj *FI-* kaj *–AĈ* plu plenumu sian rolon.

laŭplaĉe *fiulo* aŭ *fioko* *mortaĉi* aŭ *repaĉi*

### 2.4.3 ĜENERALAĴOJ

1. Gavaro diferencas de la tradicia zamenhofa lingvo per apartaj vortaro, afiksaro, kaj esprimaro. La gramatiko male restas nepre la sama kiel antaŭe.

   Ni nomis tion *"fari fulmigon"* montri valoraĵon.
   Tiu *menŝo* (homo) estas pli *ŝruda* (ruza) ol mi supozis.

2. Ĝi estas aplikebla, laŭ la bezono aŭ la intenco, indiferente en fundamente koinea kunteksto, aŭ en dialekta kunteksto, aŭ eĉ en arkaika kunteksto. Slango ja aperas en tiuj tri socio-lektoj.

   | | | | |
   |---|---|---|---|
   | Koinee: | *ili prenis la gamboĉaron* | } = | ili iris piede |
   | Dialekte: | *zi prenit lo gamboĉar* | | |
   | Arkaike: | *ilùi Gambocharon preniit* | | |

3. Korelativoj, prepozicioj, kaj similaj "gramatikaj vortetoj" nepre ne ricevas specialan Gavaro-formon, ĉar la sistemo aplikiĝas sole al verboj, substantivoj, numeraloj, kaj adjektivoj/adverboj ("leksikaj vortoj"). Anstataŭe funkciu tie-ĉi la sistemo de Popido.

   | | | |
   |---|---|---|
   | Dica *koefnoen* | } = "neniom" | } estiĝas *nio* aŭ *niego* |
   | Angla *nix* | | |
   | Franca *fifre* | | |

   Germana *rundamadum* (= ĉirkaŭe) iĝas *ĉirk-ed-ĉirke*

4. Homonimeco kun iu zamenhofa vorto aŭ kun gavara kolego povas ne atendite okazi pro derivado aŭ kunmetado, tiele ke nova gavara vorto konfliktas kun ident-aspekta jama vorto alisignifa; eventuale pro la regulo pri rekonebleco de la novkreito kun ĝia fontradiko [2.4.3.9]. Kiam tiu konflikto prezentas sin, oni klopodu eviti la konfuzon. Tamen, ĉar homonimeco estas ne absolute evitebla samkiel en nia Fundamenta Esperanto !; oni ne ĉagreniĝu se ĝi ie tie ek-aperas. Ja temas entute pri nekonvencia lingvaĵo.

   Konstruante laŭmetode *katuno* (= insidema virino) hazarde el "kat+UN", oni ne ligu tro da graveco al la fakto ke tiu-ĉi gavarovorto kolizias kun fundamenta "katun'o" (= kotontolo), ĉar la unua "katuno" ja ĝuste rolas kiel nenormala, popolaĉa slango.

5. Notindas, ke kunligado de pure fundamentaj radikoj/afiksoj kun gavaraj radikoj/afiksoj, kiu rezultas en mikspoto de malsamnaturaj vorteroj, rekte kontraŭas mian centran lingvo-normigan principon, laŭ kiu nur radikoj de sama naturo rajtas kunligiĝi [Universala Esperanto]. Tamen, tie-ĉi ĝi estas permesata, ĉar oni havas aferon kun maltaŭga lingvaĵo en kiu malpli gravas pura ekzakteco (racia apartigo de la terminoj), ol spiceco kaj strangeco.

Franca slango *des fafs* (= dokumentoj aŭ valorpaperoj) povas estiĝi *paperdjengo* aŭ *bumagomono* (ek-de respektive *djengo* = mono, kaj *bumago* = papero), kontraŭe al sciencolingva postulo pri pureco en kiu oni rajtas skribi jen teknike "termonuklea" jen populare "varmokerna" sed nenial "termokerna" aŭ "varmonuklea". [Universala Esperanto].

6. Kelkafoje slangovorto ne havas precizan signifon, ekzemple iu blasfemo au insulto. Por tiaj oni povas aŭ (a) malkovri ĝian eventualan etimologian originon kaj traduki laŭ tiu, aŭ (b) apliki infikson al konvena proksim-signifa vorto koinea.

1) Dica *sjamfoeter* (malestimindulo) probable devenas de franca *je-m'en-fouteur* (= tio-ne-koncernas-min) kio havigas gavaran *kak-egalisto* ek-de la koncerna germana versio *es ist mir scheissegal* (= al mi estas fek-egale).

2) Dica samvalora *labbekak* kontraŭe havas tre malcertan originon kaj do povas estiĝi ekzemple *viklaro* ek-de "viro+ KLA".

7. Nacilingva propra nomo, konforme al mia ĝenerala lingvo-normiga regularo, restu prefere netuŝita kaj do eniru Gavaron sen ŝanĝo, escepte se ĝi portas eksplicitan signifon. En tiu okazo oni rajtas se bezone traduki ĝin.

Franca *Julot* (= amika Jules) prefere restu *Julot* |ŽYLÖ|.

Germana *Essen,* hispana *Valencia,* tjurka *Erzurum,* kotopo restu prefere senŝanĝaj, sed angla *Fats* (= dikulo) iĝas jen *Tolsĉo* aŭ *Delgado* aŭ restas *Fats.*

8. Slanga derivaĵo aŭ misformaĵo en propra nomo tradukiĝu en Gavaro per aldono de unu el la koncernaj specialaj sufiksoj, ek-de la unua silabo aŭ unuaj literoj kaj laŭ posta skemo:

1) konsonanto(j) plus vokalo(j) = unua silabo plus sufikso:

Sovjetano = *Sovjoko*
Franco = *Froko*
Berlino = *Berluĵo*
Hispano = *Hispoko*
norvega = *norvala*
Mediteraneo = *Meduĵo*

2) vokalo(j) plus konsonanto(j) = tiuj samaj plus sufikso:

Italo = *Itoko*
arabigi = *arizi*
Atlantiko = *Atluĵo*
usonaĵo = *usofo*

3) kunmetita nomo = akronimo plus sufikso:

Sud-Ameriko = *Samoko*
Nord-Afriko = *Nafruĵo*

9. Vortaro pri Gavaro indiku laŭeble la devenon de ksenismoj por ebligi postajn komparon kaj elekton.

*ĉorna* (= nigra) el rusa ЧОРНИЙ

10. Notendas, ke nia Esperanto-slango, pro siaj neŭtraleco kaj planiteco mem, rilatas kaj kapablas rilati al ĉiu ajn lando, al ĉiu ajn socio, al ĉiu ajn epoko; dum naciaj slangaĵoj estas ĉenitaj al tre limigitaj tiaj kadroj. Oni do ne konsterniĝu, sed male ĝoju trovante en niaj vortaro kaj esprimaro de Gavaro materialon, kiu en donita fontlingvo jam delonge eksmodiĝis; ĉar tiamaniere nia tradukpovo estas principe senlima.

Angla *to lay someone athwart* = *kuŝigi iun alumede*, nun plu ne estas uzata en la angla ĉar antikva, sed tio neniel malhelpas apliki ĝin en aktuala Gavaro.

11. Pro fonologiaj motivoj, kaj konforme al mia projekto pri Universala Skribo, la litero kaj sono **ŭ** iĝas sensupersigna **w** dum ĉiuj **kv, sv, tv** en Gavarovortoj iĝas **kw, sw, tw** aŭ **kf, sf, tf**.

*waĥtisto* anstataŭ *ŭaĥtisto*
*sfjetli* anstataŭ *svjetli*

### 2.4.4 VORTSERIOJ

Gavaro posedas specialajn vort-seriojn kaj iun nombron da hazarde kreitaj vortoj de sakra naturo, por povi redoni la multe-nombrajn naciajn formojn kun tiu funkcio.

1. VALUTOJ

| | |
|---|---|
| miliardo | *Mamuto* |
| miliono | *Elefanto* |
| mil | *Bizono* |
| cent | *Mulo* |
| dek | *Azeno* |
| unu | *Boko* |
| duono | *Kastoro* |
| kvarono | *Furo* |
| kvinono | *Sciuro* |
| dekono | *Rato* |
| centono | *Muso* |

2/5 = *dusciuro*      3 = *triboko*

2. TEMPOJ

| | |
|---|---|
| jaro | *monto* |
| monato | *marmoro* |
| semajno | *roko* |
| tago | *ŝtono* |
| horo | *hajlo* |
| minuto | *guto* |
| sekundo | *polvero* |

*Kondamno al 20 montoj*

3. POLICAJ GRADOJ

Cifero + *lico*

| | |
|---|---|
| prefekto | *kvarlico* |
| komisaro | *trilico* |
| inspektoro | *dulico* |
| brigadiro | *unulico* |
| ktp. | *ktp.* |

4. ARMEAJ GRADOJ

Metalo / Cifero + *ciro*

| | |
|---|---|
| generalo | *orciro* |
| kolonelo | *arĝentociro* |
| kapitano | *kuprociro* |
| leŭtenanto | *ferociro* |
| ĉefo | *kvarciro* |
| serĝento | *triciro* |
| kaporalo | *duciro* |
| soldato | *nulciro* |

Kompreneble, tiu-ĉi skemisma metodo volas nur suplementi, en okazo de malfacila tradukeblo, kaj ne anstataŭi la originalojn. Fakta elekto dependas de originala (kun)teksto kaj de persona prefero de la tradukanto, same kiel de la ŝtate malsamaj gradoj.

## 5. ELKRIOJ

| | | |
|---|---|---|
| *(amen)ulaĥ* | = | ne; tio ne interesas min |
| *asbo* | = | estas bone |
| *atenoje* | = | nekredeble |
| *baŝte* | = | sufiĉas |
| *ĉukompras ?* | = | ĉu vi komprenas ? |
| *fek!* | = | (blasfemo) |
| *grut* | = | saluton |
| *kiamas ?* | = | kioma horo estas ? |
| *kuŝkuŝ* | = | ve ve |
| *naver(njak)e* | = | certege |
| *nemiemam* | = | neniam ajn |
| *piŝte !* | = | ba, fi |
| *poklon* | = | adiaŭ |
| *samsam* | = | tute same |
| *sanon kaj apetiton* | = | jen vi havas |

## 6. SAKROJ

| | |
|---|---|
| je la sangaj ulceroj ! | korpo de porko ! |
| germana sakramento ! | je la tondro ! |
| je la sankta nazotruo ! | je la potencoj de l'infero ! |

## 7. INSULTOJ

| | |
|---|---|
| pistu cin Petro ! | kisu al mi la piedfingrojn ! |
| fiku la kaprinon ! | leku mian kakajuton ! |
| ruĝokula kukolo ! | lepro putrigu cin ! |
| fridpisanto ! | furzo de bufo ! |
| ruĝokula kukolo ! | bakita skarabo ! |
| ŝima kataplasmo ! | miskurba kukurbo |
| fojnkapulo ! | pistu la kojonojn ! |
| patrinfikisto ! | pugolekanto ! |
| senkaculo ! | napokapo ! |

## 8. ESPRIMOJ

| | | |
|---|---|---|
| *akiri la kukon* | = | gajni la premion, venki |
| *deskui siajn pulojn* | = | sin vesti |
| *diskrevas mia kolumo* | = | mi koleregas |
| *dorloti sian ĉevaleton* | = | refali en iun manion |
| *ekspedi al si* | = | regali sin per |
| *ellasi la pigon* | = | konfesi, malkaŝi |
| *eltiri karoton al iu* | = | igi iun konfesi sekreton |
| *elveturi la stacidomon* | = | eskapi |
| *engluti la hokon* | = | kaptiĝi |
| *estas de mia kakajuto* | = | tio estas senvalora |
| *estas la (internacia) ekspreso* | = | estas urĝa tempo ! |
| *esti en bonaĵoj kun iu* | = | havi amikajn rilatojn kun iu |
| *esti en la klubo* | = | formi parton de iu bando |
| *estingi ies kandelon* | = | mortigi iun |
| *esti nuda je metalo* | = | malhavi monon |
| *fari al iu museton* | = | doni kiseton al iu |
| *fari la pajloraton* | = | resti longe en la lito |
| *fermu la kranon !* | = | silentu ! |
| *frandi la ĉokoladon* | = | koni sian aferon, scipovi |
| *havi blankan piedon* | = | havi krediton |
| *havi flavan hepaton* | = | esti malkuraĝa |
| *havi la konvulsiojn pro iu* | = | timegi iun |
| *iri al la stampo* | = | ricevadi helpon de bonfara instanco |
| *irigi la trajnon sur alia trako* | = | provi novan taktikon |
| *kirli buteron* | = | koiti |
| *klasigi la kartojn* | = | ĉesigi laboron |
| *kompletigi la tarantelon* | = | festeni ĝisdiboĉe |
| *kovadi ovojn je io* | = | esti certa pri |
| *kovi al si splenon* | = | estiĝi afliktita, moroza |
| *kunpremi kapokon* | = | ruli drogocigaredon |
| *la hepato al mi sekiĝis* | = | mi soifegas |
| *malfermi la gasovalvon* | = | fuŝigi entreprenon |
| *mia tolaĵo estas lavita* | = | mi ne povas plu |
| *mia kranio disfendiĝas* | = | mi miregas |
| *mia supo ekbolas* | = | mi iĝas senpacienca |
| *mia veziko superplenas* | = | tio min tedegas |
| *perdi la rumbon* | = | erarvagi |
| *restaŭri sian portreton* | = | fari tualeton |
| *sapizi la intestojn* | = | festeni |
| *senkotigi la plankon* | = | forlasi ejon |
| *stari je ripozo* | = | ne moviĝi |

| | | |
|---|---|---|
| *stumpigi la tarifon* | = | malfari interkonsenton |
| *supren lasi la balonon* | = | efektivigi sian intencon |
| *surmeti la kurbotojn* | = | fuĝi |
| *ŝmiri ies bekon per mielo* | = | iun flati aŭ dorloti |
| *ŝtopi al iu la umbilikon* | = | mistrakti iun, primoki iun |
| *teni burĝonon en la branĉo* | = | kaŝe observi |
| *trapuŝi (monon)* | = | senkontrole elspezi |
| *turni la halukson* | = | fuĝi, malaperi |
| *vagadi en vaporoj* | = | esti ebria |
| *verŝi en sian kravaton* | = | trinkegi |
| *veturi sur kurba trako* | = | agi malhoneste |
| *vidi la rostaĵojn flugi* | = | malsategi |

9. NOMBROJ

Kie ne eblas eviti la formadon de nombroj, mi ĉerpis el Volapük:

| | | | |
|---|---|---|---|
| *bŭal* | unu | *zŭul* | ok |
| *tŭel* | du | *ĵŭel* | naŭ |
| *kŭil* | tri | *dŭeg* | dek |
| *fŭol* | kvar | | |
| *lŭel* | kvin | | |
| *mŭel* | ses | *tŭum* | cent |
| *vŭel* | sep | *mlat* | mil |

## 2.5 Principo de Simileco

1. Oni klopodu laŭeble konservi la ĝeneralan formon kaj gramatikan funkcion de la originala slangaĵo. Se verbo, oni traduku per verbo; se tuta esprimo, oni forĝu tutan esprimon; se metaforo, oni redonu ĝin metafore; se inversigo, per inversigo; se ksenismo, per ksenismo; kaj tiel plu. Tio ne necese signifas, ke la traduko estu nepre laŭvorta traduko, sed nur ke ĝi estu sufiĉe simila al la originalo por ke estiĝu prudenta egalpezo inter fideleco kaj komprenebleco. Jen kelkajn ekzemplojn:

   - Dica slango *de jongeheer* (laŭvorte "la juna sinjoro" = vira seks-organo) = *la junulo*.
   - Dica slango *dakzoek* (anstataŭ ĝusta *zakdoek*) = *toŝpuko* anstataŭ "poŝtuko".
   - Dica *hendele mendele* (= mikspoto) = *miksofikso*.

- Angla slango *to have one's fling* (festeni, diboĉi) = *sapumi la intestojn*.
- Germana slango *der Rebmosche* (levostango de rompŝtelistoj, ek-de "Rabeno Moŝeo") = *la puŝopetro*.

2. Se la senco de la tradukata slangaĵo, se ĝia aludo, estas sur internacia nivelo same facile komprenebla — aŭ almenaŭ facile divenebla — kiel ĝia nacilingva modelo, tiukaze oni kompreneble nenion bezonas inventi.

Germana *die Kügel* (laŭvorte nuksoj, beroj) = testikoj = *la kugletoj*.
Germana *der Gelernter* (= kandidato por krima metio) = *la lernanto*.
Franca *du raisiné* (laŭvorte "vinberaĵo" = sango) = *vinbersuko*.

3. Kontraŭe, se la aludo estas tro ligita al lokaj aŭ tempaj cirkonstancoj, tiukaze necesas trovi novan similaĵon. Kompreneble, tiu-ĉi redono ne konsistigu en si mem anaĥronismon aŭ ksenismon por la koncerna teksto !

- Germana *Liechtenstein sein* (laŭvorte "esti de Liĥtenŝtajno" = (esti riĉega) = *esti agaĥana* aŭ *esti Agaĥano* (ek-de la riĉega monarĥo Aga Ĥan).
- Germana *ein Linksanwalt* (laŭvorte "maldekstra advokato" = juristo kiu laboras por la kanajlaro) anstataŭ norma *der Rechtsanwalt* ("dekstre" kaj "jure" estante homonimoj en la germana) = *rilatvokato* (ek-de elipso inter "rilato" kaj"advokato").
Germana *der Morgenstern* (laŭvorte "la matenstelo" = la prizono) = *la betonĉielo*.
- Dica *de Casuaristraat* (strato en Amsterdamo kie situas granda prizono) = internacie *la Malonstrato* (ek-de *malono* = karcero), sed en limigita nacia aŭ loka kadro "La Strato de la Kasuaro".
- Germana *die Kleine Regierung* (nomo de drinkejo en Vieno kie kunvenadis la kanajlaro) = *la Eta Registaro* kun nur strikte limigita, loka valoro en koncerna teksto.
- Angla *to lay someone athwart* en historieto kiu disvolviĝus en la 18-a jarcento aŭ en necivilizita socio, kie alumedoj estus nekonataj, oni ne redonu per la ekzistanta gavara *kuŝigu iun alumede*, sed prefere per *estingi ies kandelon* aŭ *sendi iun al skeletolando* aŭ simila tuj komprenebla esprimo.

4. Multo evidente dependas de la kunteksto mem kaj en tiu rilato oni devos konsideri iujn slangovortojn kiel proprajn nomojn. Por tiuj-ĉi lastaj validas i.a. (laŭ mia lingvonormiga principaro) ke oni akceptu esperantigon nur en limigita kadro. Tio estas: kiam sama nomo estas ofte ripetata interne de sufiĉe

ampleksa teksto, kia romano ekzemple. Tiel same por slango-vorto: se aludo klaras pro firma subteno de kunteksto (aŭ de eventuala marĝena klarigo kia ekzemple piednoto), tiukaze ekzistas neniu danĝero por senpera traduko. Sed tiaj tradukoj normale do ne renkonteblos en la Gavaro-vortaro.

El germana slango:
*die Knopfsuppe* (fabeclegoma supo) = *la butonsupo*.
*der Krautgarten* (glaso da brando) = *lumkuglo* aŭ *rakedo*.
*ein Kutscher* (tre ordinara Mosel-vino) = *ĉaristo* aŭ *koĉero*.

5. Paralele, se la kunteksto firme subtenas, aŭ se la origina aludo estas nepre necesa al la koncerna historieto, tiukaze oni efektive traduku laŭ la originalo mem.

Germana *der Schampus* (la ĉampano) = *la ĉampo* aŭ *ĉampofo*.
Germana *ein Kreuzer* (monero kun kruc-emblemo) = *kruculo*.

6. Aliflanke, se koncerna originalo estas konsiderenda kiel fak-ĵargona termino, oni povas adopti ĝin sentraduke, laŭ la tradicia asimila metodo. Tio plej facile okazos al ksenismaj terminoj.

Angla *gypsy* (nuklefizika korpusklo, ekde *J* kaj *Psi*) = *ĝipsio* dum laŭvorta traduko havigus *cigano*.

7. Ankaŭ sukplenaj esprimoj kaj interjekcioj rajtas, sed sen devigo, eniri Gavaron senŝanĝe, denove kondiĉe ke ili estu sufiĉe facile kompreneblaj sur internacia nivelo — ĉu pro sia evidenteco, ĉu pro la kunteksto — sen antaŭscio pri lokaj aŭ tempaj situacioj.

- Angla *to trim a sucker* (prišteli viktimon) = *tondi branocerbon*.
- Franca *avoir quelqu'un à la bonne* (esti amika kun iu) = *esti en bonaĵoj kun iu*.
- Germana *die Klappe halten* (eksilenti) = *rigli la klapon*.
- Dica *bij de koopvaardij zijn* (esti en prizono) = *esti en la komerca navigado* (longedaŭra).

8. Gramatikaj eraroj en la originalo rajtas, sed ne nepre devas, eniri ankaŭ la tradukon, ĉar ofte tio signifas troigon = malbonigon.

Ekzemple la foresto de akuzativo.

## 2.6 Principo de Simpleco

1. Ne gravas la demando ĉu la nacia fontvorto, kiun oni elektis por krei gavaran ksenismo-radikon, en si mem estas derivaĵo aŭ kunmetaĵo aŭ ne. Gravas nur la demando ĉu ĝi estas sufiĉe mallonga por obei la postulon pri simpleco. Por la bezonoj de Esperanto-slango oni do konsideru la koncernan fontvorton kiel unuecan blokon.

   Ekzemple *napadi* (el rusa нападать) = *ataki.*

2. La multenombraj derivaĵoj (radiko + afikso), kiuj aperas en nacilingva slango, kaj kiuj estas ankaŭ en Esperanto tradukendaj per konformaj derivaĵoj, tradukiĝu antaŭ ĉio per normala, fundamenta radiko, plus koncerna Gavaro-afikso. Nur kiam tiu rimedo plu ne sufiĉas por kovri la eventuale tre grandan kvanton da samstrukturaj sinonimoj en la koncerna teksto, nur tiam oni ekkaptu koncernajn ksenismojn.

   - Dica *bikker* (laŭvorte "manĝanto" sed laŭsignife "buŝo") iĝas en unua fazo *manĝeŝo* (manĝi+*EŜ*) kaj nur en dua fazo *jestilo* (*jesti*+IL) aŭ *komerilo* (*komeri*+IL).
   - *Tikilo* prefere al *tikisto* por "horloĝo" ĉar senvivaĵo.

3. Kiam la Esperanto-egalvaloraĵo estas kunmetita vorto, ne necesas fremdigi ĉiun ĝian elementon, sed normale nur unu. Nome la plej signifodonan, se tia elstaras. Je tio oni ankaŭ elektu se eble la plej mallongan radikon el nia slangovortaro [2.4.3.5]. Analoge pri apudigo de vortoj.

   La vorto "okulvitroj" (ekzemple en angla slango *specs*) fariĝas ĉu *glazovitroj* (ek-de *glazo* = okulo) ĉu *okulslajsoj* (ek-de *slajso* = tranĉaĵo), sed ne *glazoslajsoj.*

   La vorto "mantenilo" (ekzemple por germana slango *der Krossen*) fariĝas *manodjerĵilo* (ek-de *djerĵi* = teni) aŭ *rukatenilo* (ek-de *rukao* = mano), sed ne *rukadjerĵilo* aŭ *rukadjerĵeŝo.*

   *Granda polano* (policestro) prefere al *noĝa polano*.

4. Kompreneble, se la kunmetita originalo mem estas stilfiguro kaj neniel fremdaĵo, ekzistas neniu motivo por elserĉi konvenan ksenismon en la gavarotraduko.

Dica *geveltoerist* (akrobata romp-ŝtelisto, kiu surgrimpas murojn) = *fasadoturisto*.

## 2.7 Kritikoj

1. *Ĉu necesas havigi gramatikan regularon al lingvaĵo, kiu laŭdifine estas senregula ?*

En la estonteco, kiam Esperanto estos uzata senĉese kaj de tutaj homgrupoj, do post kiam ĝi estos "oficialiĝinta", estas neniu dubo ke komencos aperi slangaĵoj en tute kaprica maniero — almenaŭ se la mondobildo rilate al lingvouzado kaj sociologio estos ankoraŭ sama en la 21-a jarcento kiel ĝis la 20-a. Iom post iom tiuj tiam kreskos nature ĝis tia potenco kaj abundo, ke ili ne povos ne eksmodigi Gavaron kaj finfine igi ĝin eĉ komplete superflua. Sed ... ĝis tiu epoko niaj slangotradukantoj starus kun malplenaj manoj, kaj estus por ili multege pli facile mastri regule strukturitan lingvaĵon ol tute ĥaosan vort-amason. Rilate la povon de laŭplana Gavaro, redoni senplanajn slangaĵojn naciajn, ĝi en tio neniel diferencas de zamenhofa Esperanto fronte al normalaj vortoj aŭ esprimoj naciismaj. La instrumento certe taŭgos ... en la manoj de lerta kaj inventema utiliganto.

2. *Ĉu necesas (re)enkonduki vere koherajn vort-listojn ?*

La de mi proponataj interligitaj vort-serioj [2.4.4] ne intencas anstataŭi naturajn naciaĵojn, sed nur suplementi ilin en okazoj kie naciaĵo ne estas (bone) tradukebla aŭ ial ne dezirinda. Ekzemple, por la neniosignifaj anglaĵoj *5 quid, 2 bob, 30 bucks* (= Pundoj, Ŝilingoj, Dolaroj) oni disponus *5 Muloj, 2 Azenoj, 30 Bokoj,* ĉar etimologia deveno restas ekster konsidero por uzantoj. Ksenismoj estas tie-ĉi evitindaj, ĉar ili nur fremdigus la tekston dum skemismaj vortoj pli facile restas en la memoro. Fakta elekto plu dependos de la originala (kun)teksto kaj de la persona prefero de la tradukanto. Ĉe alkutimiĝo tio cetere estos ne pli malnatura ol la fundamentaj elpensitaĵoj de ZAMENHOF.

### 3. *Ĉu ne estas troige preni plurajn vortojn por unu sama gavara ksenismo ?*

Ksenismoj estas fremd(aspekt)aj kaj multenombraj el ĉiu ajn vidpunkto. Tiel estas en la naciaj originaloj; tiel neeviteble devos esti ankaŭ en Esperanto. Estas ja ilia naturo kaj ilia celo. Mi mem, pronecese devis antaŭvidi por tradukado 3 ksenismajn radikojn por ĉiu nocio kaj eĉ tiel estis fojfoje malfacile traduki ĉiujn renkontitajn sinonimojn en absolute kontentiga maniero. Oni ja provu traduki abundojn kiaj en la franca: *aspic, fric, grisbi, aspine, pognon, artiche, oseille* … por la nura signifo "mono". Koncernaj romanoj fojfoje aldonas cetere glosareton por ke laikoj povu kompreni la ksenisman slangon en sia propra gepatra lingvo! La deveno de tiuj vortoj estas cetere malgrava por uzantoj de slango; kontraŭe ilia multeco jes. Tamen, ĉe aplikado de Gavaro, tio ne malhelpas ke oni relative baldaŭ al-kutimiĝas al ofte revenantaj vortoj por nocioj kiaj : *manoj, koiti, ŝteli, polico, trompi, stulta, karcero* kotopo. Kaj oni ankaŭ ne subtaksu la klarigan subtenon de la kunteksto rilate al pasiva kompreno.

### 4. *Ĉu ne estas tro limige preni kiel fonton por gavaraj ksenismoj nur ses fontlingvojn ?*

En la komenco mi planis kaj elprovis kreadon de ksenismoj el nur unu aŭ du nekutimaj fremdlingvoj (Volapük kaj Sŭahilo), sed tre baldaŭ mi devis konstati ke en praktiko oni vere bezonas pli vastan aron da fontlingvoj. Okazas ja ne malofte ke tuta vico da lingvoj prezentas saman aŭ ege similan radikon por donita nocio (pro familia interrilato, kaj sur kiu fakto ja apogiĝas naturalismaj planlingvoj). Aliflanke, vortoj el la kutimaj eŭropaj kultursferoj latinidaj estas ofte tro bone konataj aŭ eĉ identaj al normala Esperanto-vorto, por ke ili povu kontentigi la bezonon je ksenismeco. Oni do vole nevole devas serĉi ankaŭ en fontlingvoj ne tuje familiaraj aŭ parencaj al Esperanto. Mi rezonis, ke, se mi prenus lingvojn kiuj estas fremdaj al Esperanto kaj kiuj ĉiu por si kovras grandan areon de la mondo, ke tiam la ŝanco estos relative granda por ke iu gavara ksenismo estos senplie komprenata de konsiderinda nombro da Esperantistoj el la celata mondoparto. Tra la tuta iama Sovjet-Unio kaj la Orient-Eŭropa Bloko, la rus-devena vorteto *ploĥa* (malbona) estos tuje klara, dum la hispandevena *delgada* (dika) en tuta Mez- kaj Sud-Ameriko, kaj araba *tawila* (longa) en ĉiuj islamaj landoj.

5. *Ĉu la vortaro pro tio ne iĝos supermezure ampleksa ?*

Rilate abundon de ksenismoj, oni rimarku ke ankaŭ pure stilfiguraj dirmanieroj, por donita nocio, diferencas de unu nacilingvo al alia, kaj sekve de tio abundegas. Esperanto ne povos ne akcepti ĉiujn tiujn egalrajte, laŭ la kaprico de ilia apero por tradukado. Por "policano" ekzemple, mi jam renkontis ekvivalentojn kiajn "kaptoviro, platpiedulo, bastonsvingisto, perdriko, oficiro, ŝerifo, drako" en nura manpleno da naturlingvoj. Ankaŭ tie-ĉi ni do devas fidi je kutimo kaj uzado por fari la bezonan selekton.

6. *Ĉu tiu aplikado de ksenismoj tute fremdaj al fundamenta Esperanto estas vere nepre necesa ?*

Mia regularo devigas neniun al uzado de ksenismoj. La principoj de simileco kaj simpleco estas miaj personaj gvidiloj (konsiloj) en tradukado, sed ĉe reala aplikado ĉiu uzonto de Gavaro evidente mem elektos ĝis kiu grado tiu redonos slangajn fremdvortojn, aŭ ĉu li/ŝi utiligos ilin entute. Se li kapablas fidele traduki per pure klasikaj vortkonstruoj, des pli bone. Mi povas nur antaŭciti la vortojn el mia enkonduko al la Krestomatio Parto: "Ne kritiku en la internacilingva traduko tion kio eventuale estas kritikinda en la nacilingva originalo."

7. *Kial enkonduki la personan pronomon "ci" dum ĝi estas malaperanta aŭ plene malaperinta en aktuala Esperanto ?*

Mi (re)enkondukis ĝin, ĉar en pluraj lingvoj la diferenco inter familiara kaj ĝentileca alparoloj ankoraŭ ludas gravan rolon, precipe en dialekto kaj slango, kie ja tre nete sentiĝas la socia kontrasto inter "dece" norma burĝaro kun sia polurita parolmaniero kaj la "senmorala" proletaro kun ties spitema lingvaĵo.

# 3. TEKNIKAJ TERMINOJ (Ĵargono)

## 3.1 Antaŭparolo

Paralele al la pli-malpli intenca fremdigo de vortoj, kiu nomiĝas "slango", manifestiĝas la speciala katgorio de fakterminoj konsistanta ĉu el mallongigoj kiaj UEA, ADN, CIA, FEL, GPS, aŭ el akronimoj-ĥimeraĵoj de la tipo *radaro, komsomolo, kokoso* — kaj kiuj ĉe mi meritas specife la nomon "ĵargono".

Do **ne** temas tie-ĉi pri la katgorio de greklatinaj terminoj, kiujn utiligas la sciencoj, kaj kiujn kovras mia *International Terminological Key,* surbaze de plurmilaj specialaj vortradikoj kaj speciala radikaro en la sino de mia Universala Esperanto (Uniespo). **Jes** temas pri teknikaj-profesiaj terminoj, eventuale neologismoj, kiujn oni uzas ekzemple por nomi la konstrupecojn de elektra lokomotivo, aŭ kiujn uzas ekzemple kudristino por doni nomon al la procedoj kaj lertaĵoj de sia okupiĝo. Tiuj-ĉi fakvortoj estiĝas plejparte senorde, laŭhazarde, el diversaj fontoj, sen vera lingva-gramatika rilato unu al la aliaj: *ikono, kejlo, libido, muari, orli, skarifiki* k.t.p. La etimologio de tiaspecaj vortoj — iliaj deveno kaj origina signifo — estas ŝatokupo por filologoj, kiuj en tiu sia fako bezonas scii ne nur kelkajn antikvajn lingvojn, sed ankaŭ multajn nuntempe parolatajn.

Eble menciindas parenteze, ke mia Uniespo provizas du specialajn prefiksojn por marki fremdajn <u>unusilabajn</u> terminojn: *-DWA* por naci<u>kultura</u> specialaĵo kaj *–VWA* por naci<u>historia</u> specialaĵo — ekzemple *dwaĉaĉo* kaj *vwabraĉo* (por pivaj "ĉaĉo" kaj "braĉo"). Tiujn mi ne klasigas inter ĵargonaĵoj kaj do ne detaligas tie-ĉi.

Post la dua mondmilito la kvanto da ĵargonaĵoj kreskis, kune kun teknikologio, ĝis giganta amplekso, apenaŭ aŭ plu ne regebla. Ekzemple, la (hodiaŭ jam malnova) kompilaĵo de ROWLEY & SHEPPARD, *Acronyms, initialisms and abbreviations dictionary* [Gale Research Co, Detroit, USA 1984] citas ne malpli ol 300.000 erojn. Ne mirige ke okazas plurobloj de sama aspekto — homonimoj — sed kun malsamaj signifoj. Ili estas ĝenaj, eĉ agacaj, en ĉiu ajn lingvo, sed ne eviteblaj. Ĉiu devas fidi je sia memoro aŭ je iu vortaro de sigloj kaj mallongigoj … se tia troveblas, ĉar litervortoj

ja tiel rapide kreskas (kaj ankaŭ rapide velkas) ke neniu vortaro sukcesas resti nepre ĝisdata. Eĉ por kompilantoj de tiaĵoj en Interreto aktualigi estas senhalta forto-streĉo.

Nu, se ili ne estas eviteblaj — ankaŭ ne en Esperanto — ni zorgu ke almenaŭ la akronimaj kodvortoj:
1- ne aspektu kiel mallongigoj,
2- rolu kiel normalaj radikoj, facile kombineblaj kaj deriveblaj,
3- ne lasu dubon kiamaniere ilin prononci.

La termino "ĵargono" mem kovras kvar subkategoriojn:
1- sigloj (CO, SAT, UK, BBC, GSM) pri kiuj oni ne povas tuje scii al kiu lingvo ili apartenas;
2- akronimoj (*sonaro, Satano, aidoso*);
3- ĥimeroj* (kunligo de vortpecoj por formi novan vorton);
4- anagramoj (intermikso de la sinsekvo de literoj en vorto).

Ankaŭ da tiaj, same kiel da mallongigoj/sigloj mem, aperadas novaj kvazaŭ ĉiutage. Estas pro tio jam antaŭe perdita batalo provi teni ilin absolute ĝisdataj. Eĉ al tio dediĉita retloko de la Interreto — tamen plej potenca kaj plej rapida rimedo kaj medio — ne plene sukcesas, ĉar ĝi ja dependas de la informoj kiujn kontribuantoj volas kaj povas senĉese provizi, kaj de la pri-zorganta servo, kiu devas ilin kribri kaj envortigi en daŭre fluanta kaj daŭre vastiĝanta tezaŭro.

Nature estas preferinde uzi propre Esperantan ĵargonismon, anstataŭ nacilingvan, ĉar tiu estas internacie pli klare kaj ankaŭ facile rekonebla. (Marki per o, a, i).

*pixel* = bildelemento → **bildelo**

*juke-box display system* = diskara aŭtomata karuselo → **daŭko**

*binary digit (bit)* = binaria cifero → **bico**

*self contained underwater breathing apparatus (scuba)* =
aŭtomata subakva spiraparato = "**akvopulmo**"

*multirole combat aircraft (MRCA)* =
universala batal-aviadoro = **unibavo**

La ĉi-posta listo, laŭhazarde ĉerpita el la vortaro de mia Uniespo, estas sekve nur modelo pri la koncerna vortmaterialo kaj la maniero en kiu oni povus ĝin adapti al Esperanto.

## 3.2 Mallongigoj

**AD** Mallongigo por “antaŭdate” = antaŭ la gregoriana jaro nul; anstataŭ “antaŭ Kristo”. ∏ PD

**AIKS** (medicino) <AIDS> Siglo por: akirebla imunec-kolapsiga syndromo. SG: sekspesto.

**AKIR** (aviado) <AIRAC> Siglo por: Aeronaŭtikaj Kontrolado, Informado, kaj Reguligado.

**ALS** <SAL> Siglo por “antilimfocyta serumo”. Ankaŭ: alisero

**ATR** <PSTN> (telefono) Siglo por: “analoga telefonreto” = La klasika telefontekniko, kontraste kun la nova IDTT.

**ATT** Siglo por “aŭtoĉartramo”.

**DRS** (komputado, medicino) Akronimo por “Difekto pro Ripetata Streĉado” = <*repetitive strain injury*> (RSI).

**DTF** Siglo en fiziko kaj tekniko por: decentrofuĝa. ∏ ATK

**DTR** (Informadiko) <ISDN> Siglo por: Diĝitala Telefon-Reto. Rivalo de ATR. → vitrofibro

**EEK** (komerco) <EEC> Siglo por: Eŭropa Ekonomika Komunumaro.

**ESP** <PPS> Siglo por: Ekstersensa Perceptado, kio ampleksas telepation, telekinezon, radiestezon, aŭguradon, ktp.

**HOK** (kemio) <HRP> Siglo por: hiperoksidato el krenolo; <*horseradish peroxydate*>.

**IFA** (fonetiko) <IPA> Siglo por: 1. Internacia Fonetika Asocio. 2. Internacia Fonetika Alfabeto.

**ISKI** (komputado) <ASCII> Akronimo por: Internacia Simbolara Kodo por Informadiko = maniero por identigi literojn de latina kaj aliaj devenoj.

**ISO** <ISO-2> Siglo en astronomio kaj spacegesplorado por:

| |
|---|
| Infraruĝa Spacego-Observadejo. |
| **KAD-KAM** (komputado) <CAD-CAM> Siglo por: Komputore Asistataj Desegnado kaj Modeligado. |
| **KNS** (komputado) [TTT] <DNS> Siglo por: “kamponoma sistemo” = Lingva (kodvorta) enformigo anstataŭ far-de homoj malfacile memoreblaj kaj pritrakteblaj nombroserioj; precipe anstataŭ la IP. |
| **KĤD** <CDQ> Siglo en nuklefiziko por: Kfantuma Ĥromodinamiko = Ĉiuj kwarkoj en sia “protona maro”, kie la “virtualaj glionoj” eliĝas kaj rekreiĝas konstante, kune kun ties-ĉi senĉesa agado. |
| **LPR** <LAN> (komputado) Siglo por: “loka privata reto” = Interkonekto de pluraj komputoroj, uzata interne de iu instituto, komerca entrepreno, ks. Ne konfuzenda kun la tutmonda Interreto, kfankam ĝi utiligas samajn aparatojn kaj programojn. |
| **NGF** Siglo en biologio por: neŭrogena faktoro; <*nerve growth factor*>. |
| **OSD** <FAQ> (komputado) Siglo por: “ofte starigataj demandoj”. |
| **PD** Mallongigo por “post-date” = post la gregoriana jaro nul; anstataŭ “post Kristo”. ∏ AD |
| **PKP** <DTP> Siglo por “perkomputora publicado” = hejmpresado. |
| **POP** <POP> (Interreto) Siglo por: “Poŝt-Oficeja Protokolo”. |
| **PTD** <FTP> (Interreto) Siglo por: “protokolo por transsendo de dosieroj” = Kodaĵo en la komenco de teksaĵloka situigo por anonci kaj identigi adreson ĉe kiu oni povas, ĉu libere kaj anonime ĉu pro membreco, forŝarĝi aŭ elŝuti programojn. |
| **ReRe** <HiFi> En aŭdvida tekniko: Ĥimeronimo por: realecredono de muziko kaj parolo. |
| **TK** <CC> (Interreto) Siglo por: “trakopio” = Adreso, en la kapo |

| |
|---|
| de elpoŝto, de kroma(j) korespondanto(j) kiu(j) ricevu kopion de la koncerna mesaĝo, kion la ĉefadresito povas vidi. → BK |
| **TKP** <TCP> Siglo por: "transsendo-kontrola protokolo" = Arbitre interkonsentita kodaĵo por sendado de donitaĵoj tra la Interreto. |
| **TL** (Interreto) Teksaĵ-Loko = hejmpaĝo |
| **TLS** <URL> Siglo por: "Teksaĵloka Situigo". Ankaŭ: situadreso, teksaĵloko. → retadreso |
| **TPG** <CPU> (komputado) Siglo por: "centra prosesora grupo" = la fakta "cerbo" de komputoro. |
| **TSM** (telefono) <GSM> Akronimo por: 1. Tergloba Sistemo por Mobila Komunikado (per telefono). 2. La koncerna telefon-aparato = poŝtelefono, "vaganta telefono" |
| **TVA** Siglo en medicino por: cerbovaskla akcidento = apopleksio. *<cerebro-vascular incident>*. |
| **UN** Unuiĝinta Naciaro; *<United Nations Organization>*. |
| **XEN** (geometrio) Akronimo por: "X-aksa endektonombro" = La imaga valoro (**j**) kiu ekestas pro dilatiĝo aŭ ŝrumpiĝo de la horizontala akso (absiso) aŭ koncerna radiuso de korpo. → YEN, ZEN |
| **YEN** (geometrio) Akronimo por: "Y-aksa endektonombro". = La imaga valoro (**i**) kiu ekestas pro dilatiĝo aŭ ŝrumpiĝo de la vertikala akso (normalo) aŭ koncerna radiuso de korpo. |

## 3.3 Akronimoj kaj Ĥimeronimoj

| | |
|---|---|
| **acetalko** (kemio) <*acetal*> Ĥimeronimo por: acet-aldehydro + alkoholo. | |
| **aĥrylo** [akrilo] (kemio) Ĥimeronimo por: aĥroblantylo | |
| **aldemetĥojno** (kemio) <*aldomedon*> Ĥimeronimo por: acet-aldehydro-dymetĥojno. | |
| **aldolo** (kemio) Ĥimeronimo por: aldehydra alkoholo. | |
| **alisero** (medicino) {ALS} <SAL> Ĥimeronimo por: anti-limfocyta serumo. | |
| **almitydo** (kemio) <*prehnitic acid*> Ĥimeronimo por: almokalcita acido. | |
| **amokuksido** (kemio) Ĥimeronimo por: amonja kuprohydroksido; reagento de SCHWEIZER. | |
| **atefo** {ATFR} <AFTN> Akronimo en telekomunikado kaj aeronaŭtiko por: Aeronaŭtika Telekomunikada Fiksreto. | |
| **atrojno** (kemio) <*tropone*> Ĥimeronimo por: atropuryno + ketojno. | |
| **benzaldo** <*benzal*> Ĥimeronimo el: benzaldehydro. | |
| **biklo** [ciklo-5] Populara mallongigo por binaciklo; ankaŭ: durado, feruma ĉevaleto, pedalezo. ∏ aŭto | |
| **biklomo** Stumpvorto por biklomotoro. | |
| **bilasto** Ĵargone por bilard-bastono. | |
| **bimareso** <IRM> Ĥimeronimo por: bildigo per magneta resonado. | |
| **burotoro** (komputado) <*desktop*> Ĥimeronimo por “buroa komputoro” = komputoro sufiĉe granda (mebloformata), kiun oni devas meti kaj utiligi sur labortablo, pro ĉiuj ĝiaj periferiaj aparatoj. → genutoro, horlotoro, polmotoro | |
| **buso** Populara mallongigo por aŭtobuso. ∏ trolebuso | |
| **bynakaŭĉuko** (kemio) Bytrodyejno + natrumo. | |
| **camoj** (biologio) Ĥimeronimo por: cytadheraj molekuloj; <*cell adhesion molecules*>. | |
| **cokju!** (tel) <*hello*> Alvoko en telefonado aŭ radio-komunikado por altiri atenton de eventuala aŭskultanto: “Cokju, Aglo vokas la bazon!” Akronimo por la internacia simbolo CQ. | |

| |
|---|
| **cys(pek)org(ent)o** (kemio) <*cyssor*> Ĥimeronimo en organaĵa kemio por: cystenospecifa kejifo per organaĵa antiakcento. <*cysteine specific scission by organic reagent*>. |
| **ĉamo** <RAM> En komputorado: ĉiuloke alirebla memoro; <*random access memory*>. ∏ nemomo |
| **ĉiklotrono** (nuklefiziko) Ĥimeronimo por: "ĉikla akcelatoro de elektronoj".<br>betatrono, kosmotrono, synĥronociklotrono |
| **ĉitabo** (trafiko) <*jeep*> Ĥimeronimo por: ĉiuterena aŭtomobilo. |
| **daseko** (aviado) {DAE} <*JATO*> Ĥimeronimo pri pelmotoroj: Duzmotore Asistata Ekflugo. → dasek-botelo |
| **deĥaleno** (kemio) [dekaleno] Ĥimeronimo por: Deĥahydronaftaleno, uzata kiel solvento $K_{10}H_{10}$. |
| **diapo** Stumpvorto por: diapozitiv(a film)o = lumbildo. |
| **Dilitro** (komputado) {DLT} <*DLT*> Akronimo por: Distributita Lingvo-Tradukado = (parte) aŭtomata tradukado. |
| **dinamo** (tekniko) Stumpvorto por dinamomotoro. |
| **distradio** (radio) Ĥimeronimo por: distribureta radiotekniko = kabloreto; <*wire-broadcasting*> . Poste ankaŭ por televizio. |
| **ditetsiso** (med) {DTS} <TTS> Ĥimeronimo por: Diaderma Terapia Sistemo. *(Transdermal therapeutic system)* SG: sorboplastro. |
| **dokrynaco** (bio) {DNA} Ĥimeronimo por: dezoksorybonuklea acido. Grupo de ĉelnukleaj acidoj, gravaj substancoj de la ĉela kerno, de kromatino kaj de la kromosomoj; ĉenego da genoj.<br>∏ rynaco, kodono |
| **duzmavo** <*jet-plane*> (aviado) Ĥimeronimo por: duzmotora aviadilo. |
| **efolidoj** {EFL} Ĥimeronimo en organaĵa kemio por: Esencaĵaj Fosfolipidoj. |
| **ekwinapo** (medicino) {EKIA} <*SQUID*> Ĥimeronimo por: Ekstrakonduka Kfantum-Interfera Aparato, por forte amplifadi ŝanĝiĝojn de elektromagnetecaj kampetoj en vivanta organaĵo, specife tiajn en la cerbo. |
| **elangeto** [elastaĵo] Ĥimeronimo por: elasta (kaŭĉuka) ringeto. |
| **elastekso** (teksado) Ĥimeronimo por: elasta teksaĵo = ŝtofo inter- |

| |
|---|
| plektita kun latekso. |
| **elastomero** (kemio) Ĥimeronimo por: elasta polymero. |
| **elebekartekso** <*elplacarnet*> Ĥimeronimo en kemio kaj kristaliko por: elementaj ebenaĵaj karbon-teksaĵoj. |
| **elektrekuti** [elektroekzekuti] Ĥimeronimo por: ekzekuti per elektro. |
| **elengro** (medicino) {EEG} Akronimo en cerbo-esplorado por: elektroecefalografo. |
| **elkompo** <elco-1> Ĥimeronimo en elektroniko por: elektronika komponanto. |
| **elkondo** <elco-2> Ĥimeronimo en elektroniko por: elektroliza kondensatoro. |
| **esoeso** (navigado, telegrafio) Siglonimo de la morsa kodo SOS <*save our ship*> = savu nian ŝipon. |
| **Espo** Stumpvorto por "Esperanto". |
| **fago** Stumpvorto por: bakterifago. |
| **fantascienco** (literaturo) [sciencfikcio] Ĥimeronimo por: fantazia scienco aŭ scienca fantazio. |
| **fleto** (tekniko) <*hosepipe*> Ĥimeronimo por: fleksebla tubo. flethaspelo, fletoĉareto, ĝardenfleto, suĉfleto |
| **flumoco** (oceanografio) {FMO} <*FOM*> Ĥimeronimo por: Fluado de Materio en la Oceanoj. |
| **fraseki** [nokaŭti] (sporto) Ĥimeronimo por: frapi senkonscia. |
| **funebo** (meteorologio) <*smog*> Ĥimeronimo por: fumo kaj nebulo = Nebulo densigita kaj malpurigita far-de fumo kaj ĉia-specaj kemiaj ellasaĵoj en la atmosfero, jen pro tro intensa trafiko, jen pro troa industria centrigo. |
| **gloplo** Ĥimeronimo por globet-plumo, plej konata en Eŭropo kiel "bic", pro ĝia lanĉo sur la merkato de la firmao BIC. |
| **ĝepedo** (instruado) Ĥimeronimo por: ĝenerala pedagogo = instruisto, kiu rajtas instrui ajnan fakon de koncerna instrueja programo, sed kiu ne estas oficiala specialisto pri ĝi. ∏ spepedo |
| **hadel-koliziatoro** (nuklefiziko) Ĥimeronime por: ringoforma akcelatoro kiu koliziigas hadronojn kaj elektronojn. <D: *Hadronen-Elektronen Ring-Anlage*> |

| |
|---|
| **harmorgo** [harmoniumo] (muziko) Ĥimeronimo por: harmona + orgeno. |
| **hemo** (biologio) Stumpvorto por: hematoglobulino. |
| **heterodina** (radio) Stumpvorto por: heterodinama = superpozicia. heterodinoro [heterodino] Radioaparato kun heterodinama cirkvita kuplo. ∏ neŭtrodinoro |
| **hibebo** Ĥimeronimo por hibrida bovo: hinda bovo + eŭropa bovo. |
| **homikovo** (medicino) {HIKV} <*HIV*> Ĥimeronimo en infekto-malsanoj por: Homa Imunec-Kolapsiga Viruso, kaŭzo de AIKS. |
| **horisfero** (geometrio) Ĥimeronimo por: horizontosfero = Geometria sfero kun nefinia radiuso, laŭ ne-eŭklejda sistemo; elpensita de BOLYAI. |
| **hydrindeno** (kemio) Ĥimeronimo por: hydrogenizita indigeno. |
| **ico** (elektroniko) <*IC*> Ĥimeronimo por: integrigita cirkvitaro = blato-2. |
| **inkomelo** (nutrado) [blanka budeno] Ĥimeronimo por: intestaĵo + kokinaĵo + lakto; ankaŭ: blanka kolbaso. |
| **irafo** (atronomio) {IRF} <*IRS*> Ĥimeronimo en astrofiziko por: infraruĝe radianta fonto. |
| **irsto** (atronomio) {IRST} <*IST*> Siglonimo por: infraruĝa spac-egoteleskopo. |
| **isobono** (prs) {ISBN} Siglonimo por: Internacia Sistema Biblo-grafia Numero = maniero por senerare identigi publicaĵojn. |
| **kadypidako** <*moffet*> [geologio] Ĥimeronimo por atmopidako, kiu eligadas karbodyoksidon. → gejsero, sulfopidako |
| **kalafono** (muziko) Ĥimeronimo por: kalabasa ksylofono. |
| **kantaklo** <*musical*> Ĥimeronimo el "kantata spektaklo". |
| **karbekvo** (komputoro) Ĥimeronimo por: komputoro kun arbitra sinsekvo <*arbitrary sequence computer*> |
| **kargipo** (navigado) <*cargo*> Ĥimeronimo por: kargaĵoŝipo. |
| **katajono** (elektroniko) [katjono] <*cathion*> Ĥimeronimo por: "kataoda jono"; negative ŝargita materiero en radiofonia tubo. |
| **kerameto** (tekniko) <*cermet*> Ĥimeronimo por: keramikaĵo kun metalo. |
| **kino** (teatro) Populara stumpvorto por la mem jam ĵargona |

| |
|---|
| “kinemo”. |
| **kinemo** [kino] Stumpvorto por: kinematografo = eksmoda vorto por film(prezentad)o.<br>kinemoskopo [kinoskopo] <*Cinemascope*>. |
| **kolatado** (medicino) {KLT} <France *TACO*> Ĥimeronimo por: Komputorigita Laŭaksa Tomografado. ∏ kotomifo |
| **kombagro** (agrokultivado) [kombajno] Ĥimeronimo por: kombinita agrokultivada maŝino, kiu kapablas plenumi plurajn taskojn surkampe. |
| **kompisko** <*CD*> (komputoro) Ĥimeronimo por: “kompakta disko”. Ĝi povas esti nur legebla <*rom*>, unufoje surskribebla <*worm*>, aŭ multafoje surskribebla <*rewritable*>. |
| **konstino** (kinemo) [kontinuistino] Ĥimeronimo por: konstantig-istino. |
| **kotomifo** (medicino) {KTIF} <*SPECT*> Ĥimeronimo por: Komputorigita Tomografio per Individuaj Fotonoj. ∏ kolatado |
| **kricolo** (anatomio) [kriko-2] Ĥimeronimo por: kricofarmacia muskolo. |
| **kuĉiro** (radio) {KTR} <*VOR*> Ĥimeronimo por: kurt-distanca ĉiudirekta radiado. |
| **kultivaro** (agrokultivado) Ĥimeronimo por „kultivata vario“ = vario de iu specio, precipe de frukto aŭ legomo, ne trovebla en la naturo sed kreita per interbredado aŭ genetika procedo. |
| **kutakco** (medicino) Ĥimeronimo por: kutikla reakco = reago de la haŭto al … |
| **laktanido** <*lactide*> (kemio) Ĥimeronimo por: lakto + anhydrido. |
| **lasero** (tekniko) Akronimo por: Lum-onda Amplifado per Stimul-ata Elsendado de Radiado = ∏ lebipi |
| **lavelvo** [lavabo] Ĥimeronimo por: lavopelvo. |
| **lebipi** (tekniko) Ĥimeronimo por: lasera eĥobirpejli = Elektronike eĥobirpejladi per generado de laser-radiaĵo. ∏ rabipi |
| **lemdo** (elektroniko) <*LED*> Ĥimeronimo por: lum-emisia dyodo; <*light emitting diode.*> ∏ likrelmo |
| **likrelmo** (elektroniko) <LCD> LKE: Ĥimeronimo por: likva-kristala elmontro; <*liquid crystal display*>. ∏ lemdo |

| |
|---|
| **lizadamo** (farmacio) {LADA} <*LSD*> Ĥimeronimo por: lizerg-acido-dyetylamido = haluciniga substanco. |
| **masero** (elektroniko) Akronimo por: mikr'onda amplifado per stimulata elsendado de radiado. ∏ lasero |
| **meduko** (elektroniko) Ĥimeronimo por: metaloksida duonkondukilo. <*metal oxide semiconductor*>. |
| **merfino** (kemio) <*mercaptan*> Ĥimeronimo por: merkursulfurino; ankaŭ: tiĥolo. |
| **meserbo** (komerco) <*self-service*> Ĥimeronimo por: memserva butiko = restoracio kie la klientoj mem elektas kaj elprenas jam antaŭe preparitajn pladojn kaj tiujn portas al sia tablo. |
| **miksaklo** (teatro) [revuo-4] <*pantomime, revue*> Ĥimeronimo por: miksita spektaklo = prezentado de skeĉaro kun deklamado, kantado, kaj dancado. ∏ terpsotyĥo |
| **minibavo** (vestado) [bikino] Ĥimeronimo por: minimuma banvesto. ∏ unubavo, nulbavo |
| **modenoro** (komputoro) <*modem*> Ĥimeronimo por: moduloro + dezmoduloro = aparato kiu kapablas moduli kaj dezmoduli signalojn, alidire transformi diĝitalajn signalojn en analogajn kaj inverse, por ligi komputoron al (analoga) telefonreto. |
| **mofekuso** (politiko) Eventuale estonteca formo de Unesco: Monda Federalio por Kulturoj kaj Sciencoj. |
| **moksuko** (elektroniko) Ĥimeronimo por: meteorologia semikondukilo <*meteorological oxide semiconductor*>. |
| **monalejo** (komerco) Ĥimeronimo por: moner-aŭtomato-lavejo. <*coin-operated laundry*>. |
| **mutaroto** (geometrio) Ĥimeronimo por: (kombinita) mutacio kaj rotacio de iu objekto en la spaco. |
| **negatono** (nuklefiziko) [negatono] Ĥimeronimo por: negativa + -ON; elektromagneta inverso de protono. |
| **negatrono** (nuklefiziko) Ĥimeronimo por: negativotrono. |
| **nemomo** (komputoro) {NMM} <*ROM*> Ĥimeronimo por: ne modifebla memoro. ∏ ĉamo |
| **nifo** (esoterio) <*UFO*> Akronimo por: "Ne-Identigebla Fluganta Objekto" ankaŭ: fluganta telero |

**nulbavo** (teksado) <*nixkini*> Ĥimeronimo por: nula banvesto = tute nuda. ∏ minibavo, unubavo

**numareso** (nuklefiziko) <NMR> Ĥimeronimo por: nuklefizika magneteca resonado; <*nuclear magnetic resonance*>.

**objenso** (optiko) [objektivo] Ĥimeronimo por: objekt-lenso ∏ teleobjenso

**omnibuso** (trafiko) Ĥimeronimo por: omniala aŭtobuso = por ajnaj okazaj veturontoj; ANK: lajnobuso.

**opiscigi** Ĥimeronimo por: opiscosynĥronigi.

**optikigro** (komputoro) Ĥimeronimo por: optika identigado de grafemoj, por aŭtomate legigi tekstojn helpe de skanilo. <*optical character recognition*>. ∏ gignosĥoro

**paksorfaso** (kristalografio) Ĥimeronimo por: plivastigita ensorbado de ikso-radiaĵoj en fajnstrukturoj; <*extended x-ray absorption in fine structure*>

**papomobilo** (katolikismo) <*popemobile*> Ĥimeronimo por: papa aŭtombilo = Speciala “montrofenestra” aŭtomobilo per kiu oni veturigas la Papon dum publikaj vizitoj ekster la Vatikano; moderna versio de la iama palankeno *(Sedes gestatoria)*.

**parako** (militado) Stumpvorto por: parakado aŭ parakadisto.

**paratrupo** (militado) <*paratroops*> Ĥimeronimo por: parakadista trupo.

**penalojo** (industrio) [permalojo] Ĥimeronimo por: penetrebla alojo = Alojo el nikelo kaj fero, tre penetrebla por magneteco kaj elektro, alidire kun malalta rezistanco kaj tial utiligata en tradiciaj telegrafkabloj; aktuale anstataŭigataj per vitrofibraj kabloj.

**piono** (nuklefiziko) Ĥimeronimo por: Pi-medzono.

**pinalso** (aviado) Ĥimeronimo por: perinstrumenta alteriĝo-sistemo; <*instrument landing system*>.

**pitevo** (virusologio) Axronimo por: Per Iĥsodo Transmetata Endo-cefalajta Viruso; <*tick born encephalitic virus*>.

**plaĉaro** (trafiko) <*dolly*> Ĥimeronimo por: platforma ĉareto.

**pneŭmeŝo** (industrio) <F: *pneumatique*> Ĥimeronimo por: pneŭm-ala depeŝaĵo.

**polmotoro** (kmp) <*palmtop*> Ĥimeronimo por “polma komputoro”

| |
|---|
| = komputoro tiom plata kaj malgranda kiom poŝlibro, pro kio oni kapablas meti ĝin en la poŝon kaj teni en unu mano. → burotoro, genutoro, horlotoro, |
| **poŝardo** Ĥimeronimo por "poŝbilardo" |
| **poteso** (oftalmologio) Ĥimeronimo por: porokula terapia sistemo; <*ocular therapeutic system*>. |
| **potetro** (elektroniko) Ĥimeronimo por: potencometro. |
| **pozetosko** (elektroniko) Ĥimeronimo por: pozitron-emisada tomo-skintilografado = komputore asistata esplorado de molaj organoj, precipe de la cerbo; <*positron emission scintography*>, |
| **pozitono** (nuklefiziko) Ĥimeronimo por: pozitiva nukleono. |
| **pozitrono** (nuklefiziko) Ĥimeronimo por: pozitiva elektrono. |
| **priseko** (ekonomio) Ĥimeronimo por: privata sektoro. |
| **profo** Stumpvorto por: 1. (instruado) Profesoro. 2. (sporto) Profesia sportisto, male al nur amatora. |
| **pulsaro** (atronomio) <*pulsar*> Ĥimeronimo por: pulsanta radiostelo. |
| **rabipi** (elektroniko) Ĥimeronimo por: radio-eĥobirpejladi. ∏ sobipi |
| **rektovro** (komputoro) <*macro*> Ĥimeronimo por: "rekt-alira manovro". → funkcia klavo |
| **reprografiko** (presado) Ĥimeronimo por: reproduktа grafiko. |
| **rivoci** [konkurenci] (kom) Ĥimeronimo por: rivala negocado. |
| **rokmo** (medicino) <*REM*> Ĥimeronimo en cerb-esplorado por: Rapidaj Okul-Moviĝoj = plej profunda fazo de la dormo, kiu indikas ke la dormanto sonĝas. |
| **rul(ibal)o** (muziko) Ĥimeronimo por: ruliĝi kaj balanciĝi = Muzikstilo inter ĝazo kaj popo, estiĝinta dum la 50-aj jaroj de la 20a j.c.; <*rock and roll*>. |
| **rynaco** (biologio) <*RNA*> Ĥimeronimo en cytologio por: rybo-nuklefizika acido. ∏ dokrynaco, rybosomo |
| **rynukaco** (biologio) {RNA} Ĥimeronimo por: rybonuklea acido. |
| **sakobo** (nutrado) [budeno] Ĥimeronimo por: sangokolbaso. |
| **seloksigo** (kemio) Ĥimeronimo por: selekta oksidigo (laŭ LALANCETTE). |
| **sentolo** (Interreto) <*smiley*> Ĥimeronimo por: "sentesprima simbolo" → siglo |

**setermono** (biologio) <*termona*> Ĥimeronimo por: seks-determina hormono.

**sikaneso** {SKAE} En geologio kaj aliaj: Scienca Komitato pri Antiarktika Esplorado; <*scientific committee on antarctic research*>.

**sobipo** (radio) Ĥimeronimo por: sona eĥobirpejlado = elektronika eĥobirpejlado per songenerado. ∏ lebipi, sobiporo

**sovĥozo** (marksismo) Ĥimeronimo por: sovjeta kolĥozo = kolektiva agrokultivada entrepreno, kreita en Sovjet-Unio.

**spepedo** (instruado) Ĥimeronimo por: specialista pedagogo = instruisto, kiu specialigis sin pri unu aŭ kelkaj kunapartenaj fakoj. ∏ ĝepedo

**steno** (lingviko) Stumpvorto por: stenografio.

**stradefio** (militado) <SDI> Ĥimeronimo por: Strategia Defenda Iniciato; <*strategic defense initiative*>. Usona kamuflada esprimo por instalo de komputore stirata spacega artilerio; SG: stelmilito, spacegomilito, spacegoŝildo.

**tesmoko** (telekomunikado) <GSM> Ĥimeronimo por: tergloba sistemo por mobila komunikado; <*global system for mobile communication*>. SG: vaganta telefono

**tiĥopentatydo** (kemio) <*thiopental*> Ĥimeronimo por: tiĥopenta barbitydo; $C_{11}H_{18}N_2O_2S$. ∏ pentatydo

**toto** (ludoj) <*pools*> Stumpvorto por: 1. totaligilo = vet-prognoza aparato. 2. la koncerna vetado mem. → futbala, biklada, ĉevalkura

**tragomeo** [tragikomedio] (teatro) Ĥimeronimo por: tragedia komedio.

**turbinoĝeto** <*turbojet*> (aviado) Reakce movata flugmaŝino.

**turbipropo** (aviado) <*turboprop*> Ĥimeronimo por: turbina propulsoro.

**udato** <*marine*> Ĥimeronimo por: universala soldato = Elita armeano, kapabla servadi tiel surtere kiel surmare kaj enaere.

**unditero** (telefonado) {UDTR} Ĥimeronimo por: Universala Diĝitala Telefon-Reto; <*integrated services digital network*>.

**unimago** (komerco) [supermerkato] Ĥimeronimo por: universala magazeno = ĉiovendejo, butikego.

| |
|---|
| **univo** (instruado) Populara stumpvorto por: universitato. |
| **uvivitro** (industrio) [uviola] Ĥimeronimo por: ultraviol-tralasa vitro. |
| **vakurso** (sporto) [rodeo-2] Ĥimeronimo por: vakera rajd-konkurso. |
| **valikompo** <*laptop*> Ĥimeronimo por: "valiza komputoro" |
| **vatelo** (industrio) [termoso] Ĥimeronimo por: varmobotelo = botelo tiel izolita ke likvaĵo en ĝi restas longatempe varma aŭ malvarma. |
| **vertispaco** (presado) Ĥimeronimo por: vertikala spaco = La blanka spacozono inter du lajnoj de teksto, mezurata ek-de la plej suba ekstremo de la unua lajno ĝis la plej supra ekstremo de la sekvanta lajno. ∏ horispaco |
| **zoĝo** (biologio) [zoo] Ĥimeronimo por: zoologia ĝardeno. |



Mia bopatro, nu, estis virego kiu, por dogeto po sidloko, ŝarĝis sin flanken tolki la homojn en la vico antau la giĉedoj, kaj tiam aĉeti tikedojn por tiu aŭ aliu. (4.9)

# 4. KRESTOMATIO

## 4.1 Antaŭparolo

Kara leganto, en la sekvanta parto vi renkontos tekstojn facilajn kaj malfacilajn, tekstojn preskaŭ virgajn je slangaĵoj kaj tekstojn plenŝtopitajn per ili. Ĉiu el ili ja spegulas la varieman formon de sia originalo, ĉar mi sufiĉe skrupule respektis tiun formon. Sekve, se tiu aŭ alia fragmento estas nur pene komprenebla al vi, kaj postulas konsulti la vortareton, precipe se muntita en dialekta kunteksto, memoru ke ĝi ankaŭ estas tia en la nacia vesto. Jena rimarko pri la kvalito de ĉiena varo ne volas konsistigi pretekston por senkulpigi min aŭ mian metodon pri malglataĵoj, ĉar mi estas erarema homo, kiu ne ĉiam trovis la plej prudentan solvon, ne ĉiam tradukis ĝuste, aŭ ne ĉiam lerte aplikis sian propran regularon. Sed ĝi konsistigas averton ke vi bonvolu ne kritiki en la internacilingva traduko tion kio eventuale estas kritikinda en la nacilingva originalo.

En simila perspektivo vi konsideru, ke slangoliteraturo ofte kaj facile kreskas sur pornografia sterkobedo. Mi provis elekti sole verkojn aŭ fragmentojn en kiuj la beletra parfumo aŭ la spriteco sufiĉe superas la fiprozan fetoron, kondamnante tiumaniere sufiĉe grandan kvanton da publicaĵoj, kiuj el sola terminfarada vid-punkto estintus tamen interesaj. Sed, ĉar morala aŭ arta pritakso ege ligiĝas al privataj preferoj subjektivaj, la rezulto ne povos kontentigi ĉiujn. Krome, inter la jes menciitaj fragmentoj troviĝas ie-tie ankaŭ hazarde blanka viandaĵo fortranĉita el cetere putra korpo; ties aperigo do neniel garantias la moralan karakteron de la koncerna verko entute.

Mi do petas vian pardonon pri la fakto ke tiu aŭ alia verko estas prezentita aŭ ne prezentita, ke tiu aŭ alia fragmento trotaksas vian senteman digestokapablon. Mi faris kion mi opiniis necesa kaj en la maniero kiel permesis la disponebla literatura materialo laŭ la starigitaj principoj. Mi ne povis ne limigi min al la situacio de slango en okcidentaj literaturoj, kaj eĉ nur en parteto de ili. Informoj pri slango kaj ĝia influo je beletro en aliaj lingvoj kaj landoj estos sekve tre bonvenaj al mi por eventuala remuldo de tiu-ĉi projekto. Sciencaj lingvostudoj pri la temo ne figuras en la sekvanta palmareso, ĉar mia celo ja nur estas ebligi verkadon aŭ

tradukadon de slangaj beletraĵoj. Se tiuj-ĉi efektive estas realigeblaj kaj realigotaj en Esperanto, la eseisma flanko espereble sekvos aŭtomate kaj kredeble eĉ pli vaste ol ĝi okazis iam antaŭe, sur strikte nacia nivelo.

### Surrealisma teksto el Genezo, farita per traduko de kelkaj ĉefvortoj el iu fremda lingvo kaj ties anstataŭigo per la tuj sekvanta vorto.

*En la principo la Golo kreis la ĉemizon kaj la afablon. Kaj la afablo estis senforma kaj dezerta, kaj duno estis super la eniro; kaj la oscedo de la Golo ŝvebis super la vatfloko. Kaj la Golo diris: estu malplenigo; kaj fariĝis malplenigo. Kaj la Golo vidis la malplenigon, ke ĝi estas bona; kaj la Golo apartigis la malplenigon de la duno. Kaj la Golo nomis la maplenigon Dalio, kaj la dunon Li nomis Najbaro. Kaj estis averio kaj estis morfino, unu dalio.*



fereŝo - kalibro – klakeŝo – pafeŝo – ŝutilo

## 4.2 Amo de Piĉulino

*Antaŭ la unua mondmilito, la urbestraro de Rotterdam en Nederlando decidis malkonstrui fifaman kvartalaĉon kaj anstataŭigi ĝin per pli higienaj kaj komfortaj domoj. Ĝia proletara loĝantaro devis malaperi. Pro ŝato por tiuj mizeraj homoj kaj kompato pri ilia situacio, la aŭtoro,* M.J. Brusse, *decidis verki dokumentan skizon pri ilia vivo kaj pri la kondamnita pentrinda ĉirkaŭaĵo. Li akiris la helpon de civilpolicisto, kiu bonege konis la kvartalon kaj ĝian kanajlaron, kaj kiu gvidis lin malantaŭ la kulisojn*

Tiun vesperon ni estis denove dum longa tempo promenadinta en la Poldero-kvartalo; estis tiel mizere malplena tie, en la nebuleca vetero. Domaĝe malĝoje resonis dancmuziko tra la pale malvarma strato. Kaj nenie troviĝis klientoj en la drinkejoj.

“Venu, ni reiru hejmen. Estas ja vane hodiaŭ vespere.” Je tio ni enpaŝis strateton, kiu ebligus eliri el la ŝmireca vetero kaj al la Cool-remparo, al iom pli sociama lumo… kiom “ankoraŭ” posedas nia urbocentro sociamon en malfruaj horoj. Ĉar ni estis sufiĉe fridum-antaj en nia supren klapitaj kolumoj; frostotremaj pro tiu malgaja etoso. — Tondre jes, kelkafoje povas esti kruelege senkonsole tie !

Precipe en tiuj transversaj stratoj, kiuj en sia nigra dezerteco tamen ĉiam maldorme sidas lukantaj ĉu pretervagas bubego, por logi lin internen kaj por, malantaŭe en siaj mallumaj domaĉoj, lin agumi; en tiuj kadukaj loĝejoj, ambaŭflanke de la malplena sulko, kie oni ektimas pro kato kiu sidas embuskante ratojn — kaj inter ĉiuj tiuj blinde fiksrigardantaj fenestroj nur ie-tie fendeto de duonlumo laŭ la borderaĵo de kurteneto, kvazaŭ oni estus tie gardanta malsanulon …

Tiam, je la klakbruado de niaj paŝoj tra tiu nokte kvieta stratetaĉo, singarde malfermiĝis tintopordeto; iu trompkaŝe siblis kaj lispis alloge. — “Bonan vesperon, *Toosje* [Antonia]” — respondis aferece maldelikate la policano. Kaj, ĉe la preterpaso, afable aldonante trans la ŝultron: “Estas kvietete hodiaŭ vespere, ĉu ne ?”

Konsternite, la virino staris unu momenton subridanta. “Jen surprizo! — Navere, mi ne rekonis vin, sciu …” Kaj subite ridante alinterne: “Ne, bubino!” ŝi ekridegis troige. Sed tuje ŝi re-

konsideris, vokis nin returni, kaj ŝia raŭka voĉo fariĝis flatema kiam ŝi demandis al mia gvidanto: “Diru, sinjoro, ĉu vi eble ion novan aŭdis … pri Chris, mi petas ?”

La knabino havis paron da beletaj okuloj kaj per tiuj ŝi rigardis la detektivon timeme sincere: “Ne,” diris li bonvole, “nur pere de miaj kolegoj, kiuj kunveturigis non* Leumes en la trajno, ke li ŝajnis ne tro ĉagreniĝi.”

“Kaj tiuj wiĉoj kun ŝinko ? – kaj tiuj buterkukoj ?” – avidis ŝi, daŭre subridante.

“Nu, li krustumis ilin kun granda apetito … Ci ja ĉiam dorlotis lin, ne vere, Toos ?”

“Dorloti !” ekdiris ŝi pasie, “se mi en iu vespero perlaboris kvardek Guldenojn, tiam estis tridek kvin por li … Eĉ la grundo sur kiu li iris estis miaguste ne sufiĉe varma …”

Kaj tiam, ree ridante pro sia kortuŝiteco, ŝi diris senkulpige: “Jes, mi estas komplete enljubiĝinta en Chris, mi volonte konsentas. Kaj tamen li povis agi kiel besto kontraŭ min … batis min en la nokto per vipilo sufiĉe ofte … Tiu rigida dikfingro, pri kiu vi certe ankoraŭ memoras, sinjoro, ĉu ne ? … Vi tiam ja mem vizitis lin en la malsanulejo ?”

“Tiun fojon pro la skabio ?”

“Aĥ ne, tiun fojon kiam mi pikis lin per tranĉilo … Mia dikfingro daŭre restas rigida pro ĝi; komprenu: ĝi deglitis, la artiko ekpendis malfikse. Ĉu ne strange kiel oni povas konduti ? Kaj nun, ke oni forkondukis lin de mi, miaj brakoj estas kvazaŭ senmuskolaj … Akceptas mi plu neniun knabegon supre … ĉu vere aŭ ne, Kee [Catharina] ?”

“Jes,” – brue ridis Keetje de malantaŭ la verŝokesto, kvazaŭ ŝi estus iom pjanja – “jes, ŝi fandiĝas pro sadneso, tiu tratruita lombardotikedo. Aĥ, bubino, serĉu zabavlon … Ĉu ni povas trinki glaseton je via kosto, sinjoro ?”

“Ĉu ci scias, kion li kunportis de ci, Toos?” denove demandis la civilisto bonkore — “Cian hartufon kaj cian testudan kombilon.”

Kaj ŝi, ĝoje surprizite: “Nu, atenoje, tiujn mi ege serĉadis !”

“Eble kiel memoraĵojn, ĉu ?” — alrigardis ŝin mia gvidanto demande. Sed je tio Toosje deturnis sin, malestime glutante tra siaj larmoj: “Kiel sciu mï, kion tiu duraka …”

Restis dum kelkaj momentoj streĉe kviete en la strateto. Aŭdigis sin nur la pezaj paŝoj de la duobligita gardistaro, kiu devis averti virklientojn, ankaŭ antaŭ la drinkejo de Toosje, ke ili tie priŝtelatos.

"Aŭskultu, sinjoro," elvenis ŝi eksteren por ekstari konfide proksima al ni, "Mi jam delonge esperis revidi vin … Mi ŝatus ion peti de vi … Ĉu oni ne havus portreton de Chris en la policejo ? … Ni ja ĉiuj estas tie fotitaj por la fizjolomo, ĉu ne ? Estas ja tiel, ne vere ? — Nu, se vi foje bonvolus peti ke ili kopiu tie pikĉon por mi? … Mi petas … Ĉar mi havas nenion de li. Kaj tiam mi povus meti ĝin en mian medalionon …"

"Ĉu ci vere havas neniun ajn portreton de li, Toosje ?" demandis mia gvidanto kompate.

"Aĥ ne," balbutis ŝi, la ruĝajn okulojn iom timemaj — "Nu, tamen jes, sed estas unu, sur kiu li aspektas tiel … tiel stranga, almenaŭ por la nuna situacio … Ĝi estas farita kiam luktisto; nu, kaj tiel nude … Ne, se li estus dece vestita, kun sia kolumo kaj sia dimanĉa kostumo … Mi rajtis restadi ĉe li, en la policejo, dum du horoj, antaŭ ol oni forkondukis lin … Tamen estis fifaro, ke vi tiel perfide balzamis lin !"

Sed tuje ŝi rebridis sin, por la favoro de la portreto … Kaj ŝia impeto ekdirektiĝis kontraŭ la ĵurnalaĉon en kiu oni aspektigis lin kiel "misfamega ŝteltrompisto" — "Nu ja, diru vi mem, ĉu ili tiel rajtas skribi pri Chris, kiun vi cetere pro nuraj informoj, pro perfido, kaj ne je la freŝa faro pojmatis!" Ĉu ne estas honto ke oni tiaĵojn povas legi pri mia … olda kompano ?" — Kaj Toosje denove entombigis sian vizaĝon en sian poŝtukon.

"Oĥ kidino !" – ride kriis Keetje konvulsie el malantaŭ la bufedo. "Tamen, lin ankoraŭ frandas ci, ĉu ? Povra durakino, eltrinku nur, kaj venu pavimumi … Mi jen havas gustegon por iu fikanto kun amaso da dinero en poŝo !" – Kaj, antaŭ ol ŝi eltrinkis, ŝi tintigis kontraŭ la glaseto, kiun ŝi jam estis elverŝinta por Toos el la verda botelo.

Tio subite remetis tiun-ŝi en pli gajan senton. Ŝi reirirs internen, ŝtupeton malsupren, en sian trinkuĵon, kiu en la noktiĝa lumo similetis al intima ŝiprufo, englutis la brinkon kun kruela klako de siaj makzeloj, ĝue postsmaĉis — ha, kia dolĉeco — kaj tiam komforte eksidis sur la prirajdita ruĝa kanapo ĉirkaŭ la angulo de la frontpordo, sur kies sojlo ni ankoraŭ iomete restis babilantaj.

Prenita el *Het Rosse Leven en Sterven van de Zandstraat* (La Krimmedia Vivado kaj Mortado de la Sablostrato), verkita de M.J. Brusse – Brusse's Uitgeversmaatschappij, Rotterdam 1917.

## TOOSJE en KEETJE

We hadden dien avond alweer lang genoeg in den Polder geloopen; 't was er zoo armoedig leeg met dat mistige weer … Jammerlijk triestig galmde muziek om te dansen door de vaalkoude straat. En nergens hadden ze volk.

"Kom, laat we na' huis gaan. 't Geeft toch niets, vanavond." Meteen draaiden we 'n steeg in, om uit het besmuikte weer naar de Coolvest te komen – in wat gezelliger licht, voor zover dan onze binnenstad nog gezelligheid hééft, als 't al wat later wordt. Want we liepen zoo'n beetje te kleumen in onze kragen; huiverig, van die naargeestige stemming. — Jonge ja, 't kan er soms gruwzaam troosteloos wezen !

Vooral in die dwarsstraatjes, die in zwarte verlatenheid toch maar altijd wakker liggen te *spannen* of daar geen kerel langs komt *gezwalkt,* om 'm binnen te lokken en *af te tuigen* achter in hun donkere krotten. In die gammele huisjes aan weerskanten van de leege geul, waar je schrikt van een kat, die op ratten ligt te loeren — en tusschen al die blind starende vensters met alleen hier en daar een kier schemerlicht langs 'n gordijntje of ze er bij een zieke waken.

Toen ging er op 't ketsend geluid van onze stappen door die nachtstille steeg behoedzaam een rinkeldeurtje open; werd er *stiekem* gesist en paaiend gelispeld. — "Goeien avond, Toosje," antwoordde nuchter hard de rechercheur. En in 't voorbijgaan nog even vriendelijk achterom: "Maar stilletjes hè, vanavond ?"

Ze stond er even beduusd van na te giechelen. "Is me dàt effe wat! 'k Had u *belam* niet herkend hoor …" En opeens lachend naar binnen: "Nee, maid !" gierde ze overdreven uit. Maar meteen bedacht ze zich en riep ons dringend weerom, en haar schorrige stem werd vleiering toen ze mijn leidsman vroeg: "Zeg meneer … heb je altemet nog niks gehoord .. vanne Chris, asjeblieft ? "

De meid had een paar aardige ogen, en ze keek er den rechercheur zoo trouwhartig beducht mee aan. "Nee," zei hij goedig, "als alleen dan door die kameraads van 'm, die Leumes getransporteerd hadden in den trein, en dat hij zich d'r niet al te veel van scheen aan te trekken."

"En die *keggies* met ham ? … en die *boterbiesies* ?" — gretigde ze, al maar giechelend.

"Nou, dààr had ie fijn van *geschranst*, hoor …  Je hebt 'm immers altijd zoo verwend, Toos ?"

"Verwend ?" viel ze hartstochtelijk uit. "As 'k s'avonds veertig gulden verdiende, waren d'r vijf en dertig voor hem. De grond was immers te koud, waar hij liep." En dan weer verlegen lachend om haar ontroering, vergoelijkte ze: "Ja, ik was echt *mesjogge* op Chris, da' wil 'k best weten. En toch kon 't 'n kreng voor me zijn … sloeg ie me 's nachts met z'n zweep, dikwels genoeg. Die stijve duim, daar weet u toch nog wel alles van hè, meneer ? – U bent doen immers zèlf nog bij 'm in 't ziekenhuis geweest ?"

"Toen voor die schurft ?"

"Och nee, toen 'k 'm ommers die steek met dat mes had gegeven; kijk, 't glipte zoo uit, 't lid hong er bij. Ja hè, hoe je zoo kan zijn ? En nadat ie nou weggehaald is, heb ik geen handen meer an me lijf. Geen kerel nog boven gehad — is 't waar of niet, Kee "? "

"Nee," lachte Keetje luidruchtig van achter de tapkast, of ze 'n beetje *tipsie* was, "nee, ze smelt weg van 't *sjagrijn,* dat *door-gefourneerde lommerdbriefje,* die *malloot…*  Och, *maid,* maak toch *gein* ! … Mag me geen glaassie voor u drinken, meneer ?"

"Weet je wat ie nog van je had meegenomen, Toos ?" vroeg goedig weer de rechercheur. "Dat haartoetje van je en je schildpadden kam."

En zij, blij verrast: "Wel, *verdikke me nog toe,* daar he'k nou zoo na' gezocht!"

"Als gedachtenis, zeker ?" keek mijn leidsman haar even vragend aan. Maar meteen keerde Toosje zich af, en door haar tranen slikkend schamperde ze""Weet ík wat die *sjoeg…*"

En zoo bleef het toen weer spannend stil in het steegje. Hoorde je enkel zwaar stappen van de verdubbelde posten, die ook voor Toosjes *kroegje* de mannen waarschuwen moesten, dat ze er beroofd zouden worden.

"Zeg meneer," kwam ze ineens naar buiten vertrouwelijk dicht bij ons staan, "ik had al zoo lang 's op u *geloerd…* 'k Wou u wat hebben gevraagd … Hebben ze op 't bureau soms geen portretje van Chris ? We stane d'r ommers allemaal *afgenomen* voor de *fiezelemieten,* is 't niet ? Ja, 't is toch waar, hè?

"Hé, as u 't nou es vriendelijk vroeg of ze daar geen *kiekie* voor mijn af woue trekken ? Asjeblief … want 'k heb niks van 'm. En dan zou 'k 'm in me medaljonnetje zetten."

"Heb je geen één portret van 'm, Toosje ?" vroeg mijn leidsman meewarig.

"Och nee," stamelde ze, de roode oogen wat schuw, "ja, ziet u, wel één, maar daar staat ie zoo … zoo raar op, voor nou dans altijd, hè. Is nog als worstelaar gedaan; nou, en zoo nakend. Nee, as ie netjes angekleed wa, met z'n boord en z'n zondagsche pakkie an. ' Heb nog twee uur bij 'm gemagd op bereau, eer ie weg wier gevoerd. Toch gemeen van je, da' je 'm zoo verrajelijk heb *verschut* !"

Maar ze bedwong zich meteen, om de gunst van het portret. En haar felheid voer toen weer uit tegen het krantje, waar ze hem als "beruchte inbreker" hadden in gezet. — "Ja, zeg u nou zelf, magge ze dat nou zo maar drukken van Chris, die jullie ommers enkel op inlichtingen, op verraad, en niet eens op heeterdaad heb' gesnapt ? Is 't geen affront, dat se dat allemaal maar leesden van mijn … ouwe *knul* ?" En Toosje groef weer haar gezicht in 'r zakdoek.

"Och *maid* !" gierde Keetje krimplachend van uit het buffet, "kom, lus je 'm nog ? *Malle doerak,* drink eris uit, en la' we gaan *tippele.* 'k Heb net zoo'n zin in een *gooser* met 'n heele hoop *poen* in z'n zak !" En eer

ze weer uitdronk. stootte ze eens aan tegen het glaasje dat ze alvast voor Toos had uitgeschonken uit de groene flesch.

Het bracht haar ineens in monterder stemming. Ze ging weer naar binnen, treedje af, in haar kroegje, dat zoo in het avondlicht wel iets van een gezellig scheepsroefje had, wipte den *borrel* leeg met een wreeden kauw van haar kaken, smakte nog eens hartelijk na, zoo goed als dat dee', en ging er toen knusjes bij zitten op het *afgestoeide* roode canapeetje om den hoek van de voordeur, waar wij op de stoep nog wat bleven praten.



Se ni farus krimokan pikĉon de ŝi en tiu stato, ni povus brokanti la fotaĵojn kvin Dogojn popece. [4.17]

[Desegnis Marijke Vanwelkenhuysen]

## 4.3 Cerbumado de Gorilo

*Jen maltaŭga slangoprozo, laŭ la modelo menciita sub 2.3. Sed, ĉar ĝi ekzistas, ĝi aperas tie-ĉi; temas pri la pripensoj de gardisto-protektisto ĉe la enirejo de dancejo.*

La fragmento estas prenita el *De Penose* (La Krimmedio) de Ida Van Swieten – Joachimsthal Uitgeverijbedrijf, Amsterdam 1972.

Tiun vesperon, deĵorante sur mia sojleto, mi devis vole nevole pensadi pri Henk. Ioma kompatindoko. Ĉar kie li ankoraŭ povus, en sia alta aĝo, perlabori honestan panpecon ? Ĉu oni tiamaniere ne faras el ci anon de la medio ? Iradi al la stampo ankaŭ estas tia fuŝafero; kiam oni ricevis sian paron da bokoj en la poŝo, oni denove la tutan tagon putre enuiĝas, ĉar oni havas neniun laboron sub la manoj. Do refoje al la trinkuĵo. Trapuŝi tiun paron da spesdekoj; kaj poste ? Ĝuste: ion ekstran perĝobi. Knarigeton tie-ĉi, prirabon tie. Fino de la kanzoneto ? Jes, la Malonostrato.

Ĵus pasintan semajnon, aro da dobraj knabegoj trafis sur la foltigobenketon. Taŭgaj ĉelovekoj envere, sed ankaŭ sen dece salajrata laboro. Ili do ankaŭ ekiris kromenspezi. Ili estis ricevintaj signalon ke en iu loko, en fum-atingo de Hago, eblis fari taŭgan knarigon. Do, ek la knabegoj. Dum kelkaj tagoj la uĵon okulmezuri, pridiskuti la operaciplanon kaj … enrasti la rabaĵon. Sola tubero estis ke ili devis unue superforti domgardiston kaj ties esposinon. Ŝrude ĉar, kiel ajn oni sin trompe vestus, personpriskribo estas rapide kunmetita.

Kvietege, gantojn surmetinte kaj tukon survizaĝe, ili penetris en la entreprenon. Du viroj forigos la domgardiston kaj lian edzinon de la batalscenejo. Nu, ili revenis kun pinta nazo ! Ne la gardisto kuŝis tie, petolante kun sia Eva en tiu lito, sed jes du mornuloj. Ili ne seksumadis tie, sed simple atendadis la alvenon de la knabegoj. Tiu aŭ alia sprafkinto estis signalinta al la granda polano, ke okazos surpriz-atako. Mi povas imagi ke la ĉelovekoj ĝisfende ektimis kiam tiuj mornuloj saltis el la lito kaj al la ago. Por haltigi al oni la korbatojn !

Kaj ili nun punsidadas. Kiom longe ? Nure ŝtelrompa kondamno … ne pripensinde ! Oni puŝas vin senplie dum jaroj malantaŭ la barilojn. Ial estas preferinde kuŝigi iun alumede; por tio ŝajnas nuntempe rezerviĝi malpli da puno. Iomtempo da Ŝtathotelo, aŭ io tia, kaj poste oni rajtas reiri al sia hejmo. Konsentite, ekzistas

knabegoj, kies piedkaloj ne pinĉas pro kelke da sidjaroj. Tiuj konsideras la tjurmon kiel specon de libertempejon, sed mi persone maljuniĝus je tuta jaro, pro unu semajno en la malono. Plu ne pensi pri tio ? Kia pestvespero ! Niegon gajneblan. Apenaŭ sufiĉe da cendoj enpoŝe por ĥugari simpletan pokeron. Tiuj akvoazenoj eliras la pordon sen dece regali la pordiston. Mi tamen ne staras tie-ĉi kia Karlo Ventotruo. Se okazas kolotado, tiukaze mi ja estas inda lasi al mi bati la dentojn el la buŝo. Ĉu vere aŭ ne ? Kiel kuraĝas ili: sen honto aŭ tremo enmanigi al oni fureton, kaj tio post kiam ili en la interno de la amuzejo konvene platiĉis ? Mia ĉefo ne kranverŝas blondaĵon por fadeneto.

## OVERDENKINGEN VAN EEN DEURWACHTER

Toen ik die avond op mijn drempeltje stond moest ik, of ik wilde of niet, steeds aan Henk denken. Ergens een *zielepoot.* Want waar kon hij op zijn leeftijd nog een eerlijk stuk brood verdienen ? Maken ze op die manier geen onderwereldjongen van je ? Naar de *steun* lopen is ook weer zo wat, en heb je die paar *tientjes* op zak, dan verveel je je weer de hele dag *rot,* omdat je geen werk om handen hebt. Dus maar weer de *kroeg* in. De paar *tientjes erdoor jagen,* en dan ? Juist, wat *bijrommelen,* 'n *krakie* hier, 'n beroving daar. Eind van het liedje ? De *Casuariestraat* !

Vorige week is nog een stel *toffe jongens* op de *kit* terecht gekomen. Echt wel fijne *gabbers,* maar zonder goed betaald werk. Dus gingen ze ook wat bijverdienen. Ze hadden *ingeseind* gekregen, dat ergens in een plaatsje onder de rook van Den Haag een behoorlijke *kraak te zetten* viel. De *jongens* dus er op af. Een paar dagen *de boel afleggen,* het operatieplan beramen en … de buit binnenhalen. Enige *rottige* was dat ze eerst een concierge en zijn *roosje* moesten overmeesteren. *Link,* want hoe je je ook vermomt, een signalement is snel samengesteld.

In alle stilte, handschoenen aan en doek over de gezichten, drongen ze het bedrijf binnen. Twee man zouden de concierge en zijn eega *buiten gevecht stellen.* Nu, die zijn van een koude kermis thuisgekomen. Niet de concierge lag met zijn eva in bed te *wroeten,* maar wel twee *binken.* Die lagen niet te *flikkeren,* maar gewoon op de komst van de jongens te wachten. Een of andere *loutoffe* had de *grandere ingeseind,* dat er een overval zou plaatsvinden. Ik kan me voorstellen dat de *gabbers* zich te barsten geschrokken

zijn, toen die *binken* uit het bed sprongen en tot actie overgingen. Om een hartstilstand van te krijgen !

En daar *zitten* ze nu; voor hoelang ? Inbraak, niet aan te denken. Ze douwen je zo voor jaren achter de tralies. Ergens kaj je beter iemand *om zeep brengen,* daar schijnt tegenwoordig minder voor te staan. Een tijdje *Mesdagkliniek* of zo, en dan mag je naar huis. Toegegeven, er zijn jongens die maling hebben aan wat jaartjes zitten. Die beschouwen de *bajes* als een soort vakantieoord, maar ik persoonlijk word in *de nor* binnen een week een jaar ouder. Niet meer aan denken ? Wat een pestavond ! Geen *barst* te verdienen. Amper voldoende centen op zak om een simpel pokertje te *gooien.* Die *kwallen* lopen de deur uit zonder behoorlijk de portier te bedenken. Ik sta hier toch ook niet voor *Jan Lul.* Als er *heibel* is, dan ben ik wel zo goed om mijn tanden uit mijn bek te laten slaan. Waar of niet waar ? Hoe durven ze: zonder blikken of blozen je een *kwartje* in de hand te stoppen, en dat terwijl ze toch binnen behoorlijk hebben moeten *dokken.* Mijn baas tapt geen *pilsje* voor een *piekie* !



djengo – gipso – kasafo - plumbumo

“Ho, jes, en la ĉambropoto, mia amiketo, en la ĉambropoto.” [4.26]

## 4.4 Ebria Konfeso

*Jo, kaj lia kunulino Loulou, estas etaj friponoj, al kiuj hazarde kaj naive amikiĝas honesta burĝo, Marcel, kies monujon ili ŝtelas nerimarkite, kaj kiun ili pli poste intencas utiligi por prirabi la juvelejon en kiu tiu laboras. Ili tri nun sidas kune en la loĝoĉambro de la friponoj, trinkantaj.*

JO (kiu tre ekscitiĝas pro la alkoholo) – Honestaj homoj, tio estas kazaco, tiuj ne ekzistas !

MARCEL – Ĉu ne ekzistas ?

JO – Ne, tiuj ne ekzistas. Kaj mi pruvos tion al ci ! (Li replenigas sian glason.)

LOULOU – Riglu la klapon, Jo ! Ci trinkas tro multe.

JO (al Marcel) – Ĉu vi aŭdas kiel ŝi traktas min ? – (al Loulou) Ci tamen ne provos malhelpi al mi iom paroladi ?!

LOULOU – Ho, kiam ci komencas fari prelegojn, estas *mava* signo!

MARCEL – Lasu ke li ekspliku !

JO – Ĉu vidas ci, li jam komprenas min ! (Prenante la manon de Marcel): Estas drugo! Ĝis nun mi ne estis en bonaĵoj kun li, sed ek-de hodiaŭ ne plu samas. (Li denove premas lian manon.) Ni estas bubuloj, ĉu ne vere, Marcel ?

MARCEL – Jes.

JO – Kaj ni plu ne diros “vi” unu al la alia, ni diros “ci”. Ĉu prave ?

MARCEL – Prave.

JO – Jen, donu cian glason.

MARCEL – Ne, ne, dankon. Mi trinkis jam tro multe.

JO – Nu nu … por tintigi.

MARCEL – Ho, tial ! Bone. (Li etendas sian glason.) Dankon !

JO – Je la sano !

MARCEL – Je la sano ! (Ili tintigas siajn glasojn kaj trinkas. Loulou eklevas la ŝultrojn kaj kuŝiĝas sur la lito.)

JO – Kion mi estis diranta ?

MARCEL – Ci diris ke honestaj homoj ne ekzistas.

JO – Ĝuste ! Ĉu ci konas iun ?

MARCEL – Ŝajnas al mi, ke jes …

JO – Kiun ?

MARCEL – Mi ne tuje scias …

JO – Serĉu, por vidi.

MARCEL – Mi ne diros Sinjoro Mercandieu, mia ĉefo, ĉar ne ekzistas pli granda fripono ol li.

JO – Jen ci havas

MARCEL – Sed tamen, mia bofrato ekzemple …

JO – Li estas honesta ?

MARCEL – Mi tiel pensas. Verdire, li forturnis 15.000 Frankojn el mia laŭrajta heredaĵo, sed en sia metio li estas konsiderata kiel tre honesta viro.

JO – Jes, sed ne tro alproksimiĝu por kontroli ! Kaj ci, ĉu ci do estus honesta ?

MARCEL – Mi kredas jes.

JO – Ci do neniam veturis unuaklase en la urbotrajno kun nur duaklasa tikedo ?

MARCEL – Nur se estas tro granda hom-amaso.

JO – Bone. Ĉu ci havas radioaparaton hejme ?

MARCEL – Jes.

JO – Ĉu ci registrigis ĝin ĉe la impostoj ?

MARCEL – Ho, mi apenaŭ ĝin uzas; mi ne tre ŝatas tion.

JO – Bone, ci do estas ŝtelisto ! Ni ĉiuj estas ŝtelistoj, mi diras al ci. Estas eĉ ne unu kiu ne provus kukumi la najbaron aŭ la registaron, se prezentiĝas la okazo. Ne unu !

MARCEL – Ĉu ci opinias tiel ?

JO – Mi ne opinias, mi certas ! Nur ni, la veraj, la regulaj, ni faras tion aperte. Estas nia profesio, profakte. La aliaj, ili timas malsekiĝi, ĉu ci komprenas ? Tial ili elektas metion, por la fegno. Ili estiĝas bankistoj, notarioj, fabrikistoj de filmoj por la kinejo. Tiele

la licaro ne povas fari ion al ili. Sed ĉio-ĉi estas la sama supo kaj ĉe la lasta juĝo ni ĉiuj estos estintaj konfipistoj ! Jen ! (Li volas denove verŝi trinkaĵon por Marcel.)

MARCEL (rifuzante) – Ne, tute ne !

JO – Faru ja, la lastan !

MARCEL – Nu, certe la lastan, do. (Jo plenigas la glasojn. Ili trinkas.)

JO – Jes, mia knabeto, estas tiel, ĉiuj konfipistoj ! Kaj mi eĉ aldonas ion: estas ankoraŭ ni la malplej kokrecaj, se ci konsideras ke ni neniam ion ungas de konata ĉeloveko.

MARCEL (kiu komencas taŭziĝi) – Ĉu vere ?

JO – Neniam ! Tio ne estas kutima.

LOULOU (levante sin sur kubuto kaj kun rideto rigardante al Jo) – Kion ci diras tie ?

JO – Nu, ĉu ne prave ?

LOULOU (sammaniere) – Ho, mi ne scias; ja demandas tion al ci…

JO (komprenante) – Ha, jes ! Mi vidas kion ci volas diri. - (Al Marcel) Ĉu ci scias pro kio ŝi diras tion ?

MARCEL (Kiel antaŭe) – Ne …

JO (al Loulou) – Nu, aŭdu, mi ĝin malkaŝos al Marcel !

LOULOU (skuante la kapon) - Tiam ci estas eĉ pli duraka ol mi jam pensis … (ŝi rekuŝiĝas).

JO – Eblas ke mi estas duraka, sed li estas mia drugo ! Ĉu ne vere, Marcel ?

MARCEL (same ebriete) – Jes …

JO – Kaj al bubulo oni ŝuldas la veron ! Ĉu ne vere ?

MARCEL (sammaniere) – Certe ! … (imitante ĵurligon en la tribunalo) La veron, nenion krom la veron, la tutan veron. Diru “mi ĵuras” …

JO – Bone ! Do, cia monujo, antaŭe, estis mi kiu agumis ĝin de ci.

MARCEL (sammaniere) – Mian monujon ??

JO – Jes.

MARCEL (palpante sin mem) – Ci ne agumis ĝin, ĉar mi ja havas ĝin. (Li triumfe eltiras la monujon) Jen !

JO – Mi ne diris "nun", ĉu ? Ci branocerbo ! Pli frue, en la trinkejo de Fernand, kiam ci pensis ke ĝi estis perdita !

MARCEL – Nu do ?

JO – Nu do, mi agumis ĝin.

MARCEL (daŭre nekomprenante) – Ci !?

JO – Jes, mi ! (Post ioma interrompo) Notu, ke mi ne devigatis diri tion al ci ! Sed mi diris por montri ke mi estas cia drugo !

MARCEL – Sed kie ci do forprenis ĝin ?

JO – Nu, el cia fosuĵo, diable !

MARCEL – El mia kio ?

JO – El cia poŝo ! Ho, kia lantulo !

MARCEL (heziteme) – Ci ĝin forprenis … el mia poŝo …?

JO – Ho, mi povas certigi ke mi faris tion preskaŭ senintence. Ci sidis apud mi; mi vidis la randon kiu elstaris iom kaj tiam, kvazaŭ maŝinece, mi eltiris. Pro la kutimo …

MARCEL – Tiele do, sekve … ci priŝtelis min ?!

JO – Tondre, jes !

MARCEL – Ci ŝtelis mian monujon, ci ?!

JO – Jes, jes ! Ho, mi ne estus devinta fari tion, mi konsentas. En tiaspeca momento, ne estis deca konduto. Sed mi rimarkigas al ci, ke ci ankoraŭ ne estis mia drugo en tiu momento; ne konfuzu !

MARCEL (konsternita, skuante la kapon) – Estis malbona ago !

JO – Mi scias !

MARCEL (sammaniere) – Jes, estis tre malbona, kion ci faris !

JO – Ne necesas ripeti tion kvindekfoje ! Mi scias, ke estis malbone, jen !

MARCEL – Mian monujon! El mia poŝo ! Ci ! Jen la kulmino !

JO – Ĉu ci volas ke mi petu pardonon ?

MARCEL (kun dolora mieno) – Ho ne, mi ne volas ke ci petu pardonon ... Mi iros for, jen ĉio ... (Li ekstaras kaj, per malfirmaj paŝoj, atingas la pordon de la ĉambro.) – Adiaŭ !

Tirita el ***Fric-Frac*** (Knarigo), komika teatraĵo de Edouard Bourdet, publicita en la periodaĵo *La Petite Illustration* – Parizo 1937. Ĝin filmigis sub sama titolo Cl. Autant-Lara en 1939, kun Fernandel, Michel Simon, kaj Arletty en la ĉefroloj.

## CONFESSION D'IVROGNE

JO (que l'alcool surexcite) – Les honnêtes gens, c'est du *bidon*, ça n'existe pas!

MARCEL – Ça n'existe pas ?

JO – Non, ça n'existe pas. Et j'vais vous l'prouver ! (Il se verse à boire).

LOULOU – *La ferme,* Jo ! Tu bois trop !

JO (à Marcel) – Vous entendez comme elle me traite ? T'as pas la prétention de m'empêcher d'causer, tout d'même ?

LOULOU – Oh ! quand tu commences à faire des discours, c'est mauvais signe!

MARCEL – Laissez-le s'expliquer !

JO – Tu vois, il m'comprend, lui ! – (Prenant la main de Marcel) C'est un *pote* ! Je *l'avais pas à la bonne* jusqu'à présent, mais à partir d'aujourd'hui c'est plus pareil. (Lui tendant la main à nouveau) – On est copains, s'pas, Marcel ?

MARCEL – Oui.

JO – Et on s'dit plus "vous", on s'dit "tu".  Ça va ?

MARCEL – Ça va.

JO – Tiens, donne ton verre.

MARCEL – Non, non, merci. J'ai déjà trop bu.

JO – Allez, allez ! Pour trinquer.

MARCEL – Ah! alors ... (Il tend son verre) Merci.

JO – À la tienne !

MARCEL – À la tienne ! (Ils trinquent et boivent. Loulou s'étend sur le lit en haussant les épaules.)

JO – Qu'est-ce que j'disais ?

MARCEL – Tu disais que les honnêtes gens n'existent pas.

JO – Parfaitement ! T'en connais, toi ?

MARCEL – Il me semble, oui.

JO – Qui ?

MARCEL – Eh bien, je ne sais pas, moi …

JO – Cherche, pour voir.

MARCEL – Je ne te dirai pas monsieur Mercandier, parce que lui, il n'y à pas plus fripouille.

JO – Tu vois !

MARCEL – Mais, tiens, mon beau-frère, par exemple …

JO – Il est honnête ?

MARCEL – Je le crois, toujours. Il m'a volé 15.000 francs dans la succession de mes parents, mais dans son métier il passe pour très honnête.

JO – Oui, eh ben, vas-y un peu voir, tiens, tu m'en diras des nouvelles ! Et toi, t'es honnête ?

MARCEL – Je crois.

JO – T'es jamais monté en première dans l'métro avec un ticket d'seconde ?

MARCEL – Quand il y a foule !

JO – Bon. T'as une radio chez toi ?

MARCEL – Oui.

JO – Tu l'as déclarée ?

MARCEL – Je ne m'en sers jamais, je n'aime pas ça.

JO – Bon, eh ben, t'es un voleur ! On est tous des voleurs, j'te dis ! Y en a pas un qu'essaie pas *d'empiler* l'voisin ou bien l'gouvernement, si ça s'trouve. Pas un!

MARCEL – Tu crois ?

JO – J'le crois pas, j'en suis sûr ! Seulement, nous les vrais, les *réguliers*, on l'fait ouvertement. C'est not' profession, par le fait ! Les autres, ils ont peur de *s'mouiller*, comprends-tu, alors ils prennent un métier, pour la *frime*. Ils s'font banquiers, notaires, fabricants d'films de cinéma. Comme ça, la *renifle* peut rien leur dire. Mais tout ça, c'est l'même *tabac*, et d'vant le jugement dernier on aura tous été *faisans* ! Tiens … (Il veut encore lui verser à boire.)

MARCEL (refusant) – Non, vraiment !

JO – Allez, le dernier !

MARCEL – Mais le dernier, alors. (Jo remplit les verres. Ils boivent.)

JO – Oui, mon p'tit gars, c'est comme ça: tous *faisans* ! Et même j'vais te dire une chose: c'est encore nous autres les moins *coquins*, vu que nous, on n'fauche jamais rien à un *mec* qu'on connaît !

MARCEL (commence à être vague) – Non, hein ?

JO – Jamais ! Ça s'fait pas.

LOULOU (se soulevant sur un coude et regardant Jo en souriant) – Comment que t'as dit ça ?

JO – C'est pas vrai ?

LOULOU (même jeu) – J'sais pas, j'te demande …

JO (comprenant) – Ah oui ! J'vois c'que tu veux dire… (A Marcel) – Tu sais pourquoi qu'elle dit ça ?

MARCEL (comme précédemment) – Non …

JO (à Loulou) – Eh ben, tu vois, j'vais y dire, à Marcel !

LOULOU (hochant la tête) – T'es encore plus *schlasse* que j'croyais, alors … (Elle se recouche).

JO – Possible que j'soye *schlasse*, mais c'est un *pote* ! S'pas, Marcel ?

MARCEL (même jeu) – Oui …

JO – Et un *pote*, on y doit la vérité ! C'est pas vrai ?

MARCEL (même jeu) – Si ! … La vérité, rien que la vérité, toute la vérité. Dites "je le jure"…

JO – Bon, eh ben, ton portefeuille, toute à l'heure, c'est moi qui te l'ai *refait* !

MARCEL (même jeu) – Mon portefeuille ?

JO – Oui.

MARCEL (se tâtant) – Tu me l'as pas *refait*, puisque je l'ai. (Il tire le portefeuile d'un air triomphant.) Tiens !

JO – J'te dis pas maintenant, *ballot* ! Tout à l'heure, chez Fernand, quand t'as cru que tu l'avais perdu !

MARCEL – Eh bien ?

JO – Eh ben, c'est moi qui te l'avais *r'fait*.

MARCEL (sans comprendre encore) – Toi ?

JO – Oui, moi ! .. (Un temps) Remarque que j'étais pas forcé de te l'dire, hein ! Mais je te l'ai dit pour te montrer que j'suis ton *pote*.

MARCEL – Mais où que tu me l'as pris ?

JO – Ben, dans ta *fouille*, pardi !

MARCEL – Dans ma quoi ?

JO – Dans ta poche ! Oh! ç'ui là alors !

MARCEL – Tu me l'as pris … dans ma poche ?

JO – Oh! j'peux presque dire que j'lai pas fait exprès. T'étais à côté d'moi, j'ai vu l'coin qui passait; alors, machinalement, je l'ai tiré … Par habitude.

MARCEL – Alors, quoi … tu m'as volé ??

JO – Ben, dame !

MARCEL – Tu m'as volé mon portefeuille, toi ? …

JO – Oui. Oh, j'aurais pas dû, je l'reconnais. Dans un moment comme ça, c'était pas une chose à faire… Mais j'te fait remarquer que t'étais pas encore mon *pote* à c'moment-là: faut pas confondre!

MARCEL (bouleversé, hochant la tête) – Ce n'est pas bien !

JO – Mais je l'sais !

MARCEL (même jeu) – Non, ce n'est pas bien, ce que tu as fait là !

JO – Quand tu me répéteras ça cinquante fois … Je l'sais, que c'est pas bien, là !

MARCEL – Mon portefeuille! … Dans ma poche ! … Toi ! … Ça c'est le bouquet !

JO – Tu veux que j'te demande pardon ?

MARCEL (navré) – Oh, non ! Je n'veux pas que tu me demandes pardon. … Je m'en vais, c'est tout … (Il se lève et, d'une démarche mal assurée, s'efforce de gagner la porte.) Adieu !



La mondo de ĝazmuziko drivas sur slango.

## 4.5 El la Agendo de Murdisto

Sub 2.3 mi asertis ke normala priskriba prozo ne taŭgas por prezenti slangon; tio kredeble estas vero, sed tiu-ĉi stilformo estas tiel facile aplikebla — kontraŭe al vervaj dialogoj — ke eĉ mi mem kuraĝis elmemore rekonstrui per ĝi iun originalan rakonteton de plu ne konata aŭtoro. (M.H.)

Ruĝblua strio klakis el la kurtmuzela kalibro. Dufoje. La mutaj domoj de la obskura grandurba strateto pilkoludis kelkajn momentojn kun la elastaj eĥoj. Tiam ilin plusendis al la heliĝanta kupolo frumatena.

Mia adjudanto ne malŝparis tempon, por kontroli la efikon de siaj bluaj faboj. Vidinte la celtabulon sinki en miajn brakojn, li ekkaptis la falintan ledotekon kaj ventumis ĉirkaŭ la angulon.

Karminaj bersukospuroj glustriis la esprimon de timego, rigidiĝantan sur la fasado de mia viktimo. Miksiĝis kun la malpuraĉaj grasrondoj sur lia ĉifonita ĉemizo. Oscedis du truoj en lia kapaĉo.

Plurfoje tiu-ĉi ragulo jam estis alfruntinta min. Kaj plurfoje sukcesinta elturniĝi. Iel. Sed nun lia meĉo estis finkonsumita. Definitive. Li ja tre bone sciis pri la granda risko fari ion ekster kontrolo kaj ordono de la brigado. Rompi ĝian neskribitan leĝon. Tamen, li kuraĝis trabreĉi. La granda kvanto da neĝo, kiun estis en la antaŭa vespero al li disponiginta la kuriero, pruviĝis tro granda tento. Ĝi reprezentis supermezuran grapon. Senliman riĉegon. Por la tuta vivo. La interŝtupa radeto do volis iĝi propra-decida stirilo. Sed la sindiko funkcias kiel bone ŝmirita maŝino. Hermete. Unu horon post kiam li ne aperintis en la rendevuaj tempo kaj loko, miaj knabegoj jam malkovris lian stajejon. Li ankoraŭ provis ventumi, sed vane. Kaj nun lia konto soldiĝis.

Baldaŭ elirus tiu aŭ alia fru-hora paviano, el la pordo de sia morna loĝejo. Aŭ enirus la trakon laktovendisto. Estas nekredeble kiom ofte jam okazis dumnokta kroĉetado en tiu sama kvartalo. Kun granda frakaso aŭ silente. Aŭ knarigo. Sen ke unu loĝanto ĉirkaŭe atentus. Grandurbanoj ŝajnas esti denaskaj surdmutuloj. Estas ankaŭ pli prudente, ĉu ne, okupi sin sole pri siaj propraj diloj. Tiumaniere oni restas ŝirmita kontraŭ kukurbaĵoj kaj ne bezonas rakonti fabelojn al polanoj. Tiuj-ĉi ja malkovru mem ĉu

postrestis ebriulo, vundito, aŭ kadavro de konfipinto en la defluilo.

Per bruska gesto mi trastrekis la nomon kaj signalaĵojn de la viro en mia plenega notkajero. Levis min por lasi la korpon al sia sorto. Ne ĉar mi timus la polon ! Multaj el ties anoj, zonrimenoj kaj mornuloj, jam antaŭe havis aferon kun mi. Bone konas mian vizaĝon. Sed mia pozicio estas tro solida kaj mia potenco tro granda. Tiel ke eĉ la granda polano mem ne kuraĝus serĉi kverelon kun mi. Li scias tro bone ke mi havas adjudantojn kaj intrigantojn ĉie. Ĝis en la plej altaj tavoloj de la burĝa socio. Kaj ke mi malofte indulgas tiun kiu volas fari kindanojn.

Tio ne signifas, ke mi dependas de gvidokoj por efektivigo de miaj planoj. Sufiĉe ofte mi ja laboras sola por fari disciplinon en la organizaĵo. Sen interveno de fremdaj handoj. Tre efike.

* * * * * * *

Nu, la sekvanta nomo sur mia agendo koncernis ĝuste tian senperan kazon. Temis pri drama amhistorio: kudristineto, kiu per sia tuta koro enamiĝis en ĝigolon senmoralan, kiu aniĝis al ekspluatantoj de noktoklubo. Iun dimanĉon kiam li, kun kelke da kompanoj, traveturis ŝian vilaĝon, paneis lia zinkaĵo. Estis festotago. Kun vilaĝa balo. Li scipovis glate kaj karese rasli. Pentri antaŭ ŝia avida naiveco bildojn de edena estonteco en la urbo. Estis ŝia unua kiso sur la buŝo.

La postan tagon ŝi kuris for el la hejmo, apenaŭ plenaĝa. Kun malbeno de la geolduloj kaj malpermeso iam reveni. La kunŝparitan dineron de sia modesta manlaboro, ŝi kunportis. Por fivivadi en strasa paradizo apud la malinda ljubato. Ŝi estis pupeto, ludilo en liaj fiaj pinĉiloj. Kiuj same facile scipovis disspezi ŝian ŝparmonon kiel karesi ŝian veluran korpon. Kaj misuzi.

Post tri monatoj de pasia kunvivado, ilia ledaĵo jam malplenis. Kaj la senartifika knabina sekso jam tedis. Ekkrevis la sapveziko de ŝia feliĉo. Li diris simple adiaŭ kaj ne revenis plu al la komuna luĉambro.

Sed tiel senproteste ŝi ne rezignis. Ŝi batalis por la karega revo pri feliĉo. Serĉadis lin en la giganta malamika stratlabirinto. Dumtage kaj dumnokte. Ĝis preskaŭ elĉerpiĝo.

Tiam subite, jen li en akompano de fama simeristino. Riĉegulino. Kiun li ameme tenis ĉe la talio. Lia furioza rigardo interkruciĝis

unu sekundon kun tiu, petega, de la forlasita povrulino. Kvazaŭ tranĉeŝo. Bruske, li tiris sian novan konkeraĵon en taksion kaj sage malaperis. Tiel rapide, ke mi eĉ ne havis la okazon pripensi la ideon ĉu likvidi la friponon tie kaj tiam, aŭ ne. La kudristineto aliflanke konsistigis obstaklon por lia ambicio. Li deziris ŝin ekzilita al Luno. Repa, se necese.

Kolero tamen estas sensignifa koncepto por mi. Same kiel kompato. Al mi estas glacie indiferente kion faras, aspiras aŭ pensas miaj celtabuloj. Ĉu ili estas valoraj elementoj en sia komunumo, aŭ superfluaj parazitoj. Ĉu suferantoj aŭ ĝuantoj. Ili estas por mi nuraj ofoj, nuraj peonoj ŝovotaj sur ŝaktabulo. Likvidotaj. Sen ke la motivo por tio tuŝas min.

Do, ĉar la plano antaŭvidis ke mi tranĉu la vivofadenon de tiu malfeliĉa mildulino, anstataŭ tiun de la senskrupula delogintо, mi tute ne hezitis. Jam estis mi ĉe la mizera bivako. Senbrue mi enplonĝis la senĝojan ĉambreton. La kokidino sidis sur taŭzita litotolaĵo. Eĉ ne moviĝis pro mia eniro. Ŝi nur alrigardis min per ruĝrandaj, kaviĝintaj okuloj. El kiuj perlis plu neniu larmo. La tuta rezervo kredeble estis sekiĝinta.

Mi faris geston, kvazaŭ por ion ekrasli. Sed abrupte ŝi eligis dolorkrion. Malesperan. Eksaltis al la okulaĵo, kaj ĵete malfermis ties klapojn. Rapidege ŝi grimpis sur la sojlon. Kvazaŭ sciureto. Kaj lasis fali sian junan, delikatan korpon. Naŭ etaĝojn suben. Al la ŝtonpavimo.

Post du-tri minutoj mi jam povis trastreki ankaŭ tiun eron de mia agendo. Estintis facila ĝobeto. Mi eĉ ne bezonis apliki perforton. Nek pafilon. Nek alian mortigan eŝon.

* * * * * * *

Tiam mi devis vere hastegi, se mi ne volis maltrafi la sekvontan dupon en mia notkajero por tiu tago: grasa grapejdirektisto, transen de la popolaĉa kvartalo. Li staris senbride fulmanta kontraŭ kelkaj subuloj de sia stabo. Ekruĝegis lia dikvanga napo. Jam de kelke da jaroj li suferadis je sekreta kormalsano. Sed ne volis atenti la simptomojn. Ne havis eĉ onon da tempo por tiaj privataj bagateloj.

Certe li miregis, vidante min ekaperi en lia luksa kratejo. Por eksciti ĝis paroksismo sian laciĝintan korpomotoron; ĝis definitiva kvietigo. Kiel sako da terpomoj li kolapsis antaŭ la konsternitaj

stabanoj. Ĉar estis lia nomo, kiu figuris sur mia listo, kaj ĉar estis indikitaj precize tiu loko, precize tiu minuto.

* * * * * * *

Mi ja disponas multajn rimedojn por konfiti homojn kaj bestojn. Homojn ofte kiel bestojn. Dekope aŭ centope aŭ milope, same facile kiel individue. Povas mi aperi ankaŭ en multe da formoj diversaj. Foje la plenumo de mia ĝobo estas atendata kaj alsopirata. Pli ofte ne. Sed ĉu mi ne diris, ke al mi estas indiferente kion pensas la mutuoj pri mia funkcio ? Aŭ kiumaniere ili min nomas: ĉu Moira, ĉu Pecjo Skeleto, ĉu Granda Falĉisto, ĉu plej simple kaj senorname "Morto" ? Estas tute simple mia natura devo. Mi ne kapablas postupi aliel. Por tiu celo mi ekzistas.

Do, bonvolu senkulpigi min, kara leganto aŭ legantino, kiam mi baldaŭ — tro baldaŭ — estos devigita viziti ankaŭ vin, ĉar mi atingis vian nomon en mia agendo ...



**Mobulo**

## 4.6 La Ezoko

Teatraĵa skeĉo, originale verkita en Esperanto fare de Henri Vatré, por demonstri la esprimkapablon de la Internacia Lingvo ankaŭ en komike triviala (slanga) rilato. Unuafoje prezentita en Ĝenevo 1962.

*La scenejo estas tiu de fiŝvendeja placo en Rusujo, sub la cara regno. Kompreneble, en klasika Esperanto sole eblas apliki metaforojn, kio estas nur unu el la rimedoj de efektiva slango.*

**Rolantoj**

Liza Grigorievna: fiŝvendistino
Nikolaj Filipoviĉ: kliento
Duŝa Petrovna: klientino
Anonime: krianta gazetvendisto kaj aerpurigisto

LIZA – Ha, ventro de kozako ! Tiu Duŝa Petrovna petis, ke mi rezervu por ŝi mian plej belan fiŝon, kaj ŝi eĉ ne venis por ĝin preni. Mi estus povinta ĝin vendi jam dekfoje. Kion fari, diable !? Nu, jen venas Nikolaj Filipoviĉ. Mi ĝin al li proponu.

LIZA (al Nikolaj) – Freŝa fiŝo ! Hej, patreto, aĉetu freŝan fiŝon ! Profitu la lastan favoron !

NIKOLAJ – Ĉu nur tiun-ĉi solan fiŝon ci povas proponi ?

LIZA – Jes, animeto, la lastan, sed la plej belan. Mi ĝin konservis por ci, karuleto. Ĉiuj aliaj jam delonge forvendiĝis. Ĉu ĝi ne sufiĉas por cia apetito ?

NIKOLAJ – Nu, ne restas multe da elektebloj, patrineto.

LIZA – Ĉu ĝi ne plaĉas al ci, Nikolaj Filipoviĉ ?

NIKOLAJ – Ĉu vere ĝi estas freŝa ?

LIZA – Freŝa ? Kiel nova rozo, animeto. Ĉi-matena kapto, mi ĵuras al ci je la sangaj ulceroj de Sankta Vasilij !

NIKOLAJ – Hm ! Ŝajnas al mi, ke ĝi mortis de maljunaĝo jam antaŭ monato.

LIZA – Korpo de porko ! Ĝi mortis de amĉagreno. Belega peco. Prenu ĝin, ĉar simila okazo neniam plu pendos ĉe cia nazo.

NIKOLAJ – Dio min gardu ! ĉar, je la Dipatrino de Kazan, tiu-ĉi besto fetore odoraĉas !

LIZA – Pistu cin Petro ! ĉu ci volus, patreto, ke mi ĝin parfumu per kolonja akvo ?

NIKOLAJ – Tion ci nepre devus. Sed diru, Liza Grigorievna, je kiu prezo ci senigos cin de tiu-ĉi familia relikvo ?

LIZA – Trifuntan ezokon … mi ĝin cedos por du Rubloj.

NIKOLAJ – Du Rubloj ? Ĉu ci perdis la saĝon?

LIZA – Ci tamen ne supozas, kolombeto mia, ke mi leviĝis je la kvara matene por ŝmiri cian bekon per mielo kaj lasi al ci la tutan profiton de mia laboro ?

NIKOLAJ – Kisu al mi la piedfingrojn ! Du bonaj Rubloj por tiu-ĉi putra fiŝaĉo !

LIZA – Trinajla Kristo ! Prenu aŭ lasu !

NIKOLAJ – Mi proponas kompromison: mi prenas la fiŝon por unu Rublo kaj lasos al ci la odoron.

LIZA – Leku mian kaktruon, ci zigzag-nazulo !

NIKOLAJ – Zigzag-nazulo ? Mi ? Ĉu ci ne rigardis cian galoŝan mentonon ?

LIZA – Hej, bridu la langon, patreto, aŭ mi regalos al ci duoblan survangon !

(Alvenas Duŝa Petrovna.)

DUŜA – Liza, anĝeleto, mi venas en granda urĝo, rapide donu mian fiŝon !

LIZA – Cian fiŝon ?

NIKOLAJ – Cian fiŝon ?

DUŜA – Jes, la fiŝo, kiun mi mendis. Donu rapide. Ne limaku, ĉar miaj gastoj jam alvenis.

LIZA – Ciaj gastoj ? Mia mortinta edzo, Igor Ivanoviĉ, ĉiam diris, ke fiŝoj kaj gastoj estas egalaj; post du tagoj ili estas malbonaj. Li mem forpasis pro misglutinta fiŝosto, la karulo. Dio havu lian pekan animon. La maljuna porko senhonte postkuris la servistinon. Sed kia temperamento ! Vera leono !

DUŜA – Lasu cian karmemoran edzon en paco, Liza Grigorievna, kaj paku mian fiŝon dum ĝi ŝajnas ankoraŭ freŝa.

LIZA – Ĉu mi ĝin paku kun iom da glacio ĉirkaŭe, patrineto ?

DUŜA – Unue, ci ĝin iom pretigu, entranĉu, malfermu, purigu kaj salizu.

NIKOLAJ – Kial ne ankaŭ frizi kaj parfumi ?

LIZA (al Nikolaj) – Ci silentu, flavokula kukolo ! (al Duŝa) Volonte ! Ĉu ci fritos ĝin kun terpomoj kaj karotoj ?

NIKOLAJ – Germana sakramento ! Nek terpomoj, nek brasikoj. Tiu-ĉi fiŝo apartenas al mi. Jen ciaj du Rubloj. Donu ĝin tuj, patrineto !

DUŜA – Furzo de bufo ! De kie falas tiu seka pediko ? Aŭskultu, patreto, tiun-ĉi fiŝon aĉetis mi !

NIKOLAJ – Sed ankoraŭ ne pagis, ĉu ne, kunikleto mia ?

DUŜA – Mi pagos morgaŭ, kiam mia edzo Ivan Semjonoviĉ ricevos sian salajron.

NIKOLAJ – La salajron, kiun li jam fordrinkis. Cia edzo estas ebria diboĉulo. Mi kraĉas sur cian edzon. Pft !

DUŜA – Insulti mian edzon, ci, latrinpedelo ! Ivan Semjonoviĉ eltiros la ostojn varmaj el cia aĉa korpo !

NIKOLAJ – Lasu min ridi ! Ĉu ne suke ? Tiu laksigilo por ratoj ! Lepro putrigu lin !

LIZA (al Nikolaj) – Fermu la kranon, ci sepvolva vipuro, aŭ mi mem ŝtopos al ci la umbilikon. Ci, fekaĵmuldilo, vomrestaĵo !

NIKOLAJ – Nun sufiĉe kun ciaj spicaĵoj. Donu al mi mian fiŝon. Jen la mono.

LIZA – Kial ci ne prenis pli frue, ci, *miskudrita fazeolo* !

DUŜA (al Nikolaj) – Cimbredisto, cima pulo !

LIZA (al Duŝa) – Ci aldonu dekon da novaj terpomoj, kelkajn karotojn, hakitan petroselon, frititan bulbon …

NIKOLAJ – Pesta intesto ! Kial ci babilaĉas kun tia … senĝiba kamelino ? Donu al mi mian fiŝon, aŭ mi …

LIZA (al Nikolaj) – For, ci frakvestita gorilo !

DUŜA (al Nikolaj) – Senŝela kolbaso, baŝibuzuko !

LIZA (al Duŝa) – La fiŝon ci servu kun la ventron supre kaj garnu per onoj de citrono.

NIKOLAJ – La ventron supre ? Sankta nazotruo ! Pura herezaĵo ! La bonaj moroj perdiĝas.

LIZA (al Nikolaj) – Iru for, bakita skarabo, ŝima kataplasmo !

NIKOLAJ (al Liza) – Donu mian fiŝon, ci, miskurba kukurbo !

DUŜA (al Nikolaj) – Iru al la hundoj, ci ikonoklasto, fridpisanto !

NIKOLAJ – Fridpisanto, mi ? Fridpisanto ! tion mi ne toleros ! Mi ŝatus cin murdi post elektitaj turmentoj, ci, abortulino ! Prenu la putran fiŝon, ĝin manĝu kaj krevu !

GAZETISTO – Petu la lastan eldonon! Morto de Rasputin ! Lasta novaĵo … Morto de Rasputin !

(Ĉiuj forkuras ekscititaj al la gazetvendisto. Envenas deĵoranta aerpurigisto kun bonodoriga ŝprucigilo.)

PURIGISTO – Ĉu Rasputin ? Sankta porko li estis ! Kia epoko ! Nun li beate putru. (Post ripeta funkciigo de la pumpilo kaj profunda enspiro) – Fine la atmosfero estas pli pura.

(Ĉiuj kunkantas kaj dancas laŭ la malnova rusa popolmelodio "*Zdrastvujtje, bubliĉkij* !" :

> Se vi ne kredas ĝin,
> demandu de knabin'
> ĉu ŝi ne sentas sin
> jam en april',
> sed se vi scias jam,
> kunĝoju pri la fam',
> ke mankas en la program'
> la krokodil' !

## 4.7 Fuŝita Eksperimento

*Profesoro Higgins, fonetikisto* antez Líterom, *en la 19-jarcenta Londono, ege malŝatas la afektemon de la britaj burĝaro kaj nobelaro. Li batalas por ĝusta prononcado de la angla koineo kaj estas lia konvinko ke sole elparolo kaj belmanieroj decidas pri la socia rango de homoj; ne ilia profesio aŭ deveno. Hazarde li renkontas la proletan florvendistinon Liza en kiu li ekvidas okazon por pruvi sian tezon. En sekreto li instruas al la volonta junvirino salonmanierojn kaj decan paroladon, helpate de sia amiko Kolonelo Pickering. Por unua elprovo de la jam atingitaj rezultoj, ili enkondukas ŝin riĉe vestita ĉe kunveneto de altmediaj sinjorinoj kun kiuj ŝi babilu pri la vetero kaj similaj banalaĵoj, ŝajnigante sin fraŭlino de eminente burĝa deveno. Sed ve, Liza baldaŭ glitas de la sendanĝeraj banalaĵoj al emociplenaj personaj memoroj, kio okazigas ankaŭ transiron de la kontrolata deca lingvaĵo al spice triviala lingvaĵo.*

(Eliza, tre elegante vestita, impresas per tiel rimarkinda distingo kaj beleco dum sia eniro, ke ĉiuj leviĝas, sufiĉe malcertaj. Gvidate de la gestoj de Higgins, ŝi aliras Sinjorinon Higgins per kontrolata gracio.)

LIZA (parolante per pedanta ekzakteco en la prononcado kaj belmelodie) – Kiel vi fartas, Sinjorino Higgins ? (Ŝi spasme spiretas por certiĝi ke la H de Higgins noteblas, sed bone sukcesas.) – Sinjoro Higgins diris al mi, ke mi rajtas fari la viziton.

Sinjorino HIGGINS (kore) – Tutcerte. Mi vere ĝojas vidi vin.

-------------------------------

(Sekvas iom ĝena paŭzo.)

Sinjorino HIGGINS (fine, konversacie) – Ĉu vi pensas ke ankoraŭ pluvos ?

LIZA (laŭ la ekzercoj, kiujn diktis al ŝi la profesoro) – La malprofunda depresio en la okcidento de tiuj-ĉi insuloj probable

moviĝos al orienta direkto. Ne estas indikoj pri iu granda ŝanĝiĝo en la barometra situacio.

FREDDY – Ha, ha, ha ! Kiel spritege !

LIZA – Kio misas en tio, juna viro ? Mi certas, ke mi diris ĝin ĝuste.

FREDDY – Frakase !

Sinjorino EYNSFORD HILL – Mi tre esperas ke ne iĝos tro malvarme. Estas sufiĉe da gripo en la urbo. Mia tuta familio regule malsaniĝas pro ĝi en la printempo.

LIZA (morne) – Mia onklino eĉ mortis pro gripo. Almenaŭ, tion oni diris. (S-ino E-H eligas kompateman "ts ts ts"). Sed mi opinias ke oni tute simple konfitis la maljunan virinon. (Higgins kaj Pickering akuze rigardas unu la alian, kvazaŭ ĉiu volus igi la alian responsa, ĉar tiu ankoraŭ ne sufiĉe profunde preparis la knabinon al tiu-ĉi lasta ne ekzercita frazo.)

Sinjorino HIGGINS (nekomprene) – Ĉu "konfitis" ?

LIZA – Jeees, Dio kompatu ! Kial ŝi ja mortu pro gripo ? Ŝi bonege travivis gorĝobruniĝon [difteriton] en la jaro antaŭ tio. Mi tiu-okaze vidis ĝin propraokule. Preskaŭ bluvizaĝa ŝi estis ! Ĉiu kredis ŝin jam morta, sed mia patro, tiu obstine plu kuleradis brandon en ŝian gorĝon. (Higgins, kiu plu ne scias kion fari por savi la situacion, balancigas teotaseton sur sia kapo, farante kelke da paŝoj sen elverŝi unu solan guton, esperante deturni la atenton, sed vane.) – Fine ŝi rekonsciiĝis kaj eĉ tiel abrupte, ke ŝi dismordis la kavaĵon de la kulero.

Sinjorino E-H (konsternite) – Ĉielo !

LIZA (nun sen konscio plene aĉigante la situacion) – Mi demandas al ci kiamaniere virino, kun tia forto en sia korpo, povus morti pro gripo ? Kaj kio okazis al ŝia nova pajloĉapelo, kiu fakte estis apartenonta al mi ? Iu ĝin ungis ! (Higgins ventumas al si per la arĝenta pleto de la teotablo.) Kaj kion mi volis diri: tiuj kiuj ungis la ĉapelon, ankaŭ konfitis ŝin !

Lordino BOXINGTON (nerveme kaj laŭtvoĉe) – Ĉu "konfitis ŝin" ? Kion signifas tio …?

HIGGINS (haste) – Ho, tio estas nur novmoda ĵargon-esprimo. "Konfiti" signifas "mortigi".

Sinjorino E-H (ege ŝokite al Liza) – Tamen, vi ne kredas serioze ke via onklino murdatis !?

LIZA – Ĉu ne farus mi ? Tiuj, kun kiuj ŝi vivadis, estus ŝin murdinta pro eĉ nura ĉapelopingleto, se silenti pri ĉapelo !

Sinjorino E-H – Sed ne povis esti ĝusta ago de via patro tia-maniere verŝadi alkoholon en ŝian buŝon. Tio estus povinta mortigi ŝin !

LIZA – Ho, ne ŝin ! Al ŝi la brando estis kvazaŭ patrinlakto. (Pickering ŝrumpiĝas. Higgins decidas iri for, metas salutan fingron kontraŭ sia ĉapelo kaj ekas. Spite, lia nekontrolebla scivolemo lastmomente retenas lin je la pordosojlo, por aŭdi kion Liza ankoraŭ estis dironta.) - Cetere, li estis verŝeginta tiom multe tra la propra gorĝo ke li perfekte konis la efikon.

Lordino BOXINGTON – Ĉu vi volas diri, ke via patro trinkadis ?!

LIZA – Trinkadis ? Tondre, li drinkis !

Sinjorino E-H - Kiel terure por vi !

LIZA – Tute ne. Tio neniam kaŭzis malbonaĵon al li, kiom mi vidis. Sed li ankaŭ ne faris tion senĉese. (Gajtone) – Je la hapeno, kiel oni diras, de tempo al tempo. Kaj li estis ĉiam pli afabla kiam li iom vagadis en vaporoj. Ĉiufoje kiam li estis sen laboro, mia patrino kutimis doni al li kvar Azenojn por ke li eliru kaj ne revenu antaŭ ol esti drinkinta sin mem gajhumora kaj amema. Estas multe da virinoj kiuj devas igi siajn edzojn ebriaj, por igi ilin taŭgaj al kunvivado. (Nun tute senĝene) – Vidu, estas tiel-ĉi: kiam viroj havas peceton da konscienco, tiu riproĉas al ili dum sobreco kaj tio igas ilin mavhumoraj. Guteto da beberaĵo kontraŭe forprenas la pezon kaj faras ilin feliĉaj. (Al la junviro Freddy, kiu tordiĝas pro subpremata ridado.) – Nu, pro kio subridas ci ?

FREDDY – Pro la nova parolmaniero. Vi tiel lerte scipovas fari tion!

LIZA – Se mi faris ĝin konvene, kial vi do ridas ? (al Higgins) – Ĉu mi diris ion kio ne decas ?

Sinjorino HIGGINS (intervene) – Neniel, Fraŭlino Doolittle.

LIZA – Nu, tio estas konsolo, almenaŭ. (Komenteme) – Kion mi ĉiam diras, estas ke …

HIGGINS (ekstaras kaj rigardas al sia horloĝo) – Hum, hum !

LIZA (alrigardas lin, komprenas la geston kaj ekstaras) – Nu, mi devas iri for. (Ili ĉiuj ekstaras. Freddy iras al la pordo.) – Estis granda plezuro renkonti vin ! Ĝis revido !

Prenita el Akto 3, Sceno 4, de la monde fama teatraĵo *PYGMALION*, verkita de G.B. Shaw en 1916. La teatraĵon reaparigis kiel muzikfilmon en 1964 George Cukor, sub la titolo *My Fair Lady*.

**BOTCHED UP TEST**

(Eliza, who is exquisitely dressed, produces an impression of such remarkable distinction and beauty as she enters, that they all rise, quite fluttered. Guided by Higgins's signals, she comes to Mrs. Higgins with studied grace.)

LIZA (speaking with pedantic correctness of pronunciation and great beauty of tone) – How do you do, Mrs. Higgins ? (She gaspes slightly in making sure of the H in Higgins, but is quite successful.) – Mr. Higgins told me I might come.

Mrs. HIGGINS (cordially) – Quite right; I'm very glad indeed to see you.

- - - - - - - - - -

(A long and painful pause ensues.)

Mrs. HIGGINS (at last, conversationally) – Will it rain, do you think ?

LIZA – The shallow depression in the west of these islands is likely to move slowly in an easterly direction. There are no indications of any great change in the barometrical situation.

FREDDY – Ha, ha, ha ! how awfully funny !

LIZA – What is wrong with that, young man ? I bet I got it right.

FREDDY – Killing !

Mrs EYNSFORD-HILL – I'm sure I hope it won't turn cold. There's so much influenza about. It runs right through our whole family regularly every spring.

LIZA (darkly) – My aunt died of influenza; so they said.

Mrs EYNSFORD-HILL (clicks her tongue sympathetically) – Ts ts ts !

LIZA (in the same dramatic tone) – But it's my belief they *done* the old woman *in* .

Mrs HIGGINS (puzzled) – "Done her in" ?

LIZA – Y-e-e-es, Lord love you ! Why should she die of influenza ? She come through diphteria right enough the year before. I saw her with my own eyes. Fairly blue with it, she was. They all thought she was dead; but my father, he kept ladling gin down her throat till she came to so suddenly that she bit the bowl off the spoon.

Mrs EYNSFORD-HILL (startled) – Dear me !

LIZA (piling up the indictment) – What call would a woman with that strength in her have to die of influenza ? What become of her new straw hat that should have come to me ? Somebody *pinched* it; and what I say is, them as *pinched* it *done her in.*

Mrs EYNSFORD-HILL – What does "doing her in" mean ?

HIGGINS (hastily) – Oh, that's the new small talk. "To do a person in" means to kill him.

Mrs EYNSFORD-HILL (to Eliza, horrified) – You surely don't believe that your aunt was killed ?!

LIZA– Do I not ! Them she lived with would have killed her for a hatpin, let alone a hat.

Mrs EYNSFORD-HILL – But it can't have been right for your father to pour spirits down her throat like that. It might have killed her.

LIZA – Not her. Gin was mother's milk to her. Besides, he'd poured so much down his own throat that he knew the good of it.

Mrs EYNSFORD-HILL – Do you mean that he drank ?

LIZA – Drank ! My word ! Something chronic.

Mrs EYNSFORD-HILL - How dreadful for you !

LIZA – Not a bit. It did him no harm what I could see. But then, he did not keep it up regular. (Cheerfully) *On the burst*, as you might say, from time to time. And always more agreeable when he *had a drop in.* When he was out of work, my mother used to give him fourpence and tell him to go out and not come back until he'd drunk himself cheerful and loving-like. There's lots of women has to make them fit to live with. (Now quite at her ease) – You see,

it's like this: if a man has a bit of a conscience, it always takes him where he's sober; and then it makes him *low-spirited. A drop of booze* just takes that off and makes him happy. (To Freddy, who is in convulsions of suppressed laughter) – Here, what are you sniggering at ?

FREDDY – The new small talk. You do it so awfully well !

LIZA – If I was doing it proper, what was you laughing at ? (To HIGGINS) – Have I said anything I oughtn't ?

Mrs. HIGGINS (interposing) – Not at all, Miss Doolittle.

LIZA – Well, that's a mercy, anyhow. (Expansively) – What I always say is …

HIGGINS (rising and looking at his watch) – Ahem !

LIZA (looking round at him; taking the hint and rising) – Well, I must go. (They all rise. Freddy goes to the door.) – So pleased to have met you ! Good-bye.



mornulo – dekto - spuristo

## 4.8 Ladokolportistoj

*Siatempe fifamega krimulo en Usono, "Goat"Laven, rakontas sian vivhistorion al ĵurnalisto.*

Ni ne sciis en kiu parto de la urbo ni troviĝis, nek kia klaso de homoj ĝin vizitadis aŭ priloĝis. Kiel palpaĵo, por ekscii en kiu speco de hotelo mi troviĝis, ĉe la malsupreniro mi renkontis la hotelan komizon, kiu aspektis tre altŝveba knabego. Do, mi parolis la slangolingvaĵon kun li, kiel palpaĵon por malkovri ĉu li estas regula.

Kion mi diris estis: "Bonan matenon, kiel fartas l'artifiko ?" — kio konsistigis specon de kodvorto. Nuntempe ankaŭ komercistoj kaj teatruloj utiligas slangon kiun nur ŝtelistoj kutimis uzadi, sed en tiu momento tiu-ĉi frazo certe estis fidinda palpaĵo. Do, tiu-ĉi viro, li komprenis ke ni ne estas sprosoj, kaj li salutis nin konforme. Sidante en la hotelvestiblo ni okulmezuris la okupantojn de la kasao, kaj konkludis ke ni restadas en bona vivloko. Tio estas: ili ne tro interesiĝis pri tio kion oni faras, tiel longe kiel oni pagas sian luprezon.

La unua amuzejo kien ni iris, estis la trinkejo de Hein Cadoodle. Se iu viro aŭ virino tie faris fulmigon de io ajn, tiu iĝis torpedita aŭ priŝtelita, sed neniam povis foriri kun sia mono, krom se li aŭ ŝi apartenis al la knabegoj mem. Do, la knabegoj nin alrigardis, klopodante malkovri ĉu ni estas dupoj aŭ ungistoj. Sed ni dis-semis kelkajn rimarkojn, palpante la trairon, kaj ili decidis ke ni estas en ordo.

Ni komencis pensadi kiel gajni iom pli da mono; sekve ni enfalis bilardosalonon. Ĝi situis en la Ŝtatostrato — mi plu ne memoras precize kie — kiu tiutempe estis fifama ferdeko; ĉiuj knabegoj, de ladokolportistoj ĝis levigistoj, kutimis kunvenadi tie. Ladokolport-isto estas ulo kiu aĉetas falsajn juvelojn kaj markas ilin kiel 14-karatajn. Ekzemple, li aĉetas ringeton kun vitra diamanto en ĝi; tiam li faras travestion, surmetante kornokradajn okulvitrojn kaj tiaspecaĵojn. Poste li elektas homojn kiel turistojn, laboristojn, kaj speciale taksiŝoforojn; junaj viroj kiuj kredas sin altŝvebuloj, sciantaj ĉiujn demandojn kaj respondojn, sed kiuj envere ne scias la horon de la tago.

Tiel, li aliras sian celtabulon kaj, per lertaj paroloj igas la tabulon aĉeti la ringon sub preteksto ke li ĵus trovis ĝin. Aŭ alia taktiko,

kiun uzas veteranoj aŭ pli fajnaj aŭ spertaj praktikistoj, estas kunpreni kun si virinon; ŝi tenas bebon en la brakoj; ili proksimiĝas al afabla maljuna sinjoro, kiu povas esti kamparano vizitanta la urbon dum kelke da feriotagoj. Tiam li pentras dramaĉan historieton por li, dirante: "Staras miaj edzino kaj infaneto tie, sed mi ne ŝatus ke ŝi eksciu, ke mi bezonas vendi ŝian ringon por manĝaĵoj."

Tiuj-ĉi ŝtonoj estas konataj kiel "fiksaĵoj de Pitsburgo" kaj oni povas aĉeti ilin por tri Dolaroj po dozeno, jam prete stampitaj. Ili estas orumtegitaj, 14-karataj. Oni ankaŭ vendas horloĝojn, altigas 7-karatajn gemojn al 17 Karatoj, kaj tiaspecaj ĝobaĵoj.

Nu, ni komencis iom ludi bilardon kaj interkonatiĝis kun la krukoj. Ne necesis homo kun granda inteligento por vidi ke ni trafis en fifama ejo. Iuj krukoj envenis kaj komencis dividadi kelkajn pismojn el agendo kiun ili ĵus estis forprenintaj de tabulo. Ni ekprovis listigi nin en tiu brigado, kaj ni renkontis iun Itokon, samlandano de mia bubulo, kaj tiu informis nin ke Chicago estas plej taŭga laborloko. Li diris: "Ni ne uzas pafeŝon tie por kapti ordinaran celtabulon; ni aplikas paliceton je li, aŭ ni manikumas lin. La knabegoj tie, kiam aferoj iĝas danĝeraj, portadas gastubon aŭ paliceton volvitan en gazetpapero. Elektinte sian tabulon, ili tiun bategas sur la kapo per la paliceto, ĉiam volvita en la papero, lin elskuas kaj tiam promenas for kvazaŭ nenio estus okazinta.

Triope ni organiziĝis en brigado kun la celo leporĉasadi sendefendan homon. Tio estas kapti precipe ebrian viron, ĉu puŝante lin en pordangulon kaj, dum oni rakontas spritaĵon al li, ungante lian ledaĵon. Aŭ oni povis elskui lin post apliko de la manikumo, fortbraka laboro. En tiuj tagoj, kiam tabulo aŭ fremdulo trairis la Ŝtatostraton kaj fulmigis monon, li trovis dozenojn da brigadoj por kapti lin ĉe l'unua okazo.

## BRASS PEDDLERS

We did not know what part of the town we were in, or what class of people frequented and lived there. As a *feeler* to find out what kind of a hotel I was in, going downstairs I met the clerk of the hotel who looked a very *wise lad*. So I talked the slang vernacular with him as a *feeler* to find out whether he was all right.

What I said was: "Good morning, *how's tricks* ?" meaning a sort of code word. Nowadays salesmen and theatrical people use slang that only thieves used to use, but this phrase was a sure *feeler* then. So this guy he could tell we were no *chumps*, and greeted us as such. Sitting in the lobby we *sized up* the tenants of the *joint*, and decided that we were in a fair spot to live. That means they weren't too particular what you done so long as you paid your rent.

The first place we went to was Hein Cadoodle' s saloon. If a man or a woman *made a flash* of any kind there, they was either *torpedoed* or robbed, but they never got away with their money unless they were one of the *boys*. So the boys looked us over trying to figure us out, whether we were *mugs* or *grifters*. But we passed a few remarks, felt our way through, and they found out that we were OK.

We began to think of making some money, so we dropped into a pool room. It' s on State Street — I can' t just remember where — which at that time was a notorious *hang-out*, all the boys from *brass peddlers* to *stick-up* men used to go there.

A brass peddler is a fellow that buys fake jewelry, and stamps it 14 carat. For instance he will buy a little ring with a glass diamond in it, then he *makes up* for his part by wearing horn rimmed glasses and things of that sort. Then he picks on people like tourists, workmen, and especially taxi-drivers, young fellows who think they are *wise guys*, know all the questions and answers, but don' t even know the time of day.

He goes up to a *mark*, or likely looking guy, and through his line of talk, gets the *mark* to buy the ring under the pretence that he just found it. Or another way, that is worked by the old-timers and the more élite and experienced *workers*, is that they take a woman with them, she has a baby in her arms, they approach a kindly old gentleman, who is generally a farmer in town for a few days' holiday. Then they *pull a* sob-stuff *story* on him, and say: "That's my wife and baby over there, but I wouldn' t want her to know that I've got to sell her ring for food."

These stones are what are known as "Pittsburgh settings" and you can buy them for three dollars a dozen, already stamped. They are gold shell, 14 carat. They also sell watches, raise 7 carat jewels to 17 carat, and such *rackets*.

Well, we proceeded to play some pool, and got acquainted with the *boys*. It didn't take a man with much intelligence to see that we were in a notorious

place. Some of the boys came in and proceeded to divide a few pounds out of a pocket book which they had just *lifted off* a mark. We proceeded to try and *break in with the mob* and we met a Dago, a countryman of my pal's, and he told us that Chicago was the town. He said: "We don't use a gun there to take an ordinary mark; we just use a *sap* on 'em, or *sleeve* 'em — throwing an arm round his neck while the other man knocks him out. The boys here, when things get rough, carry a gaspipe or a *sap* — a *blackjack*, which you might describe as a pocket club — wrapped in a newspaper. When they have picked their mark, they hit him on the head with the sap still wrapped in the newspaper, go through him, then walk away casually, like nothing had happened.

The three of us organized ourselves into a *mob* for the purpose of *jack-hunting*. This is taking a man that's drunk, either by crowding him in a doorway, and while telling him a funny story, picking his leather. Or you can go through him after *putting the sleeve* on him, strong-arm *stuff*. Those days, if a mark or a stranger walked down State Street and made a flash of money, he had dozens of mobs ready to take him at the first opportunity.

Prenita el *Rough Stuff, the Life Story of a Gangster* (Kruda Varo, la vivhistorio de Goat Laven) — Falcon Crime Books, London 1933, England.



handumoj - manzamokoj

## 4.9 La "Sovaĝa Okcidento"

*Emerita Adjudanto GROEN de la amsterdama civilpolico rakontas en siaj memuaroj kiel li iam kaptis junan seks-krimulon kiu, kun du komplicoj, estis treninta sensuspektan knabinon en aŭtomobilon, intencante ŝin tie seksperforti. Sed la knabino tiel forte luktegis ke la triopo finfine devis ŝin ree liberigi. Tamen, por povi definitive akuzi kaj identigi la ĉefan perfortinton, la adjudanto nun cerbumas pri maniero por malkovri ankaŭ la du aliajn nekonatajn fiulojn. (Granda parto de tiu-ĉi specimena teksto devus esti en Popido, la verda dialekto, sed por faciligi la legadon ĝi aperas en kutima Esperanto.)*

Mi forlasis la policejon kaj eniris, sorbita en pensoj, la Tilio-straton, kiam mi subite aŭdis prononci mian nomon. He, tie staras Onklo Hein, pri kiu mi jam iom rakontis en *Ĉambro 13*. Mia maljuna amiko staris en la pordejo de sia domo, ĝue suĉante je sia kalka pipeto. Li geste vokis min kaj paŝis internen.

"Nu do, knabo, ĉu ci estas multe okupita en cia polokejo ?" demandis li, kiam ni estis sidiĝintaj.

"Mi promenis tiel enpense, ke mi preskaŭ preteriris cin, Onklo Hein. La okupiteco estas sufiĉe kontrolebla. Aktuale estas junulo ĉe ni en antaŭaresto, kiu provis perforti dekokjaran knabinon."

"Kia ĉeloveko!" murmuris la maljunulo, densajn fumnubojn elblovante. - "Estas fiafero hodiaŭtage kun tiu juna rubaĵo. Ili havas plu neniun responsosenton en la bulbo. En mia tempo oni ne aŭdis pri tiaĵoj. Oni certe ankaŭ serĉadis plezuron, sed neniu naskus en sia kernego enpaki knabinon. Kiam mi mem eksvatis kidinon, diris ŝia patro: "Aŭskultu, Hein, ci nur faru fiaĵojn, ĉar tiam ci spertos ion, sciu !" Kaj je tio la oldulo faris ne mis-kompreneblan geston. En sia propra junaĝo li estis "puŝisto" ĉe la malnova urboteatro. Li estis pursanga popolano kaj giganta knabego. Same kiel nun, oni ankaŭ tiutage povis aĉeti tikedojn ĉe la giĉedo por eniri l'antikvan keston. Sed, liatempe tio okazis aliel ol aktuale. Tiam ne ĉeestis polanoj por teni burĝonon en la branĉo. Estis tiam: tiu kiu montris sin la plej forta muskolulo, akiris la kukon. Oni ĉiam vidis multe da homoj kiuj ŝatus havi tikedojn, ne kuraĝante mem eniri la amason, kaŭze de la interbataloj kiuj okazis ĉiutage antaŭ la giĉetoj. Mia bopatro nu

estis virego kiu, por dogeto po sidloko, ŝarĝis sin flanken tolki la homojn en la vico antau la giĉetoj, kaj tiam aĉeti tikedojn por tiu aŭ aliu. Nu, ci komprenas, tio ne ĉiam iris glate, sed mi certigas al ci, ke tiu oldulo tenis iom en siaj pinĉiloj. Se iu faris scoriton, tiam li vokis: “Nur paŝu el la vico, ci merdorostisto, kaj mi rapide prilumos cin !” Li estis ĉiam vestita por tiaspeca polkopartieto. Kiam li havis nenion farenda, li diris al mia bopatrino: “Aŭdu Jans, donu al mi mian lantrikotan ĉemizon kaj miajn kaŭĉukajn pantoflojn. Mi foje enketos ĉu estas puŝada laboro.” Nu, kaj kiam li estis preta por la kroĉetaĵo, tiam li verŝis alkinkon en la kravaton kaj iris sur siaj ruĝaj kaŭĉukpantofloj al la placo. Iam tiam okazis kroĉetaĵo, sed tiam li donis tian molotegon sur ilian klapon, ke ili tuje estis elnombritaj. La buboj malantaŭ la giĉedoj havis la konvulsiojn pro li. Iun vesperon, post kiam ili en la mateno — por tiel diri — estis insultintaj lin, iun vesperon do, li venis reguligi la konton. Ĝis klopado ne iris, ĉar unu el tiuj tiked-vendistoj proponis gluteton al li, por fortrinki la malpacon. Nu, tiaspecaĵojn la oldulo ne abomenis; tiu certe ŝatis stekleton. Jes ja, knabo, estis tiu la bona malnova tempo; oni nur serĉu tian hodiaŭ!”, sopiris Onklo Hein, prenante tabakbuleton el sia kupra tabakujo. “Sed rakontu jam,” daŭrigis li, “tiu knabego kiu sidadas ĉe vi, ĉu li venas de tie-ĉi el la vesinaĵo ?”

“Jes, estas iu Jan Buller el la N---strato.”

“Kion diras ci? Tiun fiokon mi ja konas! Kaj tiu oko pojmatis la knabinon tute sole ?”

“Li asertas, ke jes, sed tio estas mensogo. La infanino rakontas ke ili estis triopo. Unu el la aro havus grandan nazon.”

“Unu havus grandan nazon,” ripetis Onklo Hein, penseme frot-ante sian kalvan kranion per la tubo de sia pipo, “nature, jen ni havas, mornulo !”

“Ĉu vere, Onklo Hein ?”

“Jes, la oko kun tiu granda nazo devas esti Gerrit la Grandulo, el la Pumpostrato. Li laboras en la legomomerkato. Oni kromnomas lin Kolbulo. Li kaj Jan estas ĵurfidelaj kamaradoj, oni vidas ilin ĉiam kune. Ili aspektas kvazaŭ ĝemeloj. Ci nur iom sprafkiĝu; ci trovos ke estis li.”

“Tio ŝajnas bonega ideo, Onklo Hein. Dankon, viro!”

## Het Wilde Westen

Ik verliet het bureau en liep in gepeins verzonken de Lindenstraat in, toen ik plotseling mijn naam hoorde noemen. Hé, daar stond ome Hein, van wie ik in *Kamer 13* al het een en ander verteld heb. Mijn oude vriend stond in de ingang van zijn deur behaaglijk aan zijn pijpje te trekken. Hij wenkte mij en liep toen meteen naar binnen.

"Zo, jonge, hai je het druk in je *fuikie* ?" vroeg ome Hein, toen we gezeten waren.

"Ik liep zo in gedachten, dat ik je haast voorbij zou lopen, ome Hein. Met de drukte gaat het wel. Momenteel hebben we een *snuiter* in bewaring, die een meisje van achttien gemolesteerd heeft."

"Wat een *bietser*," mompelde de oude man, terwijl hij dikke rookwolken uitblies. "Het is me tegewoordig wat met dat jonge spul. Ze hebbe geen verantwoordelikhaidsgevoel in derlui donder. In main taid hoorde je daor niet van. Je ging ook op stap, maar je haolde het niet in je *kersepit* een meisie *pakan te neme*. Toen ik met me *schar* verkering aanknoopte, zei der vaoder: "Hoor es, Hain, ja haolt met Jans geen *haorlemmerdaikies* uit, want dan begraip je het wel, hè !" En daorbai maokte die ouwe een gebaor, dat je wel begreep. In zain jonge taid was ie "dringer" geweest an de ouwe stadsschouwburg. Hai was een effectieve Leidsebuurter en een reus van een kerel. Net as nou kon je er ook in die dage kaortjes an de lokette kope, as je er naor de ouwe kast wou. Maor in zain taid ging dat effe anders dan tegenwoordig. Toen had je geen *smeris* om een *ogie in het zeil* te houwe. Het was toen: wie de grootste krachtpatser was, *won de koek*. Je had natuurlijk heel wat mensen, die graag een kaortje wilde hebbe maar niet tussen het volk dorste vanwege de veldslage, die iedere morge voor de lokette geleverd werde. Nou was me schoonvader een kerel, die voor een *haitje* per plaos z'n bezighaid er in had de mense in de rai en voor het loket opzai te *kaile* en dan kaortjes voor deze en gene te neme. Nou, je begrijpt wel, dat ging niet altaid zo fris, maor die ouwe die had wat in zain *jatte*, dat kan ik je verzekere. Als ze *kapsones* maakte, dan riep ie: "Kom maor uit de rai, *kaonebroajer*, dan sal ik je effe *bailichte*!" Hai was altaid voor zo'n knokpartai gekleed. As ie niks te doen had, zai hai tege me schoonmoeder: "Zeg Jans, geef me ouwe baoje hemd en me Engelslere broek es an. Ik ga es kaike, of er wat te *dringe* valt." Nou, en as ie dan klaor was voor de *wals*, dan nam ie een flinke *B.Z.K.* achter z'n kieze en liep op z'n rooie traipe pantoffels naar het plain. Soms was het *haokstuk*, maor dan gaf ie se een *soejan* op derlui *klabbes*, dat ze meteen ware uitgeteld. De kerels achter het loket *hadde de stuipe* voor hem. Op een

avond, dat ze hem 's morgens geaffronteerd hadde, zal ik zo maor es zegge, kwam ie 's avond verhaol haole. Tot *knokke* is het niet gekomme, want die kaortjesverkoper bood hem een *slokkie* an, om het af te drinke. Nou en daor was die ouwe ook niet vies van, die lustte wel een *proppie*. Ja jonge, dat was in de goeie ouwe taid; kom der nou es om," zuchtte ome Hein, terwijl hij een slaatje uit zijn koperen tabaksdoos nam.

"Maar vertel es," vervolgde hij, "die knaop die bai jullie zit, komt ie hier uit de *bais* ?"

"Ja, het is ene Jan Buller uit de N---straat."

"Wat zeg je? Die *goser* ken ik wel. En heb die dat maissie alleen te *graoze* genomme ?"

'Hij beweert van wel, maar dat is gelogen. Het kind vertelt, dat ze met zijn drieën waren. Een van het stel had een grote neus."

"Eén had een grote neus," herhaalde ome Hein, terwijl hij nadenkend met de steel van zijn pijp over zijn kale schedel streek, "natuurlijk, ik ben er, *russie* !"

"O ja, ome Hein ?"

"Ja, die *snuiter* met die grote neus moet Gerrit De Groot zain uit de Appelenstraot. Hai werkt op de groentemarkt. Ze noemen hem de *Scheg*. Hai en Jan zain twee gezwore kamerade, je ziet ze altaid saome. Het laike wel tweelinge. Je moet maor eens verder *snorre*, je zal zien, dat het em is !"

"Dat lijkt me een uitstekende gedachte, ome Hein. Bedankt !"

Prenita el *Misdaad in de Hoofdstad,* fare de Karel Groen,
Eksa Adjudanto ĉe la civilpolico de Amsterdamo –
Eldono Daamen, Hago 1955.



Estas drugo! Ĝis nun mi ne estis en bonaĵoj kun li, sed ek-de hodiaŭ ne plu samas. (Li denove premas lian manon.) Ni estas bubuloj, ĉu ne vere, Marcel ? [4.04]

[Desegnis Marijke Vanwelkenhuysen]

## 4.10 Enigma Epitafo

La ĉi-sekva aŭtenta beletraĵo — fragmento el la *Balado pri la Pendumitoj* — venis el la plumo de François Villon, poeto-studento-rabisto en Francujo de la 15-a jarcento. Li apartenis al la tiutempe fifamega bando de *Coquillards* (Konkuloj). Komparcele mi apudigas unue la antikvan originalon kaj ĝian francan tradukon en aktuala prozo; poste la saman rime en Arkaika Esperanto kaj proze en normala Esperanto, sen pretendo pri poeta talento. La leganto nepre komprenu ke **temas pri intenca rebuso**, al kiu la malnova arkaika lingvaĵo havigas kroman maskon de nerekonebleco. Estas do fakte escepta kulmino de sekreta lingvaĵo. En ordinara Esperanto-traduko oni kompreneble evitas tian komplikiĝon, provante male redoni ĝin kiel eble plej klare kaj simple, kiel ekzemple faris belan tradukon el la sama fonto la nederlandano Wouter Pilger. Nur se oni nepre volas reprodukti käj la sekretecon käj la antikvan etoson de la originalo, tiukaze Gavaro ligita al Arkaika Esperanto ebligas eĉ tiel akrobatan entre-prenon.

Aparouart la grant mathegaudie
Où accolez sont duppez et noirciz
Et par les anges suivants la paillardie
Sont greffez et print cinq ou six
Là sont bleffeurs au plus hault bout assis
Pour les evaige et bien hault mis au vent
Escheque moy tost ces coffres massis
Car vendengeurs des ances circunsis
Sen brou et du tout aneant
Eschec eschec pour le fardis !

*Sur le gibet c'est la Grande Assemblée*
*où (on) est pris au cou et étranglé.*
*Les bourreaux, à chacun selon ses crimes,*
*en ont empoigné et saisi une demi-douzaine.*
*Là les tricheurs (sont) assis sur le plus haut bout,*
*en tant que logis, bien mis au vent.*
*Fuyez donc tous ces coffres-forts,*
*car (les) voleurs, les oreilles détranchées,*
*sont tout à fait anéantis.*
*Fuyez, fuyez la corde (du gibet) !*

*Sobr' Angikumil' Sobratz' del Conqu' estat*
*Dupeys Shingoy ghis Zadushom in Bentlig'*
*Repiguistoy ityoe pru prestupnam Stat'*
*Qùin aù ses tafasiit por kolotam Rig'*
*Conphipist' tenait Pint' in Mortstupor'*
*cùazes Altloghuzh' estut cum Wentetos'*
*Isityuyn Phortcophroyn phughuyms phor !*
*char Ungist' Utzunoy detranchit' sonz Glor'*
*tut-ityeloe nemyiguit' estoims nos.*
*Del is-Crawateg' yad runuyms pru Horor'*

Sur la pendumilo estas kunveno de la Konko.
La koloj de la viktimoj sidas ĝis strangolo en ŝnurligo.
La ekzekutistoj tie, pro ilia krima stato,
seson kaptis por puna pendumigo.
(Tie) la trompistoj tenas la pinton en mortostuporo,
kvazaŭ (ĝi) altloĝejo estus kun venta etoso.
Ni fuĝu for (de) ĉiuj-ĉi monŝrankoj,
ĉar (kiel la) ŝtelistoj (kun la) oreloj detranĉitaj sen gloro,
tute tiele neniigitaj ni estos.
De ĉi-pendumila ŝnuro ni ja fuĝu pro hororo.

## 4.11 Kiel festeni sen mono

Blaise Cendrars (1887-1961) estas pseŭdonimo de Frédéric Sauser, franca poeto kaj prozisto, kiu provis kun sia amiko Apollinaire esprimi kubismon per literaturaj rimedoj. Tio liveris novan artotendencon nomitan "simultanismo" pro apudigado de eventoj kiuj en realo situis en malsamaj tempoj aŭ lokoj. Kiel tre aventurema mondvojaĝanto, li verkis aventurajn romanojn kaj aŭtobiografiojn. Depende de la temo, lia stilo alternas inter epiko kaj liriko. Sentoj, memoraĵoj, bildigoj sinsekvas rapide per kurtaj frazoj kaj aplikado de nenormaj vortoj, ofte disigitaj de ilia kutima senco. Ĉiuj liaj romanoj konsistigas pledon por agemo, riskemo, kaj ribelemo kontraŭ "deca" vivmaniero. Jen episodo en la flandra havenurbo Antverpeno.

El lia *Bourlinguer* (Travladi) el 1948 venas la jena fragmento, kun afabla permeso de la eldonejo Éditions Denoël, Parizo.

Ni estis nudaj je metalo.

Ni vidis la rostaĵojn flugi.

La malsato ŝprucis el niaj okuloj; sed plej turmente estis ke la okuloj elstaris el niaj kapoj pro abomeno kaj naŭzo kiam ni alrigardis tiun akvo-amason en la rivero Schelde, vinkolora en la kuŝiĝanta sunlumo, malklarega kiel orumita absintaĵo, ŝanĝebrila kaj muareca, kvazaŭ ĉiuj alkoholaĵoj de la star-trinkejoj estis en ĝin verŝiĝintaj kaj ne la mazuto kaj aliaj pisaĵoj de la boatoj farantaj oleomakulojn, dum ni du trovis nenion por trinki, nenion trinkeblan.

La hepato al ni sekiĝis.

Tio ne povis daŭri plu.

*Mi mortsoifas apud la fontano ..*

"Venu," diris mi al Korzakov, "ni faru iom da tualeto. Poste mi sendos cin kun komisiono en la urbon."

Ni estis ĉe la fontano malantaŭ la fiŝ-halo. Ni nudigis la torson kaj komencis grandan sinlavadon sen okupi nin pri la klaĉaĵoj kaj sen respondi al la alvokoj kaj mokrimarkoj de popolaj virinoj kiuj preterpasis aŭ de la fiŝistinoj kiuj en Antverpeno posedas same

akratranĉan langon kiel ie ajn, precipe en Marseille. Ĉe Korzakov la busto estis tute kovrita de tatuaĵoj, kio signifas ke ni devis toleri piprizitajn spritaĵojn.

Sed mi tenis firman ideon en la kapo.

Tualeton farinta kaj la spiriton tre klara, mi kuntrenis non Korzakov al bona restoracio, frunte kontraŭ la stacidomo. Je la alia flanko de la stacidomo troviĝas la kvartalo de la Judoj; ne ia getto, sed riĉa kvartalo kie loĝadas diamantistoj.

“Kio okazas al ci ?” demandis Korzakov, “ĉu ci akiris heredaĵon ?”

“Ne cerbumu, eksidu. Unue ni krustumu,” respondis mi. “Poste ni ja vidos …”

Kaj mi mendis solidan tagmanĝon plus kelke da bonaj boteloj. Korzakov manĝegis kiel kvaropo kaj mi samsam. Estis la dekunua horo de la tago, kiam ni eksidis ĉetable.

Je la tria posttagmeze, kiam mi mendis kafon, likvorojn, cigarojn kaj ankaŭ skribilaron, ni ankoraŭ ne estis kvietigintaj nian malinofon.

“Iras pli glate,” diris Korzakov, ruktante orienteske. – “Kaj nun, kion ni faros ?”

“Ni trinkos kafon.”

“Ĉu ci estas krezia ?” diris Korzakov. “Plivole ni surmetu la kurbotojn, ni ventumu …!”

La salono estis trikvarone vaka. La kelnero en sia provizumejo. La kasistino enfermita en sia siduĵo. La ĉefkelnero babilis kun sia lasta kliento, iu maljuna sinjoro dekoraciita, kiu estis faldanta sian buŝtukon. Ni povis forkuri ! Kaj Korzakov okulumis al la malfermita pordo.

“Ne,” mi diris al li. “Mi restas. Mi skribos leterpecon por ci, kiun ci portos eksteren. Ni ja vidos la sekvon…”

La sinjoro ĥaĥatis. Li estis malantaŭen ŝovinta sian seĝon. Li tenis sian cigaron oblikverze plantita. Li ekspedadis al si glasetojn da maljuna Chartreuse-likvoro. Li preferis verdan anstataŭ flavan. Li ŝercis kun la kelnero, kiu estis pasiginta provtempon en Parizo kaj kiu demandis al li novaĵojn pri mi ne scias kiu trinkuĵo de Montmartre, post ekfajrigo de alumedo.

“Jen,” mi diris al Korzakov, enmanigante al li la leteron kiun mi ĵus sigelgluis. “Iru porti ĝin al la indikita adreso. Estas je nur kelkapaŝa distanco, ĉe l’alia flanko de la stacidomo, kaj klopodu alkonduki aŭ la okon aŭ la djengon; ci transdonos al li tiun-ĉi kitabeton.”

Mi elpoŝigis la malgrandan volumon de Villon. La kelnero ekstaris flanken. Mi klinis min al Korzakov: “Tio valoras ĉirkaŭ 2000 Bokojn. Ne perdu la rombon kaj agu bistre!”

Korzakov rigardis min, surprizite. Li turnis kaj returnis la etan Villon en siaj grandegaj manaĉoj. Estis tre antikva eldonaĵo: Lyon 1532. Li ŝajnis ne kompreni kion fari pri ĝi.

“Sage !” mi pafis. “Ŝtopu tion en la poŝon kaj senkotigu la plankon.”

Li akaparis sian malnovan ĉapelon, batŝovis ĝin sur la kapon kaj eliris ventrapide.

“Estas stranga birdo,” rimarkis la kelnero.

“Jes, estas stranga birdo.”

“Ĉu la sinjora moŝto deziras ion pluan?” ankoraŭ demandis la kelnero.

“Ankoraŭ donu cigaron al mi.”

Ĉu Korzakov efektive revenos aŭ ĉu mi finos tiun-ĉi tagon en la malliberejo ?

“Ĉu vi havas ĵurnalojn ?” mi demandis al la kelnero. Mi ekbruligis la cigaron.

La kelnero alportis la ĵurnalojn.

Tio nomiĝas “manĝofriponado”, kia beleta vorto ! Ĉu oni skribu tion kun aŭ sen interliga O, mi cerbumis, suĉtirante je mia cigaro.

Ŝajnis al mi, ke la kelnero nun kaŝobservas min.

Mi mergiĝis en la ĵurnalojn. Sed mi estis malatentema kaj baldaŭ mi forpuŝis ilin, komforte dorsklinante min al la benketo, tirante je mia cigaro kaj sendante blu-fumajn ringojn antaŭ min.

Estas nur en tiu momento, elstreĉante la gambojn, ke mi rimarkis ke miaj ŝuoj estas ŝiritaj kaj malpuraj, kaj mi konsciis kiel aĉe mi markizis.

Sed ĉio estis al mi indiferenta.

Mi sentis invadan inklinon al janamo.

La malseketa pajlo de la karceroj. Jen kio eble estus pli inda ol kotonsako aŭ ol lito el ŝiraperta volvotolo en iu staplejo plena je trablovoj.

Mi vere emegus dormi.

Tiuj-ĉi homoj de la hotelbranĉo kaj limonadvendado malhavas psikologian senton: ili konsideras fiindustriiston kun falsaj juveloj je ĉiuj fingroj kiel aŭtentan princon, kaj kiel inkognitan monarĥon iun spertegulon de la kartludado, ĉar li kolorvitrumas kun aro da valizoj ornamitaj per krono. Oni legas tion ĉiutage en la gazetoj. Sed mi ...?

"Kelnero !"

"Sinjoro ?"

"La kalkulon !"

*Mi plore ridas apud la fontano ...*

La hormontriloj turniĝadis.

Estas en Belgio iomete kiel en Rusujo; oni manĝas preskaŭ je ĉiu horo, sed en Antverpeno estas du momentoj de fulmeksplodo: je la dekunua horo, antaŭ la malfermo de la Grenborso, kiu okazas tagmeze, kaj je la kvina horo vespere, la tempo kiam alvenas la diamantistoj.

Sed mi ankoraŭ ne pagis la kalkulon, ĉar Korzakov daŭre ne estis reveninta.

Ha, tiu konfipisto !

## Grivèlerie

*On n'avait pas le rond.*

*On la sautait.*

La faim nous giclait des yeux; mais le plus dur, c'est que les yeux nous sortaient de la tête et de dégoût quand nous contemplions toute cette eau de

l'Escaut, vineuse au soleil couchant, trouble comme une absinthe dorée, chatoyante et moirée comme si tous les alcools des bars s'étaient déversés en elle et non le mazout et les autres *pisses* des bateaux qui faisaient taches d'huile et que, nous deux, nous ne trouvions rien à boire, rien de potable.

*On la séchait.*

Cela ne pouvait continuer.

"<Je meurs de soif auprès de la fontaine…>"

"Tiens, dis-je à Korzakow. On va faire un brin de toilette. Puis je t'enverrai faire une commission en ville."

Nous étions à la fontaine derrière la halle aux poissons. Nous nous mîmes le torse nu et commençâmes un grand lavage sans nous occuper des commérages et sans répondre aux inter-pellations et aux quolibets goguenards des femmes du peuple qui passaient et des poissonnières, qui à Anvers ont la langue aussi bien pendue que partout ailleurs et, notamment, à Marseille. Korzakow avait le buste couvert de tatouages, c'est dire que nous entendîmes de *raides.*

Mais j'avais mon idée.

La toilette faite et l'esprit bien lucide, j'entraînai Korzakow dans un bon restaurant en face de la gare. De l'autre côté de la gare est le quartier des Juifs; pas un ghetto, mais un quartier cossu où habitent les diamantaires.

"Qu'est-ce qui te prend ? me dit Korzakow. Tu as touché un héritage ?" – "T'en fais pas. Assieds-toi. On va d'abord *croûter,* lui répondis-je. Après, on verra…"

Et je commandai un bon déjeuner et quelques bonnes bouteilles. Korzakow mangeait comme quatre et moi *itou.* Il était onze heures du matin quand nous nous étions mis à table; à trois heures de l'après-midi, quand je commendai le café, les liqueurs, des cigares et de quoi écrire, nous n'avions pas encore apaisé notre *fringale.*

"Ça va mieux, dit Korzakow en rotant à l'orientale. Et, main-tenant, qu'est-ce qu'on fait ?"

"On prend le café."

"T'es pas *louf* ? dit Korzakow. On *les met, on fonce …*"

La salle était aux trois quarts déserte. Le garçon à l'office. La caissière enfermée dans son *cagibi.* Le maître d'hôtel bavardait avec un dernier client, un vieux monsieur décoré qui pliait sa serviette. On pouvait filer ! Et Korzakow clignait de l'oeil vers la porte ouverte.

"Non, lui dis-je. Je reste. Je vais te faire un mot. Tu iras le porter en ville. On verra bien..."

Le monsieur *rigolait.* Il avait reculé sa chaise. Il avait son cigare planté de *traviole.* Il s'envoyait des petits verres de chartreuse. Il préférait la verte à la jaune. Il plaisantait avec le garçon qui avait fait un stage à Paris et qui lui demandait des nouvelles de je ne sais pas quelle *boîte* à Montmartre, après avoir flambé une allumette.

"Tiens, dis-je à Korzakow en lui tendant la lettre que je venais de cacheter. Va la porter à l'adresse indiquée. C'est à deux pas, de l'autre côté de la gare, et tâche de me ramener le type ou le *pèze,* tu lui remettras ce petit *bouquin...*"

Je sortis de ma poche le petit volume de Villon. Le garçon s'était écarté. Je me penchai vers Korzakow:

"Celà vaut dans les 2.000 *balles.* Ne fais pas la *mariole* et *grouille-toi...*"

Korzakow me regarda, étonné. Il retournait le petit Villon dans ses pattes énormes. C'était une édition ancienne. Lyon 1532. Il ne paraissait pas savoir qu'en faire.

"*Gy!* lui fis-je. Fourre ça dans ta poche et *fous le camp...*"

Il s'empara de son vieux chapeau, se la plaqua sur la tête et sortit en coup de vent.

"C'est un *numéro,*" me dit le garçon.

- Oui, c'est un numéro.

"Est-ce que Monsieur désire encore quelque chose?" me demanda le garçon.

"Donnez-moi encore un cigare."

Est-ce que Korzakow allait revenir ou finirais-je la journée en prison ?

"Vous n'avez pas un journal ?" demandai-je au garçon.

J'allumai mon cigare.

Le garçon m'apporta les journeaux.

Cela s'appelle de la *grivèlerie,* quel joli mot ! Celà s'écrit-il avec une ou deux L? me disais-je en tirant mon cigare.

Il me semblait que le garçon me surveillait maintenant du coin de l'oeil. Je me plongeai dans les journaux. Mais j'étais distrait et, bientôt, je les repoussai pour m'adosser bien confortablement contre la banquette, tirer sur mon cigare et envoyer devant moi des ronds de fumée bleue.

C'est alors seulement, étandant les jambes, que je remarquai que mes souliers étaient déchirés et sales et je me rendis compte combien je *marquais mal.*

Mais tout m'était égal.

J'avais une furieuse envie de *roupiller.*

La paille humide des cachots. Cela valait peut-être mieux qu'une balle de coton ou le lit d'un emballage éventré dans un entrepôt plein de courants d'air.

J'avais réellement envie de dormir.

Ces gens de l'hôtellerie et de la limonade manquent de psychologie: ils prennent un chevalier de l'industrie avec de faux bijoux à tous les doigts pour un prince authentique et pour un monarque incognito un roi du jeu de cartes qui *fait de l'épate* avec un jeu de valises frappées d'une couronne. Ça se lit tous les jours dans le journal. Mais moi…?

"Garçon !"

"Monsieur ?"

"L'addition !"

"<Je ris en pleurs auprès de la fontaine…>"

L'heure tournait.

En Belgique c'est un peu comme en Russie, on mange à peu près à toutes les heures, mais à Anvers, il y a deux *coups de feu* dans les restaurants: à onze heures, avant l'ouverture de la Bourse aux grains, qui est à midi, et à cinq heures du soir, l'heure où les diamantaires arrivent.

Mais je ne payais toujours pas l'addition, Korzakow n'étant toujours pas revenu. Ah! le *salaud* !

## 4.12 Pri tio kion mi aŭdis en la pombarelo

Jim Hawkins, la heroa knabo de tiu-ĉi historio, hazarde ekdormas en granda barelo sur ŝipo velanta al iu neloĝata insulo kie estas kaŝita la trezorego de iama pirato. Subite lin vekas la voĉoj de apudaj ŝipanoj konspirantaj kontraŭ la kapitano kaj la estroj de la ŝipo.

Prenita el *Treasure Island* (Trezorinsulo), aventura romano de la skota verkisto kaj aventuristo Robert L. Stevenson (1850-1894), multfoje represita kaj ankoraŭ daŭre retradukata kaj refilmigata, same kiel lia fantascienca *Dr. Jekyll and Mr. Hyde*. La dialektan stilon mi juĝis nesufiĉa por apliki ankaŭ Popidon.

En tiu-ĉi momento mi komencis kompreni la signifon de iliaj vortoj. Per Mastro de Fortuno ili evidente celis nenion alian ol vulgaran piraton, kaj la sceneto, kiun mi subaŭskultis, formis la lastan akton en koruptado de la honestaj maristoj; eble de la lasta lojala surŝipe. Sed ĉi-teme mi ne bezonis longe cerbumi ĉar, post kurta ekfajfo de Silver, aliris tria viro kiu eksidis ĉe la ceteraj.

“Dick estas regula,” diris Silver.

“Ho, mi scias ke Dick estas regula,” rediris la voĉo de la stiristo, Israel Hands. “Li ne estas stultulo, Dick !” Kaj li turnis sian tabakmaĉaĵon kaj kraĉis. “Sed aŭdu,” li daŭrigis, “jen kion mi ŝatus ekscii, Rostisto: kiom longe ni ankoraŭ devos aktori kvazaŭ damnita proviantŝipo ? Mi jam sufiĉe toleradis tiun Kapitanon Smollett; li jam pli of sufiĉe hirudis min, je la tondro ! Mi deziras enpaŝi tiun lian kajuton, jes ja. Mi deziras ties spicaĵojn kaj vinojn kaj ceterajn.”

“Israel,” diris Silver, “cia kapo ne multe valoras, nek iam nek nun. Sed ci kapablas aŭdi, mi supozas; almenaŭ ciaj oreloj estas sufiĉe grandaj. Nu, jen kion mi diras: ci kuŝos en la pruo, kaj ci laboros pene, kaj ci parolos mallaŭte, kaj ci restos malebria, ĝis kiam mi eligos la ordonon; kaj ci povos kovadi ovojn je tio, mia filo !”

“Nu, mi ne diris ne, ĉu ?” grumblis la stiristo. “Kion mi demandas estas nur: kiam ? Jen, kion mi demandas.”

“Kiam ? Je la potencoj de l’infero!” kriis Silver. “Nu do, se ci volas scii, mi diros kiam. Jen ni disponas unuaklasan mariston, la

Kapitanon Smollett, kiu veligos la tondran ŝipon anstataŭ ni. Jen ni disponas tiujn bienulon kaj kuraciston, kun tiu mapo kaj ĉio kio necesas. Mem mi ne scias kie ĝi situas, tiu insulo, ĉu ? Nek scias ci. Nu do, mi intencas lasi tiujn bienulon kaj kuraciston malkovri la mason, kaj helpi al ni transporti ĝin surŝipen, je la potencoj ! Tiam ni vidos. Se mi povus esti certa pri vi ĉiuj, vi filoj de trabreĉantoj, tiam mi igus Kapitanon Smollett navigadi kun ni duonvoje returne, antaŭ ol mi ekfrapus!"

"Nu, ŝajnas al mi, ke ni tamen ĉiuj estas ŝipistoj tie-ĉi," respondis la viro Dick.

"Ni ĉiuj estas antaŭkastelaj helpantoj, ci volas diri," mordis Silver. "Ni kapablas stiri en iu direkto, sed kiu establos tiun ? Tio estas je kio vi, mastroj de la fortuno, rompus la dentaron, unu kaj ĉiuj. Se mi povus fari mian volon, mi igus Kapitanon Smollett manovri nin ĝis almenaŭ en la alizeoj; tiele ni jam ne bezonus timi mis-kalkulojn kaj porciumigojn al unu kulereto da akvo entage. Sed mi konas vian specion. Mi finos kun ili sur la insulo, tuj post kiam la grapo estos surŝipe, kaj domaĝe estos. Sed vi neniam sentas vin feliĉaj ĝis vi ebriiĝis. Diskrevigu min, mia koro sikiĝas, velante kun tiaj kiaj vi !"

"Trankviliĝu, Longa John," vokis Israel, "Kiu kontraŭas cin ?"

"Ba, kiom multe da fieraj ŝipoj, ĉu vi pensas, mi jam vidis frakas-itaj ? Kaj kiom multe da viglaj knabegoj sekiĝantaj en la suno sur la Ekzekuta Doko ?" kriis Silver. "Kaj ĉio-ĉi nur pro tiu sama hasto kaj hasto kaj hasto. Ĉu vi aŭdas ? Mi travivis pli ol nur du-tri okazaĵojn surmare. Se vi nur volus stiradi firman direkton, kaj teni la nazon en la vento, vi rajdus sur luksoĉaroj. Sed ne, vi ne; mi konas vin ! Vi nepre havu buŝplenon da rumo morgaŭ, kaj pendumigos vin mem."

"Ĉiu scias, ke ci estas speco de monaĥo, John; sed troviĝas aliaj, kiuj povas manovri kaj stiri sambone kiel ci," diris Israel. "Tiuj ŝatis iom da plezuro, sciu. Ili ne estis tiel alt-seke fortkarakteraj, nene, sed ili sapumis la intestojn, kiel gajaj kompanianoj, ĉiu el ili."

"Ĉu vere ?" respondis Silver. "Nu, kaj kie ili estas nun ? Pew estis tiaspeculo, kaj li mortis kiel almozulo. Flint ankaŭ estis, kaj tiu mortis pro rumo en Savannah. Ha jes, ili estis lertaj ŝipanoj, lertegaj ! Nur, kie ili estas nun ?"

“Sed,” demandis Dick “se ni estingos ties kandelon, kion ni faros pri ili poste ?”

“Jen viro laŭ mia plaĉo !” kriis la kuiristo admire. “Jen kio nomiĝas aranĝi aferojn. Nu, kion ci pensas ? Forlasi ilin altere kiel perditojn ? Tio estus laŭ la maniero de Anglujo. Aŭ distranĉi ilin kiel porkaĵon ? Tio estintus laŭ Flint kaj Billy Bones.”

“Billy vere estis viro por tio,” diris Israel. “Mortaj homoj ne mordas, kutimis li diri. Nu, li nun estas morta li mem; li nun konas la frunton kaj dorson de tiu afero; tamen, se iam revenis fortika ŝipisto en la haveno, estis li !”

“Prava ci estas,” rediris Silver, “fortika kaj vigla. Sed notu tion-ĉi: mi estas kvieta viro — mi estas eĉ ĝentilulo, kiel vi diradas; sed tiun-ĉi fojon estas serioze. Devo estas devo, kamaradoj. Mi voĉdonas “morton”. Kiam mi sidados en la parlamento kaj veturados en mia kaleŝo, mi ne deziros iun el tiuj mar-advokatoj, en nia kajuto, reveni hejmen, ne atendite, kiel la diablo dum preĝado. Atendi estas mia ordono; sed kiam la momento estos alveninta, lasu la sabrojn tranĉadi !”

“John !” kriis la stiristo, “ci estas virego !”

“Diru tion, Israel, kiam ci vidos,” respondis Silver. “Nur unu aferon mi postulas — mi postulas Trelawney por mi mem. Mi tordos al tiu la bovidan kapaĉon de sur la korpo per tiuj-ĉi manoj. —“Dick !” li diris, subite rompante sian diradon, “Ekstaru kaj, kiel bona knabo, iru preni pomon por mi, kvazaŭ por iom malsekigi mian pipon.”

### What I heard in the Apple Barrel

By this time I had begun to understand the meaning of their terms. By “*a gentleman of fortune*” they plainly meant neither more nor less than a common pirate, and the little scene that I overheard was the last act of corruption of one of the honest hands — perhaps of the last one left aboard. But on this point I was soon to be relieved, for Silver giving a little whistle, a third man strolled up and sat down by the party.

“Dick’s *square*,” said Silver.

“Oh, I know’d Dick was *square*,” returned the voice of the coxswain, Israel Hands. “He’s no fool, is Dick”. And he turned his quid and spat. “But, look

here," he went on : "Here's what I want to know, Barbecue: how long are we a-going to stand off and on like a blessed bumboat ? I've had a'most enough o' Cap'n Smollett; he's *hazed* me long enough, by thunder ! I want to go into that cabin of his, I do. I want their pickles and wines, and that."

"Israel," said Silver, "your head ain't much account, nor ever was. But you're able to hear, I reckon; leastways, your ears is big enough. Now, here's what I say: you'll berth forward, and you'll live hard, and you'll speak soft, and you'll keep sober till I give the word; and you may *lay to that*, my son."

"Well, I don't say no, do I ?" growled the coxswain. "What I say is, when? That's what I say."

"When ! By the powers!" cried Silver. "Well now, if you want to know. I'll tell you when. The last moment I can manage; and that's when. Here's a first-rate seaman, Cap'n Smollett, sails the blessed ship for us. Here's this squire and doctor with a map and such — I don't know where it is, do I ? No more do you, says you. Well, then, I mean this squire and doctor shall find the *stuff*, and help us to get it aboard, *by the powers* ! Then we'll see. If I was sure of you all, sons of *double Dutchmen*, I'd have Cap'n Smollett navigate us half-way back again before I struck."

"Why we're all seamen aboard here, I should think," said the lad Dick.

"We're all foc's'le hands, you mean," snapped Silver. "We can steer a course, but who's to set one? That's what you gentlemen split on, first and last. If I had my way, I'd have Cap'n Smollett work us back into the trades at least; then we'd have no blessed miscalculations and a spoonful of water a day. But I know the sort you are. I'l finish with 'em at the island, as soon's the *blunt's* on board, and a pity it is. But you're never happy till you're drunk. Split my sides, I've a sick heart to sail with the likes of you !"

"Easy all, Long John," cried Israel. "Who's a-crossin' of you ?"

"Why, how many tall ships, think ye, now, have I seen laid aboard ? And how many brisk lads drying in the sun at Execution Dock ?" cried Silver, "and all for this same hurry and hurry and hurry. You hear me? I seen a thing or two at sea, I have. If you would on'y lay your course, and a p'int to windward, you would ride in carriages, you would. But not you ! I know you. You'll have your mouthful of rum to-morrow, and go hang."

"Everybody know'd you was a kind of *chapling*, John; but there's others as could hand and steer as well as you," said Israel. "They liked a bit o'fun, they

did. They was'nt so high and dry, nohow, but they *took their fling*, like jolly companions every one."

"So ?" said Silver, "Well, and where are they now ? Pew was that sort, and he died a beggar-man. Flint was, and he died of rum at Savannah. Ah, they was a sweet crew, they was ! On'y where are they?"

"But," asked Dick, "when we do *lay them athwart*, what are we to do with 'em, anyhow ?"

"There's the man for me !" cried the cook, admiringly. "That's what I call business. Well, what would you think ? Put 'em ashore like maroons ? That would have been England's way. Or cut 'em down like that much pork ? That would have been Flint's or Billy Bones's."

"Billy was the man for that," said Israel. "Dead man don't bite, said he. Well, he's dead now hisself; he knows the long and short on it now; and if ever a *rough hand* come to port, it was Billy."

"Right you are," said Silver, "rough and ready. But mark you here. I'm an easy man — I'm quite the gentleman, says you; but this time it's serious. Dooty is dooty, mates. I give my vote — death. When I'm in Parlyment, and riding my coach, I don't want none of these sea-lawyers in the cabin a-coming home, unlooked for, like the devil at prayers. That is what I say, but when the time comes, why, let her *rip*!"

"John," cried the coxswain "you're a man !"

"You'll say so, Israel, when you see," said Silver. "Only one thing I claim — I claim Trelawney. I'll wring his calf's head off his body with these hands. — Dick !" he added, breaking off "you just jump up, like a sweet lad, and get me an apple, to wet my pipe like."



*Del is-Crawateg' yad runuyms pru Horor'*
De ĉi-pendumila ŝnuro ni ja fuĝu pro hororo.
[4.10]

## 4.13 La Lukto

> Eugène Sue (1804-1857) estis nobela franca verkisto kaj maristo. Inter liaj multaj verkoj plej sukcesaj estis *Les mystères de Paris* (La misteroj de Parizo) kaj *Le juif errant* (La vaganta Judo). Li ne estis brila stilisto sed ja posedis abundegan imagopovon kaj scipovis dramecigi eĉ plej simplajn eventojn. En la unua libro, kiun li ankaŭ transformis al furora teatraĵo, temas pri la vivosorto de eksterleĝa filineto de princo (Rodolfo), kiu knabino trafas en la manojn de fiegaj subsociaj virinoj, kiuj faras el ŝi prostituitino kaj kabareda kantistino. En tiu mizera situacio hazarde renkontas ŝin la princo, sen ke ili ambaŭ scias pri la intima parenceco. Li ekŝatas ŝin kaj fine adoptas, informita pri la vero. Sed ŝia terura kaj peka pasinteco torturas la junan virinon, kiu fine eniras monaĥinejon, kie ŝi pie mortas. En la jena fragmento la princo unuafoje alfrontas eksan punlaborulon, kiu poste iĝos lia fidela servisto.

La viro, pri kiu ni parolas, malrapidigis sian paŝadon, enirante la Fabostraton. La horloĝo de la Justicpalaco batis dek horojn. Kelke da virinoj, ŝirme kaŝitaj sub la volbaj porĉoj mallumaj, duonvoĉe kantis iun popularan kanzoneton. Unu el tiuj-ĉi sendube estis konatino de la viro ĉar, haltante antaŭ ŝi, li ekprenis ŝin je la brako.

- Ĉu estas ci, la Simeristino ? Ci pagos al mi la brinkon aŭ mi danc-igos cin sen violonoj !

- Bonan vesperon, Buĉoko, sed mi ne havas monon, respondis la juna virino tremante.

La viro, kiu inspiris grandan timon al la tuta kvartalo, rediris:

- Se cia monujo estas malplena, la estruno de la beberejo donos al ci krediton pro cia bela vizaĝo.

- Dio mia ! Mi jam ŝuldas al ŝi la luprezon de la vestaĵoj kiujn mi portas !

- Ha, ci protestas ! ekkriis la Buĉoko, kaj en la mallumo li donis tiel sovaĝan baton al la malfeliĉa knabino, ke ŝi eligis akran dorlorkrion.

- Jen, anstataŭ averton !

La bandito estis apenaŭ prononcinta tiujn parolojn, kiam li siavice eligis teruran blasfemon: - Mi estas pikita en la hando ! Ci grategis min kun cia tondilo ! Li furioze ek-postkuris la simeristinon en la malluman koridoron.

- Ne proksimiĝu, vokis ŝi, aŭ mi krevos al ci la okulojn per mia tondilo !

Tiu-ĉi minaco ne haltigis la krimulon, kiu pluen paŝis en la mallumo. Fine li sukcesis per siaj fortaj manoj kapti maldikan kaj gracilan pojnon.

- Ha, mi tenas cin ! Ci faros danceton !

- Estas ci, kiu faros danceton ! diris vira voĉo.

- Ne premu tiel forte, Ruĝa-Brako ! Estas vere, ke mi eniris cian domon, sed …

- Ne estas Ruĝa-Brako.

- Se ne estas Ruĝa-Brako, pentriĝos bersuko sur la grundo, elkriis la Buĉoko. Forprenu cian manaĉon !

Anstataŭ vidi sian ordonon plenumita, la Buĉoko sentis kuntiriĝi la ŝtalajn muskolojn de tiu-ĉi mano, kiu nun ekkaptis lin ĉe la gorĝo.

Eskapinte al la fundo de la koridoro, la Simeristino komencis supreniri la ŝtupojn; ŝi haltis por krii al sia defendanto: - Ho, dankon, sinjoro, sed mi nun jam estas en sekureco; lasu lin kaj faru bonan atenton, estas la Buĉoko !

Oni aŭdis dum kelkaj minutoj la bruon de obstina lukto.

- Ĉu ci do volas ke mi cin konfitu ? elkriis la fripono, faregante sovaĝan fortostreĉon por liberigi sin de la kontraŭulo. – Ci pagos por la Simeristino kaj por ci mem. Se ci ne lasos mian kravaton, mi demordos cian nazon ! aldonis li per sufokiĝanta voĉo.

- Mia nazo estas tro malgranda kaj ci ne vidas sufiĉe klare !

- Tiam venu sub la glacibulo !

- Jes, venu, ni povos rigardi unu la alian en la blankon de la okuloj.

Daŭre tenante la Buĉokon je lia kolumo, la nekonato tiris tiun ĝis la pordo kaj lin ĵetis en la straton, apenaŭ heligatan de lumo de strata gaslanterno.

La Buĉoko stumblis sed, tuje refirmiĝante, li sin lanĉis kun furiozo al la nekonato, kies malgrasa talio ne ŝajnis rilati al la nekredebla forto kiun li demonstris.

Kvankam ekstreme lerta en profesia luktado, la Buĉoko trovis sian mastron. La nekonato aplikis specon de gambohoko kun admirinda rapideco, kaj lin renversis dufoje. La Buĉoko refaris atakon, muĝante pro kolero.

Tiam la alia pluvigis sur lian kapon hajlon de pugnobatoj, tiel krude distribuataj kiel per fera ganto. Tiuj-ĉi pugnobatoj estis tiel fremdaj al la regularo de kutima luktado, ke la Buĉoko duone senkonsciiĝis kaj falis kiel bovo sur la pavimon, ĝemante: - Mia tolaĵo estas lavita !

## La bagarre

L'homme dont nous parlons ralentit sa marche en entrant dans la rue aux Fèves. Dix heures sonnaient à l'horloge du Palais de Justice. Des femmes embusquées sous les porches voûtés, obscurs, chantaient à mi-voix quelque refrain populaire. Une de ces créatures était sans doute connue de l'homme, car, s'arrêtant devant elle, il la saisit par le bras.

- C'est toi, la *Goualeuse* ? Tu vas me payer l'*eau d'aff*, ou je vais te faire *danser sans violons.*

- Bonsoir, *Chourineur,* mais je n'ai pas d'argent, répondit la femme en tremblant.

L'homme qui inspirait une grande terreur dans le quartier, reprit: - Si ta bourse est vide, l'*ogresse* du *tapis-franc* te fera crédit sur ta bonne mine.

- Mon Dieu ! Je lui dois déjà le loyer des vêtements que je porte !

- Ah, tu discutes ! s'écria la *Chourineur,* et dans l'ombre il donna un coup de poing si violent à cette malheureuse qu'elle poussa un cri de douleur aigu.

- En guise d'avertissement !

Le bandit avait à peine prononcé ces mots qu'à son tour il poussa un effroyable juron: - Je suis *piqué à l'aileron* ! Tu m'as égratigné avec tes ciseaux !

Il se précipitait furieusement à la poursuite de la *Goualeuse* dans le couloir obscur.

- N'approche pas, lui dit-elle, ou je te crève les yeux avec mes ciseaux.

Cette menace n'arrêta pas le bandit qui avançait toujours dans l'obscurité. Il finit par saisir dans ses fortes mains un poignet mince et frêle.

- Ah, je te tiens ! Tu vas *danser* !

- C'est toi qui vas *danser* ! dit une voix mâle.

- Ne serre pas si fort, Bras-Rouge. Je suis dans ta maison, c'est vrai, mais …

- Ce n'est pas Bras-Rouge.

- Puisque ce n'est pas Bras-Rouge, il va y avoir du *raisiné parterre,* s'écria le *Chourineur.* Enlève ta patte !

Au lieu de voir son ordre obéi, le *Chourineur* sentit se tendre les muscles d'acier de cette main, qui vint le saisir brusquement à la gorge.

Réfugiée dans le fond du couloir, la *Goualeuse* avait commencé à monter les marches; elle s'arrêta pour crier à son défenseur: - Oh, merci, monsieur, mais je suis en sûreté maintenant; laissez-le et prenez bien garde à vous, c'est le *Chourineur.*

On entendit pendant quelques secondes les bruits d'une lutte acharnée.

- Tu veux donc que je t'*escarpe* ? s'écria le bandit en faisant un violent effort pour se débarrasser de son adversaire. - Tu vas payer pour la *Goualeuse* et pour toi. Si tu ne lâches pas ma cravate, je te mange le nez, ajouta-t-il d'une voix étouffée.

- J'ai le nez trop petit et tu n'y vois pas clair.

- Alors viens sous le *pendu glacé.*

- Viens, oui, nous pourrons nous voir dans le blanc des yeux.

Tenant toujours le *Chourineur* au collet, l'inconnu l'attira jusqu'à la porte et le jeta dans la rue à peine éclairée par la lueur du réverbère.

Le *Chourineur* trébucha, mais, se raffermissant aussitôt, il s'élança avec furie contre l'inconnu, dont la taille mince ne semblait pas annoncer la force incroyable qu'il déployait.

Quoique de première habileté à la savate, le *Chourineur* trouva son maître. L'inconnu lui passa une sorte de croc-en-jambe avec une dextérité merveilleuse et le renversa deux fois. Le *Chourineur* revint à la charge en rugissant de colère.

Alors l'autre fit pleuvoir sur sa tête une grêle de coups de poing aussi rudement assénés qu'avec un gantelet de fer. Ces coups de poing étaient si en dehors des règles de la savate, que le *Chourineur* en fut étourdi et tomba comme un boeuf sur le pavé en gémissant: - *Mon linge est lavé.*



**kroĉeto – polko - razbojo**

## 4.14 La Milionula Adoptofilo

La tradicio de bildstriaj felietonoj en Francujo estas jam malnova, same kiel en aliaj landoj. Ĝis la komenco de nia jarcento ili estis sufiĉe bonmoraj aŭ nur pure aventuraj. Sed en 1908 aperis Louis Forton, kun novastila bildstriaro, kiu rompis kun la ofte ŝajnvera kriteriaro de la oficiala burĝa socio, prezentante la veran proletan vivon kaj ĝian senmoralecon en ties plej fia — kvankam humurplena — lumo: *La bande des Pieds Nickelés* (La Bando de la Nikelpieduloj), en kiu la tri "herooj" estis nek honestaj, nek sindediĉaj, nek ŝatindaj, sed estis metiaj trompistoj kaj ŝtelistoj, senĉese en la ĉaso de novaj friponaĵoj, jen kun jen sen sukceso. Iliaj fihistorioj vagis ien ajn laŭ la fantazio de la aŭtoro, sed la kadro kaj etoso restis konstante samaj: tiuj de la "maltaŭga knabo". Nur unufoje, dum la Unua Mondmilito — pro publika postulo pri patriotismo — oni vidis ilin, kurioze soldatvestitaj — fari verajn heroaĵojn.

Ĉirkaŭ ili evoluis ĉiuspecaj mal-figuroj: kripluloj, malbeluloj, memŝataj burĝoj, viragoj*. La desegnaĵoj estis, same kiel la enhavo, aĉaj, nekonstantaj, skizaj ĝis karikatureco. La tekstoj kompreneble ankoraŭ situis tiutempe sub la bildoj, sed oni vidis jam aperi ie-tie la konatajn modernajn "parol-balonetojn" kun onomatopeoj kaj flankvoĉoj. Kvankam la rakontoj aperadis en periodaĵo por infanoj *(l'Épatant)*, iliaj temoj, sarkasma senmoraleco kaj sporadaj politikaj aludoj, forte alparolis la plenkreskan legopublikon. Tio eksplikas ilian popularecon ĝis antaŭ la Dua Mondmilito. Ĉefa kaj centra allogo de la "Nikelpieduloj" tamen estis, ke ili parolis ne la oficialan francan lingvon de lernejoj kaj de literaturo, sed tiun aŭdatan en la ordinarpopolaj kvartaloj de Parizo: *l'argot du milieu* (slango de la krimmedio).

Post la milito, en multe pli milda, stilizita, komika, kaj moderna vesto, sed ankoraŭ same plenegaj je francaj slangaĵoj, ilin revivigis la duopo Pellos (desegnado) kaj Montauban (rakontoj). Tiele la mensa triopo de Forton plu vivadas post lia morto, kaj eĉ trovis imitantojn en pluraj landoj, kun aliaj figuroj, sed same satiraj kaj popularaj ĉe plenkreskuloj. [Komparu ankaŭ la specimenon de la usona Li'l Abner-serio en mia "Popido".]

Charles de Fabrik, spitema dekdujara fileto de milionulo ne rimarkite fuĝas for el la domo de sia riĉega patro, pro punminaco, vestite per ĉifona kostumo por ke oni ne facile retrovu lin, sed kun multe da mono en la poŝo. Li sin kaŝas en la bagaĝokofro de iu aŭtomobilo. La "Nikelpiedula Triopo" — Ribuldengo, Krokinjolo, kaj Filoŝardo — kiu lastatempe sen granda sukceso provas "perlabori" sian vivon per ŝtelado de aŭtoj, malkovras la infanon. Pro lia inventita rakonto pri mizero kaj teruraj travivaĵoj, la naivuloj kortuŝite kondukas la "orfon" al sia komuna mansardo, kie la juna ruzulo laŭplaĉe ilin gvidos per la nazo.




Tirita el la bildrakonto ***Les P.N. et leur fils adoptif*** (La N.P. kaj ilia adoptita filo), publicita en Parizo 1973, kun afabla permeso.


Ni devas trovi ion por krustumi ... Tiaspecaj knaboj bezonas ŝovi solidaĵon inter la dentojn !
Dap ... necesas antaŭ ĉio trovi ĝobon, ĉar kiom koncernas la pinĉadon de ostoskuiloj, mia veziko superplenas.
?
!
Se ni nur disponus kapitalon... faskon da bizonoj ... Ni povus aranĝi asunton kaj elmergiĝi ...
LA POSTAN MATENON, JUNA CHARLES LEVIĜAS FRUE KAJ ELIRAS PIEDOPINTE.
Ĉu ci kapablas pagi, almenaŭ ?
Sendube ... Mi povus aĉeti eĉ vian tutan magazenon !
VINO
POC


KAJ KIAM LA TRI KUNULOJ VEKIĜAS ...
La ĉildo turnis la haluksojn ... Jen kulmino !
La almenaŭ povintus averti nin !
Ah, la metotoj nuntempe ... Ili plu ne konas dankemon !
Ili havas nenion en la ventro ...
.. kaj eĉ malpli en la kapo !
Ĉu vi finos fari tiajn fasadojn ? Li estas for ... Pli bone tiel !
Tio kovas al mi splenon ... Mi jam vidis tualecon por instrui nian metion al junulo kiu ŝajnas esti talenta. Ni estas ja artistoj ...


EN TIU MOMENTO LA KNABO ENVENAS ...
De kie ci venas, kidaĉo ?!
Ĉu mi ? ... Mi iris al la maĉaristo, ĉar en via stokuĵo mankas provizoj !
Nunu ... kie ci trovis ĉion-ci ?
Ĉe la komercisto ... mi ja kelkiom prunteprenis ... sen permeso !
Mi ja diris, ke li estas naturdotita !
Dap ... Sed tio minacas re-fali al ni sur la melonojn ... kaj ni ne estas parencoj ...
NENIAM LA NIKELPIEDULOJ AKTSEPTIS ASOCIIGON KUN IU AJN, KAJ KROKINJOLO MEMORIGAS AL SIAJ KUNULOJ, KE ILI CIAM ESTIS NUR TRI. TRA BONO KAJ MALBONO. TAMEN, ESCEPTOKAZE, RIBULDENO EKHAVAS IDEON ...
Kaj se ni adoptus lin? Tiel li aŭtomate iĝus membro de la kompanio !


TIU IDEO AKCEPTATAS. EVIDENTE NE POVAS ESTI DEMANDO PRI PROCEDADO AL LAŬLEGA ADOPTO PAROLO DE LA NIKELPIEDULOJ ESTANTE MEMSUFIĈA. ĜOJE, LA KABO OKUPAS SIN DUM LA SEKVANTAJ TAGOJ PER LA NUTRADO DE SIAJ ADOPTOPATROJ, SED TIO NE POVAS DAŬRI SENFINE, ĈAR LIA MONO FORFANDIĜAS ... KIO PLI ESTAS: LA NIKELPIEDULOJ NE POVAS TOLERI PLI LONGE KE INFANO SUBTENI ILIN, EĈ SE TIU ESTAS ADOPTOFILO.
Mi hontas ...
Mi samsam ...
Tio ne povas daŭri plu ... Mi riskos ekpaŝon ... Ne grave se mi englutos la hokon ...
Mi, mi volas volas proponi scenaron !
CHARLES FARAS AL ILI PROPONON: PRIŜTELI LUKSAN VILAON. FAKTE ESTAS LA PROPRAĴO DE UNU EL LIAJ ONKLOJ, KIUN LI MALŜATEGAS ...
Estas plene da altvaloraĵoj ... neniam estas loĝanto !
POST SUFIĈE DA HEZITADO, LA NIKELULOJ AKCEPTAS, KAJ LA POSTAN VESPERON ...
Estas facile ĵetapertebla flugilo malantaŭe !
Tondre, ci ja bonege frandas la ĉokoladon !



Make the *jailbird sing* (confess).
Igu la barilbirdon (arestiton) kanti (konfesi).

## 4.15 Militpaŭzo kun la Medio

Jan de Hartog (1914-2002) estis multeverka romanverkisto nederlanda, kiu dummilite fuĝis al Britio kaj ek-de tiam skribis ankaŭ anglalingve. Li skribis egale verve kaj atentokapte teatr-aĵojn *(Skipper next to God, The fourposter)* kiel historiaĵojn *(Gods Geuzen, Het koninkrijk van de vrede)* — La Geŭzoj de Dio, La Pacama Regno = pri Kvakeroj. Dum restado en Usono (1963), li verkis laŭvere pri la teruraj vivokondiĉoj en hospitalo de Houston *(The Hospital)* kio vekis tian venĝemon ke li devis fuĝi el la lando.

> El liaj sukcesplenaj detektivromanoj antaŭmilitaj mi elektis *Spoken te koop* (Fantomoj por vendo), verkita sub pseŭdonimo F.R. Eckmar, pro la dialektecaj kaj slangaj dialogoj en ĝi [vd ankaŭ en Popido] – Eldono Elsevier, Amsterdamo 1972.

"Longa Daan, ci polvizas min, knabo !" diris Inspektisto Boyarski, sub admona minaco de sia montrofingreto. Ili staris apogante sin duope kontraŭ la bufedo de la "La Kabaredo" de Julieta; ekstere la suno ŝvebis alte en la ĉielo, sed en la "gaja amuzejo" ŝajnis regi daŭra nokto.

Longa Daan kun granda malestimo kraĉis demandosignon sur la polvan plankon.

"Suspektema homo ne meritas sian manĝofon." Lia nodeca malgranda fingro indikis la "garnitan sandviĉon", kiun li estis prezentinta kiel kulpopagan oferon al la malgranda viro.

Yarski suspiris, frapetis amike la ŝultron de la Longulo, ĝuste super la brustopoŝo de ties veŝto, vaka je butonoj. "Aĥ, Daan…" li murmuris kapobalancante, "Aĥ, Longulo… Tondre ! Kio sidas tie?" Liaj diligentaj fingroj pripalpis la verdebrilan surfacon de la brustokovraĵo de Daan.

"He ?" grumblis tiu konsternite, serĉkaptis en sia veŝtopoŝeto kaj elfiŝis malnovmodan broŝon, kiun li rigardis per grandaj mirigitaj okuloj, ree kaj ree ĝin turnante. "Krevu…" li balbutis. "Mi povus ĵuri, ke mi donacis tiun aĵon al Jetje !"

"Fi !" kriis la eta inspektisto indignite. "Fi, Daan ! Ci do tamen kukumis min !"

“Kiel do ?” informpetis la alia, subite suspektema.

“Ĉu ci ne diris, ke la porketo, kiun Jaapje Ladder kunportis el la Betuwe-regiono, estis subite malaperinta ?”

“Jes ! Nu, kaj ? “

Malica lumo ekardis en la akraj okuloj de la Longulo. Liaj pugnoj kunpremiĝis tiele ke la fingrartikoj krakis.

“Kiamaniere ci akiris tion, etulo ?!” siblis li. Lia varmega spirado viŝeblovis trans la frunton de Yarski.

“Samkiel ci, Longulo,” venis la trankvila respondo.

Daan batalis en silento. Oni neniam scias … homoj devas esti prudentaj kun tiaj angilopetroj kia tiu-ĉi…”

“Mi ĵus trovis ĝin en la poŝeto, dum ci ĉeestis,” li diris malafable.

“Kaj mi pensis ke ci kredas esti doninta ĝin al Jetje ?”

“Estis iu alia. Tiun-ĉi aĵon mi ĵus trovis en la poŝeto…”

“Strange; ankaŭ mi ĝin trovis en iu poŝeto, sciu !”

“Ĉu ci ?”

“Jes, mi.”

“Kieee ?!”

“En la subjupa poŝeto de Jetje.”

La Longulo grumblis. La vivo de Yarski pendis je silka fadeno. Tiam li kraĉis, kiel lamo post engluto de mustardo, kaj diris per forta amara voĉo: “Kaj tiuloj devas konduki nin al la rekta vojo !”

“Nu, jes, Longulo, celo sanktigas la rimedojn, knabo …”

“Jen ĝuste kion ankaŭ mi kutimas diradi !”

La unuan fojon de-post tre longa tempo Inspektisto Boyarski de la Havenpolico ne trovis vortojn por respondi.

Longa Daan pro spito mem formanĝis la garnitan sandviĉon.

“Unue li ĝin krastas de sinjorino el sub ŝiaj jupoj, kaj poste li ĝin ĉifumas en mian veŝtopoŝeton … Jen kion mi nomas impertinenta !” li kartavis per plena buŝo.

## Wapenstilstand in het milieu

"Lange Daan, je *bedondert* me, jongen !" zei inpecteur Boyarski onder bestraffend dreigen van zijn wijsvingertje. Ze stonden ge-tweeën tegen de tapkast van Jetjes Cabaret geleund; buiten stond de zon hoog aan de hemel, maar in de leutige lokaliteit scheen het altijd nacht te zijn.

Lange Daan spoog met grote minachting een vraagteken op de stoffige vloer.

"Een kwaaddenkend mens, *is z'n bikkie niet waard.*" Zijn knoestige pink wees op het "broodje halfom", dat hij de kleine man bij wijze van zoenoffer had aangeboden.

Yarski zuchtte, klopte de Lange vriendschappelijk op de schouder, juist boven het borstzakje op diens van knopen verstoken vest. "Ach Daan …" mompelde hij hoofdschuddend. "Ach Lange, … *verhip,* wat zit daar ?" Zijn vlugge vingers tastten over het groenglimmige oppervlak van Daan's borstbekleedsel.

"Hè ?" bromde deze onthutst, grabbelde in zijn vestzakje en viste er een ouderwetse broche uit op, die hij met grote verbaasde ogen bekeek, terwijl hij haar om en om draaide. "*Verrek…*" stamelde hij. "Ik zou d'r op kenne zwere dat ik dat ding an Jetje kado had gedaan …"

"Foei !" riep de kleine inspecteur verontwaardigd uit. "Foei, Daan ! Je hebt me dus toch *besjoemeld* !"

"Hoezo ?" informeerde de ander, plotseling achterdochtig.

"Zei je niet, dat de *poet,* die Jaapje Ladder meegebracht had uit de Betuwe, plotseling verdwenen was ?"

"Ja. Nou, en ?"

"Ja… èn !" meesmuilde de kleine man.

Een kwaadaardig licht gloeide in de scherpe ogen van de Lange. Zijn vuisten balden zich dat de knokkels kraakten.

"Hoe kom JIJ daaran, kleine ?!" siste hij. Zijn hete adem vleugde over Yarski's voorhoofd.

"Net zoals jij, Lange," kwam het rustig antwoord.

Daan vocht in stilte. Je kon nooit wete … een mens most voor-zichtig weze met een *gladakker* as deze hier …

"Ik vind 't zonet in me zakkie, waar je bij stong," zei hij nors.

"En ik dacht dat je 't aan Jetje gegeven meende te hebben ?"

"Dat was een ander. Dit ding vind ik net in me zakkie...."

"Gek, ik heb 't ook in een zakkie gevonden, mot je weten."

"Jij ?!"

"Ja, ik."

"Waaroo ?"

"In Jetjes onderrokszakkie."

De Lange gromde. Yarski's leven hing aan een zijden draad. Toen spoog hij als een lama die mosterd geslikt heeft, en zei met grote, bittere stem: "En dàt mot ons nou op 't rechte pad brenge !"

"Ja, Lange, 't doel wettigt de middelen, jongen ..."

"Da's nou krèk wat ik ook altijd zeg, hè."

Voor het eerst sinds zeer lange tijd was inspecteur Boyarski van de Havenrecherche om een wederwoord verlegen.

Lange Daan at uit protest 't broodje halfom zelf op.

"Eerst *jat*-ie 't een dame onder d'r rokken vandaan en dan frommelt-ie 't in m'n fessiezakkie... je mot maar pertaal weze !" snauwde hij met volle mond.



**rjadovo en sia ŝtalskatolo**

## 4.16 Fatala Pokerludo

> Tony, dura krimulo antaŭ nelonge forlasis la prizonon. Post lia multjara karcerpuno, lia famo kiel sentima gangstero sufiĉe paliĝis en la "medio". Unuafoje li nun reludas pokeron kun samspecanoj, sed daŭre perdas altajn sumojn. Ĝis kiam li ricevas kaŝinformon, ke en la partio estas juna fals-ludanto.

Kun ŝultroj volbitaj, kapo klinita, la Etjenano ŝajnis okupi sin nur pri sia ludo. Oni vidis plu nenion de li, escepte la supron de lia kaŝtankolora feltoĉapelo. Ne sekvante, li atendis ĝis la disdonvico estos al la Nicano. Li vere ŝajnis interesiĝi sole pri siaj ĵetonoj, aranĝitaj antaŭ li. Sed sub la ŝlapo lia dekstra okulo ne ĉesis smotradi la handojn de la Nicano, kiu miksis la kartonojn. Subite, lia voĉo siblis kiel viprimeno: "Lasu ciajn pinĉilojn kie ili estas, etulo ! Ne plu moviĝu !"

Li ilin movis, la siajn, nia Tony. En lia pugno ekaperis kalibro kun mallonga muzelo, garnita per senbruigilo; donaco de Roger el Frisko [San Francisco en Usono].

"Ne provu preni cian pafeŝon, ci Bordujano," ordonis li, vigle ekstarante. "Lasu ciajn ungojn sur la mindado ! Je la plej eta gesto, estos cia festotago !"

Senĉese okulrigardante la tablorondon, li lokigis sin malantaŭ la Bordozanon. La nuko de tiu mutuo estis alloga, rozeca, sen-obstrukcia. Tony ĝin frapis per sia armita pugno. La oko sinkis sur la seĝon. La injektilo de la Etjenano sidis denove en paf-pozicio. Glitigante sian maldekstran manon sub la brakon de la Bordozano, li aperigis ties pafilon, ŝovitan malantaŭ la zono. Ĉu P.38 ? Bela ilo ! Per sia dikfingro li mallevis la sekurbutonon: la malgranda ruĝa F por "fajro" aperis. Li proksimiĝis al la Nicano. Ties-ĉi manoj, sur la bundelo de kartoj, tremis. Ŝvito likis de lia melono; ĝi tratrempis lian perlogrizan bersalino-ĉapelon.

Per la P.38 la Etjenano seke frapis la fingrojn de la junulo. Li ordonis: "Returnu la pakaĵon da lartoj. Mi volas ĵari la tri lastajn!"

La alia obeis. La okuloj de la Etjenano ekflamis, rimarkante tri kunfiksitajn asojn. "Tiele do, ci volis trabreĉi min, juna kojonulo ! Ci kredis ke mi estus kaptebla per tia truko !"

"Sed, Tony…" klopodis la Nicano, konsternegita pro miedo.

"La klapon fermu !"

“Tamen, Tony…” klopodis siavice la estro de la kajuto.

La Etjenano smotris lin unu sekundon, sendis rigardon al la du aliaj igratantoj, piĉistoj kiuj laborigis siajn damaĉojn ie en Svisio, kaj grumblis: “Mi scias, ke vi tri ne estas en la komploto. Do, staru je ripozo ! Komprenite ?”

Per sia voruĵita pugno li faris signon al la kasoko. “Kiom da gipso tenas ci en la grapuĵo ?”

La Pjernulo, kies flava haŭtkoloro ĝiris al griza, balbutis: “Dek du cent Klabojn.”

“Metu ilin antaŭ min kaj preste !”

“Tony…”

Unu el la marorozoj estis leviĝonta proreflekse. Antaŭ la artilerio subite direktita liaflanken, li residiĝis.

“Tiuj-ĉi pismoj estas al ni ĉiuj,” li spîte havis la kuraĝon daŭrigi. “Ni estas regulaj. Ni ne frandis la ĉokoladon ke estas kukumisto en la partio. Ke ci reprenu cian djengon, estas juste. Sed ne la nian !”

La Etjenano aperigis komencon de cinika rideto elreviga. Mal-antaŭen paŝante, li iris dehokigi sian surtuton. En unu el la fosuĵoj li ŝtopis la P.38 kaj, surmetinte la vestaĵon, revenis al la tablo. Per sia libera hando li kunrastis la kasafon, kiun estis sur ĝin deponinta la lamulo.

“Vi elmerdiĝu inter vi !” li mordis el la buŝangulo. “Kaj nun ci, la…” La Bordozano elpuŝis ĝemon. Sango ruĝe makulis la blankan kolumon de lia silka ŝirto.

Tony lin alsmotris, poste reportis sian rigardon al la Nicano. Li reparolis: “Nun al ci, junulo, por evitigi al ci fanfaroni ke ci kukumis min ĉe la pokero, mi havigos al ci …”

Odoro pli forta ol tiu de fumo kaj alkoholvaporo diskrevis la aeron. La Nicano estis kotaĉiginta sian brukon. Liaj fenestroj malfermiĝis terurigitaj. La miedo gluis sur lian retinon grizecan vualon; li certe plu ne multon distingis, tiu-ĉi specialisto de la ĥugarado.

Dekonon de sekundo la ŝutilo de Tony eksaltis en la kavaĵo de lia pugno. Estis ĉiam tiumaniere ke li kutimis pafi. Iom suben, por reveni al la celataĵo. Trifoje sinsekve li disĵetis la karamelaĵon. La

unua ŝtala fabo estis heririnta la Nicanon en lia frunto, sub lia 'perlogriza'. La du sekvantaj, pli malsupre, ĉe la vangoj. La fifrato sinkis antaŭen, en siajn proprajn brakojn. Lia borsalino ruliĝis sur la tablon. Ero de cerbo platiĝis kontraŭ la tri asoj ...

Kiam Tony konstatas, ke lia amatino Mado ne restis fidela, li iĝas venĝema kontraŭ la socio kaj, spite la danĝeron, decidas preni parton en ambicia krimo kiun planas liaj amikoj Jo kaj Mario. Ili detalege organizas prirabon de granda juvelejo, en kio asistos Cesar, itala eksperto pri monŝrankoj. La plano plenumatas tutperfekte kaj en absoluta silento. Sed post la sukceso kaj eskapo, Cesar estas tiel malprudenta donaci altvaloran ringon el la rabaĵo al amata kantistino. Pierre, la ĉefo de rivala bando tion rimarkas, divenas la devenon de la juvelo, kaj sub mort-minaco devigas non Cesar diri kiu kaŝas la juvelaron: Mario. Li tiam sendas sian anaron tien por perforte akapari la riĉaĵon. Sed Mario obstine rifuzas malkaŝi la kaŝejon, kio kostas al li la vivon. Pierre tiam prenas la fileton de Jo kiel ostaĝon, por ke tiu-ĉi transdonu la trezoron. Sed nun Tony ekagas; unue li mortpafas la perfidinton kaj tiam postĉasas la rivalan ĉefon. Okazas interpafado kiu mortigas ambaŭ Jo kaj Pierre. Sed ankaŭ Tony estas grave vundita. Li ankoraŭ sukcesas per lastaj fortoj redoni la infanon al ties patrino, sed tiam li mortas siavice en sia aŭtomobilo.

## La partie de poker fatale

Epaules voûtées, tête rentrée, le Stéphanois parut s'intéresser à son jeu. On ne voyait plus que le dessus de son feutre marron. Sans suivre, il attendit que la donne soit au Niçois. Il semblait vraiment ne s'occuper que des *plaques* disposées devant lui. Mais sous le bada, son oeil droit ne cessa pas de *bigler* les *paluches* du Niçois qui battait les *cartons*. Soudain, sa voix siffla comme une lanière:

"Laisse tes *pognes* où elles sont, p'tit. Bouge plus !"

Il les bougeait, les siennes, le Tony. Dans son poing venait de jaillir un *calibre* au mufle court, muni d'un silencieux: un cadeau de Roger de Frisco. "Essaie pas de prendre ton *flingue*, toi, l'Bordelais," ordonna-t-il, en se levant vivement. "Laisse tes *griffes* sur la *carante*. Au moindre geste, c'est ta fête!"

Sans cesser de surveiller la tablée, il vint se poster derrière le Bordelais. La nuque du *gonze* était tentante, rose, bien dégagée. Tony l'écrasa de son poing armé. Le *gniard* s'affaissa sur sa chaise. La *seringue* du Stéphanois était de nouveau en position de tir. Glissant sa main gauche sous le bras du Bordelais,

il s'empara du *feu* planqué dans la ceinture. Un P.39 ? Bel outil ! Du pouce, il rabattit le cran de sûreté: l'F rouge minuscule apparut. Il s'approcha du Niçois. Les mains de celui-ci, sur la *packson* de cartes, tremblaient. La sueur giclait de son *trognon*, elle trempait son Borsalino gris perle.

Avec le P.38, le Stéphanois cogna sec les doigts du jeunot. Il ordonna: "Retourne-mois le paquet *d'brèmes*, j'veux *mater* les trois dernières."

L'autre obéit. L'oeil du Stéphanois prit feu en apercevant trois as accolés.

"Ainsi, tu voulais *m'doubler*, jeune *connard*. T'as cru que j'pouvais être nature à c'truc-là !"

"Mais Tony !..." tenta le Niçois, décomposé par le *tracsir*.

"Ta *gueule* !"

"Voyons, Tony ..." tenta à son tour le *taulier* du *clandé*.

Le Stéphanois le *zieuta* une seconde, expédia un coup de *châsses* aux deux autres *flambeurs*, des *daurés* qui avaient leurs *gonzesses* en Suisse, et grommela: "J'sais que vous trois, vous n'êtes pas dans l'coup. Alors, mettez-la *en veilleuse*. Compris ?"

De son poing *enfouaillé*, il fit signe au *carreur*. "Combien que t'as *d'pognon* dans ta carre ?"

La Gambille, dont le jaune du teint virait au gris, balbutia: "Douze cents *sacs*."

"Pose-les devant moi et *fissa* !"

"Tony ..." Un des *harengs* venait de se lever à demi, par réflexe. Devant l'artillerie subitement braquée de son côté, il se rassit. "Ces *lovés* sont à nous tous," eut-il néanmoins le courage de poursuivre. "Nous, on est *réguls*. On n'était pas *au parfum* qu'y avait un *turbin* dans la partie. Que tu récupères ton *aspine*, c'est juste. Mais pas la nôtre !"

Le Stéphanois amorça un sourire cynique, désabusé. A reculons, il alla décrocher son pardessus. Dans l'une des *glaudes*, il fourra le P.38 et, après avoir endossé le vêtement, revint vers la table. De sa *pogne* libre, il rafla le *fric* que venait d'y déposer le boiteux.

"Vous vous *démerderez* entre vous," lâcha-t-il du bout des *crocs*. "Maintenant, toi, le ..." Le Bordelais poussa un gémissement. Du sang tachait de rouge le col blanc de sa limace de soie.

Tony le *bigla*, puis ramena son regard sur le Niçois. Il reprit: "Maintenant toi, le jeunot, pour t'éviter de te vanter de m'avoir *cavé* au poker, j'vais te …" Une odeur plus forte que celle de la fumée et des alcools creva dans l'air. Le Niçois venait de saloper son *froc*. Ses *carreaux* s'ouvrirent, horrifiés. La frousse plaquait sur sa rétine un voile grisâtre; il ne devait plus y voir grand-chose, le spécialiste du *flambe* !

Un dixième de seconde, le *flingue* de Tony sauta dans le creux de sa *pogne*. C'est toujours de cette façon qu'il tirait. Un peu bas, pour remonter à la cible. Trois fois de suite il *balança la sauce*. La première *bastos* avait *morflé* le Niçois au front, sous le "gris perle". Les deux suivantes, plus en dessous, vers les joues.

Le *malfrat* s'écroula en avant, dans ses propres bras. Son Borsalino roula sur la table. Un brin de cervelle s'aplatit sur les trois as.

Fragmento prenita el *Du rififi chez les hommes* (Klabifado ĉe la knabegoj), fare de Auguste Le Breton — Eldono Gallimard, Parizo 1965.



La kartludantoj (Bruegel)

## 4.17 Pridemandado

> Ed McBain, ĉefa kaŝnomo de la novjorka multverkisto Salvatore Lombino (1926-2005), furoras precipe pro siaj krimromanoj ĉirkaŭ fikcia 87-a Policejo en usona grandurbo, en kiu ĉefrolas Detektivo Carella. Liaj vervaj dialogoj kaj kvazaŭ dokumenta raportado pri la funkciado de tia policejo jam baldaŭ destinis liajn historiojn al filmado en formo de felietono. La aŭtoro eble plej bonkonatas pro lia verko kaj poste filmo *Blackboard Jungle* (Nigratabula Ĝangalo) el 1955. Apenaŭ sciate estas ke li liveris ankaŭ la skripton por la hororfilmo *The Birds* (La Birdoj) de Alfred Hitchcock.

* * * * * * *

> Ĉiesulino (Martha) estas arestita, dum sia "komerco" kun konata fripono (Lennie), pro enketo rilate al murdo. Spiteme ŝi rifuzas vesti sin kaj do transportatas en preskaŭ natura stato al la policejo, kune kun sia amoranto.

La patrolistoj de la ter-etaĝo ĉiuj sukcesis, sub tiu aŭ alia preteksto, supreniri al la Pridemandada Ĉambro, por ĵeti rigardon al la grasa ruĝhara smutulino, kiu sidis tie respondante demandojn en sia nura kalsoneto. Kaj Parker diris al Miscolo en la Administrada Oficejo: "Se ni farus krimokan pikĉon de ŝi en tiu stato, ni povus brokanti la fotaĵojn kvin Dogojn popece."

"Tiu-ĉi policejo akiris logoĉarmon, jen kion," respondis Miscolo, kaj li reiris al sia tajpolaboro.

Parker kaj Hawes eliris en la urbon por peti traserĉan permesilon. Supre, Meyer kaj Carella kaj Leŭtenanto Byrnes pridemandis la du suspektatojn. Byrnes, ĉar li estis pliaĝa viro kaj do supozeble malpli impresebla de la mambesta ekspono, pridemandis Martha Livingston en la Pridemandada Ĉambro je ekstremaĵo de la koridoro, dum Meyer kaj Carella parolis al Leonard Cronin en angulo de la rotoĉambro, malproksime de ties troeksponita amorantino.

"Nun, kiel statas, Lennie ?" diris Meyer. "Ĉu vere ci havas permesilon por tiu-ĉi ferujo aŭ ĉu ci nur polvumas nin ? Diru jam, ci povas fidi nin."

"Dap, mi havas permesilon," diris Cronin. "Ĉu mi kukumus vin ĉelovekojn ?"

“Mi ne pensas ke ci klopodus kukumi nin, Lennie,” rimarkis Meyer afable. “Kaj ankaŭ ni ne klopodos kukumi cin. Mi ne povas multon malkaŝi al ci pri tio, sed povus esti tre serioza afero, je mia parolo !”

“Kion vi volas diri per serioza ?”

“Nu, ni diru ke ĝi povus ampleksi multe pli ol nuran perforteton de la leĝo pri malpermesata posedo de pafiloj. Mi priskribu ĝin tiumaniere.”

“Vi celas ke mi estis rajdante non Martha kiam vi eniris ? Ĉu estas tio ?”

“Ne, ankaŭ tio ne. Ni diru plivole ke temus tie-ĉi pri ege granda sukplena krimo, eble. Kaj ni diru ke ci povus ektrovi cin klak en ĝia centro. Konsentite ? Do, estu regula kun ni ek-de la komenco kaj ĉio povus glatiĝi por ci.”

“Mi ne scias pri kiu granda sukplena krimo vi parolas,” respondis Cronin.

“Nu, iomete pripensu,” aldonis Carella.

“Vi volas diri la pafeŝo ? Bone, mi ne havas permesilon. Ĉu jen kion vi deziras ?”

“Male, tio ankoraŭ ne estas sufiĉe grava, Lennie,” refutis Meyer, “Ne, ni ne pensis pri la pistolo.”

“Tiam pri kio ? Ĉu eble tial ĉar la edzo de Martha ne vere estas repa ? Ĉu eble tial ĉar vi kaptis nin ĉe adultado ?”

“Ne, eĉ tio ne estas tre grava, Lennie,” rediris Carella. “Pri tio oni povas diskuti.”

“Tiam kio ? Ĉu la spaĉaĵo ?”

“Ĉu spaĉaĵo, Lennie ?”

“Dap, en la ĉambro.”

“Heroino, Lennie ?”

“Ne, ne, ho ne, nenio tiel forta ! Estas herbetaĵo. Nur kelke da cigoj. Ĝuste por la merieco. Tio tamen ne estas seriozega, ĉu jes?”

“Ne, tio povus esti tre minora, Lennie. Depende de la kvanto da mariĥuano kiun ci gardis en tiu ĉambro.”

“Ho, nur kelkajn cigojn.”

“Bone, tiukaze ci devos cerbumadi sole pri posedo-foltigo. Ci tamen ne planis iom vendi el tiu materialo, ĉu Lennie ?”

“Ne, ne, ho ne, estis ĝuste por la merieco, ĝuste antaŭ ol mi kaj Martha hopis inter la tukojn.”

“Estas tio ne tre grava, Lennie.”

“Do, kio estus grava ? “

“La knabo,”

“Kiu knabo ?”

“La filo de Martha. Richard. Jen lia nomo, ĉu ne ?”

“Kiel mi sciu ? Mi neniam renkontis lin.”

“Ci neniam renkontis lin ? Kiom longe ci konas non Martha ?”

“Mi renkontis ŝin hieraŭ vespere. En trinkejo. En iu beberejo nomata La Kurtmuzelo, se vi konas. Ĝin estras tiuj du viregoj kiuj antaŭe estadis en la Ĉina-Birma-Hinduja…”

“Ci do ekvidis ŝin nur hieraŭ vespere ?”

“Certe.”

“Ŝi diris ke ci estas la homo kiun ŝi amas ?” sugestis Carella.

“Dap, estis amo je l’unua ekvido.”

“Kaj ci neniam renkontis ŝian filon ?”

“Neniam.”

“Ĉu ci jam flugis, Lennie ?”

“Ĉu flugis ? Kion signifas ‘flugi’ ? Ĉu vi ree aludas la mari-ĥuanon?”

“Ne: flugi. En flugmaŝino.”

“Neniam; mi plivole mortus ol eniri tiaĵon !”

“Kiom longe ci jam preferas nigron, Lennie ?”

“Nigron ? Kion vi aludas nun ?”

“Ciajn vestaĵojn. Cian pantalonon, cian kravaton, cian pluv-mantelon, cian pluvombrelon. Nigraj.”

“Mi aĉetis ilin por enteriga cermonio,” respondis Cronin.

"Kies enterigo ?"

"De iu mia bubulo. Ni kutimis kune ekspluati ĵeboludon."

"Ci do ankaŭ organizis ĵeboludon, Lennie ? Ci estas multokupa vireto, ĉu ne vere ?"

"Ho, estis neniel kontraŭleĝe ! Ni neniam ludis por mono."

"Kaj cia amiko mortis antaŭ nelonge, se mi aŭdis ĝuste ?"

"Dap, antaŭ kelkaj tagoj. Do, mi aĉetis la nigrajn vestaĵojn. Pro respekto. Vi povas kontroli. Mi povas diri al vi la butikon, kie mi aĉetis ilin."

"Ni aprezus tion, Lennie. Sed ci ankoraŭ ne posedis tiun-ĉi kostumon je Merkredo, ĉu ?"

"Ĉu Merkredo ? Nu, mi pripensu iomete. Kiun tagon ni havas nun?"

"Hodiaŭ estas Sabato."

"Dap, ĝuste, Sabato. Ne, mi aĉetis la kostumon je Vendredo. Vi povas kontroli. Oni probable ankoraŭ havas la registronoton."

"Kaj kiel statas pri ci, Lennie ?"

"Kiel pri mi ? Kion vi volas diri ?"

"Ĉu ci havas krimulan registron ?"

"Nu jes, malgrandan."

"Kiom malgrandan ?"

"Mi trasidis tikedon iam. Pro levigo. Nenio grava."

"Ci povus trasidi iom pli," konkludis Carella, "sed nenion gravan."

### Interrogation

The patrolmen downstairs all managed to drop up to the Interrogation Room on one pretence or another, to take a look at the fat red-headed *slob* who sat answering questions in her slip. And Parker said to Miscolo in the Clerical Office: "We take a *mug shot* of her like that, and we'll be able to peddle the photos for five *bucks* apiece.

"This precinct got glamour, that's what it got," Miscolo answered and he went back to his typing.

Parker and Hawes went downstairs for the search warrant. Upstairs, Meyer and Carella and Lieutenant Byrnes interrogated the two suspects. Byrnes, because he was an older man and presumably less susceptible to the mammalian display, interrogated Martha Livingston in the Interrogation Room off the corridor. Meyer and Carella talked to Leonard Cronin in a corner of the squadroom, far from Lennie's overexposed paramour.

"Now, about it, Lennie ?" Meyer said. "You really got a permit for this *rod*, or are you just *snowing* us ? Come on, you can talk to us."

"Yeah, I got a permit," Cronin said. "Would I kid you *guys* ?"

"I don't think you'd try to kid us, Lennie," Meyer said gently, "and we won't try to kid you, either. I can't tell you very much about this, but it can be very serious, take my word for it !"

"How do you mean, serious ?"

"Well, let's say there could be a lot more involved here than just a Sullivan Act violation. Let's put it that way."

"You mean, because I was *banging* Martha when you come in ? Is that what you mean ?"

"No, not that either. Let's say there is a very big juicy crime involved here, maybe. And let's say you could find yourself right in the middle of it. Okay ? So level with us from the start, and things may go easier for you."

"I don't know what big juicy crime you're talking about," Cronin said.

"Well, you think about it a little," Carella said.

"You mean the *gat* ? Okay, I ain't got a permit. Is that what you mean ?"

"Well, that's not too serious, Lennie," Meyer said. "No, we're not thinking about the pistol."

"Then what ? You mean like because Martha's husband ain't really *croaked* ? You mean like because you got us on adultery ?"

"Well, even that isn't too serious, Lennie, " Carella said. "That, we can talk about."

"Then what ? The *junk* ?"

"The *junk*, Lennie ?"

"Yeah, in the room."

"Heroin, Lennie ?"

"No, no, hey no, nothing big like that ! The *mootah*, just a few *sticks*, though. Just for *kicks*. That ain't too serious, now is it ?"

"No, that could be very minor, Lennie. Depending on how much marijuana you had there in the room."

"Oh, just a few *sticks*."

"Well, then, you've got only a possession *rap* to worry about. You weren't planning on selling any of that stuff, were you, Lennie ?"

"No, no, hey no, it was just for *kicks*, just for me and Martha, like you know, for *kicks*. We lit a few *sticks* before we hopped between the sheets."

"Then, that's not too serious, Lennie."

"So, what's so serious ?"

"The boy."

"What boy ?"

"Martha's  son. Richard, that's his name, isn't it ?"

"How do I know ? I never met the kid."

"You never met him ? How long have you known Martha ?"

"I met her last night. In a bar. A *joint*, The Short-snorter, you know it ? It's run by these two guys, they used to be in the China-Burma-India ..."

"You only met her last night ?"

"Sure."

"She said you were the man she loved," Carella suggested.

"Yeah, it was love at first sight."

"And you never met her son ?"

"Never."

"You ever fly, Lennie ?"

"Fly ? How do you mean, fly ? You talking about the marijuana again? "

"No, fly. In an airplane."

"Never ! Just catch me dead in one of them things !"

"How long have you gone for black, Lennie ?"

"Black ? How do you mean, black ?"

"Your clothes. Your pants, your tie, your raincoat, your umbrella. Black."

"I bought them for a funeral," Cronin said.

"Whose funeral ?"

"A *buddy* of mine. We used to run a *crap game* together."

"You ran a *crap game*, too, Lennie ? You've been a busy little man, haven't you?"

"Oh, this wasn't nothing illegal. We never played for money."

"And you friend died recently, is that right ?"

"Yeah, the other day. So, I bought the black clothes. Out of respect. You can check. I can tell you the place where I bought them."

"We'd appreciate that, Lennie. But you didn't own these clothes on Wednesday, did you ?"

"Wednesday. Now, let me think a minute. What's today ?"

"Today is Saturday."

"Yeah, that's right, Saturday. No. I bought the clothes Thursday. You can check it. They probably got a record."

"How about you, Lennie ?"

"How about me ? How do you mean about me ?"

"Have you got a record ?"

"Well, a little one."

"How little ?"

"I done a little time once. A *stickup*. Nothing serious."

"You may do a little more," Carella said. "But nothing serious."

Prenita el *Give the Boys a Great Big Hand* (Donu grandan manon al la knabegoj) fare de Ed McBain — Penguin Books C 2310, Britio 1960.

## 4.18 Ruzo de Policestro

François-Eugène Vidocq (Francujo 1775-1857) estis alterne krimulo kaj policano en sia vivo. Kiel junulo li forlasis la hejmon kun granda monsumo ŝtelita de sia patro, bakisto. Post elspezado li ekservis en la franca armeo, dezertis, kaj denove aniĝis. Post vundiĝo li edziĝis sed por ne longe. Denove en la armeo li akiris fifamon kiel ruzega kaj lerta trompisto, ŝtelisto, kaj falsigisto, kiuj krimoj kondamnis lin al punlaborado en fortikaĵo. El tie li tamen eskapis, estis rekaptita, kaj eskapis denove. Finfine, en 1809, laca pro la ĉiama persekutado, li ekhavis la brilan ideon oferti siajn spertojn pri la krimomedio al la ministro pri justico, kiu tiutempe ne sukcesis bridi la ondon de krimfaroj en Francujo. Oni efektive akceptis lin kiel konsiliston kaj informiston kio tiel bone fruktis, ke la registaro poste ebligis al li fondi iom sekretan polic-brigadon — la *Sûreté* — konsistantan el liberigitaj punlaboristoj, spertaj pri tiu aŭ alia “metio”, kun Vidocq mem kiel ĉefo. Lia “oficiala bando” reale bonsukcesis dum multaj jaroj, ne lastinstance pro la organiza talento de Vidocq, kiu inaŭguris metodojn (ekzemple registradon sur slipoj) ankoraŭ hodiaŭ aplikataj de policistoj. Fine la posteno tamen iĝis al li tro peza kaj li eksiĝis. Per la gajnita kapitalo li starigis paperfabrikon, kiu bedaŭrinde ne prosperis. Li bankrotis kaj estis devigita en 1832 repreni sian rolon kiel brigadestron. Sed lia monavido igis lin entrepreni kun siaj kompanoj grandegan prirabon, kies farintojn li poste pretendis serĉadi. Oni tamen malkovris la veron kaj, pro la skandalo, nur forigis lin el la ŝtatservo. Ekzilita al Bruselo, li ŝajnas esti mem verkinta faman memuaron pri sia aventurema vivo. Estas ne mirige ke la Francoj en postaj jaroj realigis plurajn romanojn kaj filmojn pri tiu legenda kombinaĵo el krimulo kaj heroo. Li certe inspiris al postaj verkistoj krei similajn ruzajn detektivojn: Raffles, The Saint, Arsène Lupin, Sherlock Holmes kotopo.

En la ĉi-posta fragmento Vidocq elserĉas bandon, kiu rompoŝtelis en Parizo amason da valora plumbo. Li jam eksciis ke Hotot, konata fripono, partoprenis en ĝi, sed li ne konas la kaŝejon de la krimuloj. Hazarde Hotot ofertas siajn servojn al la polico, kiel perfidanto. Laŭ unu el siaj kutimoj Vidocq enpenetras koncernan medion, alivestinte sin tiamaniere, ke neniu plu rekonu la timatan policoficiron kaj nomante sin Jules.

Pripensinte la konduton de Hotot kontraŭ liaj kamaradoj, mi konkludis ke ĝi estas tia de ĝisosta krimulo. Eklumis al mi ke tiu-ĉi fiulo deziris igi sin mem interesa ĉe la komisaro, denuncante siajn komplicojn kaj akirante, per tiu rimedo, nepuneblecon por siaj krimaj agoj. Juĝante laŭ tio, kion mi memoris rilate al li, en

diversaj cirkonstancoj, mi pensis ke Hotot estas pli kulpa ol tiuj kiujn li havis la intencon denunci, kaj ke li mem eble estas la instiginto de la ĵusa rompoŝtelo.

Firmiĝinte en tiu-ĉi opinio, sekve de informoj kiujn mi akiris, mi decidis purigi la socion de tiaspeca monstro. Mi igis lin kaŝ-observi fare de kelkaj el miaj policanoj. Kaj sciante ke li havas kiel konkubinojn Emilie Simonet kaj Félicité Renaud, mi pensis bezone eksciti la ĵaluzon de unu el tiuj virinoj, profite al la justico.

Fininte ĉiujn preparojn, mi vizitas lin en la "Elizeaj Kampoj", kie li min atendas. Mi konvinkas lin ke li lasu sin aresti kaj konduki al la provizora malliberejo, por tie konfesigi iun rabiston kiu alvenus baldaŭ poste. Hotot konsentas kaj petas nur la permeson interparoli kelkajn momentojn kun Félicité, kiu lin amas pasie.

"Iru," mi diras, "sed ne restu tro longe apud ŝi. Poste ci iru, sen perdi eĉ unu minuton, al la malgranda tabakfumejo en la Bul-vardo Montmartre, kontraŭ la Teatro de Varieteoj. Ci petos botelon da biero kaj lokigos cin en la fundo de la butiko. Tuj kiam ci vidos eniri du inspektistojn kaj unu pacoficiron, ci indikos cin mem per la fingro, kvazaŭ por diri al ili ke ci estas tiu kiun ili serĉas. Tiam ili arestos cin, kaj tuje kondukos al la Policoficejo de la Liceo. Oni ricevis tie la ordonon gardi cin dum du aŭ tri horoj, por ke la ladrono, al kiu ci devas eltiri karoton, jam vidu cin tie ĉe alkonduko; tio malhelpos ke li ekhavu suspekton kontraŭ ci kiam ci pridemandos lin en la arestejo."

"Estas bone," respondis Hotot, "estu trankvila: mi ludos mian rolon por trompi eĉ la plej ruzan ... Vi estos kontenta pri mi. Jes, je la honoro de ladrono, vi povas fidi je mi !"

Post tiuj paroloj, ni disiras. Kaj dum Hotot adiaŭdiras al Félicité Renaud, mi kuras al la prefektejo por igi la inspektistojn, kiel mi al li anoncis, aresti lin en la tabakfumejo.

Volante certiĝi ĉu ĉio funkcias laŭ miaj planoj, mi postsekvas ilin. Kaj baldaŭ mi ĝuas la plezuron vidi la viron streĉligita kaj paŝanta, kun speco de triumfo, inter miaj viroj.

Ni lasu Hotot en la fortepiano luladi sin komence per espero kiu ne realiĝos, kaj poste ekkoleri kontraŭ la kaporalo, la serĝento, kontraŭ la deĵoroficiro, kiuj obstine malpermesas al li eliri por manĝi peceton, kvankam li protestas troviĝi tie nur "por la kazaco".

Fidele al la plano, kiun mi estis skizinta, mi iras al la Placo de la Kasteleto, kie loĝas Emilie. Mi renkontas ŝin ĉe Panjo Buntulino, kiu estas unu el tiuj mizeraj domaĉoj kie, sub preteksto trinki glaseton, akumuliĝas rubaĵoj de la prostituo.

Ĉar mi nun estis konata ĉe ili en mia travestio kiel vivĝojulo, Emilie akceptis sen formalaĵoj duonlitron da vino, kiu baldaŭ renoviĝis. Kiam mi vidis ke la vino komencas nebuligi ŝian cerbon, mi ekparolas pri Hotot kaj montras lin malinda je la korinklino kiun ŝi havas por li. Emilie volas scii, kial mi faras tian rakonton. Mi ŝajnigas diskretemon. Estas nur maniero por inciti ŝian scivolon ankoraŭ pli. Ŝi do insistas kaj iĝas tiel trudema, ke necesas kontentigi ŝin. Tiam mi diras al ŝi ke, revenante de "Elizeaj Kampoj", mi renkontis Hotot kun Félicité Renaud kaj ke, post iom da kverelado pro ĵaluza motivo, ili finis per repaciĝo kaj ien iris dormi kune.

Jen, diris Emilie, kaj mi, kiu stulte kredis ke ili jam ne vidadas sin ! – Jes, ci estis ege dumba … Laŭ iliaj diraĵoj, mi vetus ke ili slipis apud la Reĝa Palaco, en la pasinta nokto. – Ho, tamen ne, Jules, ĉar li pasigis ĝin kun iuj amikoj. – Ha, estas vere, mi forgesis: kun Linois, Bicêtre, kaj Caffin. – Kiu diris tion al ci ? – Tondre, nu Hotot ! – Ĉu li ? – Sendube. – Jen kia li estas ! Al mi li tamen nepre malpermesis paroli pri tio al iu ajn …! Sed diru mia kara Jules, ĉu ci scias kien li iris kun Félicité ? – Jes, ĉe Bicêtre, sed mi ne povas diri kie tiu loĝas, ĉar mi ja forgesis demandi lian adreson. – Ho, sed mi scias: Bona-Putostrato, kvara etaĝo, ĉe Lahire. Venu kun mi kaj ci vidos kiel mi traktos ilin ! – Ne estas bona maniero: ni devas zorgi ne fari senbezonan nojson. Ci ja fidas min, ĉu ne ? … Mi iros supren. Ci atendos min. Se mi restos, tio pruvos ke mi trovis la birdojn. Tiam ci povos ciavice supreniri. – Ci pravas, estas tiel: oni devas esti certa antaŭ ol zagaki.

Mi prenas Emilie ĉe la brako, kaj ni direktas nin al la Bona-Putostrato. Mi eniras kaj, post certiĝo ke Bicêtre estas hejme, mi returnen iras al Emilie: Ni havas misŝancon, diras mi proksim-iĝante: Lahire, Bicêtre, kaj ties virino eliris por vespermanĝi ĉe Linois … Ĉu ci scias kie li loĝas, tiu Linois ? – Jes, ĉe sia patrino, Joquelet-strato, sesa etaĝo. Venu ! – Mondon, ne, mi estas tro laca ! Ni reludu tion iom poste. – Ho, mia katocjo, ne rifuzu al mi tiun-ĉi servon, diras Emilie per peteganta voĉo. Kaj por decidigi min akompani ŝin, ŝi faras al mi museton. Mi ŝajnigas cedemon pro pura afablo.

Alveninte en la Joquelet-strato, mi supreniras al Linois, kiu konis min nur laŭnome. Li estis ĵus enlitiĝinta. Mi demandas ĉu li ne vidis Hotot kaj, je lia nea respondo, mi reiras suben, dezirante al li bonan nokton. "Estas kvazaŭ fatalo, mi diras al Emilie, ili iris for antaŭ preskaŭ kvaronhoro por kunpreni Caffin, kiu pagu por la vino."

Emilie diras al mi ke ŝi ne scias la adreson de Caffin, sed ne malesperas akiri ĝin de la inoj sur la Bovidoplaco. Ŝi do petas min pluiri ĝis tie. Mi protestas. Emilie insistas. Kaj ĉar ege gravas malkovri non Caffin, ni direktas nin al la Bovidoplaco.

Dumvoje mi kompletigas la ebriigon de mia kunulino, kiu iĝas tiel komunikema ke ŝi havigas ĉiujn informojn kiujn mi deziras ekscii pri Hotot. Ŝi konfidas eĉ ke estis li, kiu instigis siajn kamaradojn al la rompoŝtelo, okazinta en la antaŭa nokto.

Iu ĉiesulino, Louison la Blagantino, kiun ni renkontas sur nia vojo kaj al kiu Emilie demandas novaĵojn pri Caffin, sciigas al ni ke li kredeble kuŝas kun Emilie Hirjugeto, ĉe la Buntulino aŭ ĉe la Blondulino. Iom plue, alia samfakulino, al kiu ni starigas la saman demandon, respondas ke ili troviĝas ĉe la Buntulino. Ni iras tien.

Emilie, nun krevante el sia haŭto pro dekduo da kapromamoj, malplenigitaj dum nia nokta ekskurso, postulas de la matrono ke ŝi redonu ŝian viron kaj minacas ĉion dispecigi se li ne aperos. La Buntulino protestas, tute prave, ke li ne estas ĉe ŝi kaj proponas al ŝi fari mem la kontrolon. Emilie iras supren kaj revenas, malmultan tempon poste, dirante ke ŝi vidis sole nur Caffin.

Havante nun plu neniun bezonon je ŝi, por malkovri la lokojn de la bandanoj, kaj dezirante malebligi al ŝi kontraŭi mian planon per tiu aŭ alia klaĉo, mi konvinkas ŝin iri al la Hotelo de Anglujo kie, diras mi, Hotot certe devas troviĝi. Emilie estus irinta ĝis la ekstremaĵoj de la Tero, por elŝiri la okulojn al sia malfidelulo.

Ni foriras. Sed kompreneble ne pli da Hotot en tiu-ĉe rabistejo ol ĉe la Buntulino. Necesas fini la aferon. Mi pretendas ke mi volas informiĝi ĉu Félicité jam revenis hejmen. Sed anstataŭ plenumi tiun komision, kiu devus sigeli mian komplezemon, mi kuras al la policejo de la Akvokastelo. Mi malkaŝas mian identecon kaj donas la ordonon aresti Emilie kaj teni ŝin malantaŭ seruroj ĝis la sekvonta mateno.

De tie mi reiras al la Buntulino, akompanate de du policanoj en uniformo; mi grimpas al la ĉambro kie kuŝas Caffin kaj deklaras al li ke li estas mia arestito.

"Kio !?, elkrias tiu duondorme, ĉu min enpakas **ci** ?! Nunu, jen stranga kolorigo ! – Ne estas mia kulpo ke oni konfipis cin. – Tamen, Jules, tio ne havigos bonŝancon al ci ! – Ĉu li estas regula, li ? – Kaj ĉu ne necesas ke mi faru mian devon ? – Estas ĝuste, sed amikoj estas amikoj. – Sed mi ja diris ke oni servumis cin; ĉu mi devas puŝi cian nazon sur la situacion, por ke ci komprenu ? Ĉu ci do ne pinĉis sfinjecon en la pasinta lajlo ? – Bone, mi vidas ke iu maĉumis. Nu, tiam ankaŭ mi maĉumos ! Venigu la grandan polanon, por ke mi enigu tiun friponan Hotot. Ĉar estas neniu krom li, kiu povis tordiĝi !"

* * * * * * *

La komisaro venas kaj ricevas la konfesojn de Caffin. Oni facile imagas al si ke Hotot ne ŝparatis. Linois kaj Bicêtre estis arestitaj en la sama nokto.

## Ruse d'un chef de police

Ayant réfléchi sur la conduite de Hotot envers ses camarades, je trouvai qu'elle était celle d'un profond scélérat. Il me parut que ce misérable voulait se rendre intéressant auprès de Henry en dénonçant ses complices, et obtenir par ce moyen l'impunité de son crime. D'après ce qui m'était revenu sur son compte, dans diverses circonstances, je pensai que Hotot était plus coupable que ceux qu'il se proposait de dénoncer, et qu'il pouvait même avoir été l'instigateur du vol dont il s'agissait.

Raffermi dans cette opinion par suite des informations que je pris, je me résolus à purger la société d'un tel monstre. Je le fis garder à vue par quelques-uns de mes agents. Et sachant qu'il avait pour maîtresses Emilie Simonet et Félicité Renaud, je crus devoir exciter la jalousie de ces deux femmes, dans l'intérêt de la justice.

Toutes mes dispositions étant arrêtées, je vais rejoindre Hotot aux Champs-Elysées où il m'attend. Je l'engage à se faire arrêter et à se laisser conduire au dépôt, afin de confesser un voleur qui y arrivera peu d'instants après.

Hotot y consent et demande seulement la permission de s'entretenir un instant avec Félicité, qui l'aime passionnément.

"Va, lui dis-je, mais ne demeure pas longtemps avec elle. Tu te rendras ensuite, sans perdre une minute, dans la petite tabagie, boulevard Montmartre, en face le Théâtre des Variétés. Tu demanderas une bouteille de bière et te placeras dans le fond de la boutique. Dès que tu verras entrer deux inspecteurs et un officier de paix, tu t'indiqueras du doigt comme pour leur dire que c'est toi qu'ils cherchent. Alors ils t'arrêteront et te conduiront au poste du Lycée. Ils ont l'ordre de t'y laisser pendant deux ou trois heures, afin que le *grinche*, à qui tu dois *tirer une carotte*, t'y trouve lorsqu'on l'y mènera, ce qui l'empêchera de concevoir les moindres soupçons contre toi, quand tu le questionneras, au dépôt. – C'est bon, répondit Hotot, soyez tranquille: je jouerai mon rôle à tromper le plus fin … Vous serez content de moi. Foi de *grinche*, je t'en réponds."

A ces mots, nous nous quittons. Et tandis que Hotot va faire ses adieux à Félicité Renaud, je cours à la préfecture et charge les inspecteurs que je lui ai désignés, d'aller l'arrêter dans la tabagie.

Voulant m'assurer si tout se passe au gré de mes désirs, je les suis. Et bientôt, j'ai la satisfaction de voir mon homme garrotté, et marchant avec une sorte de triomphe au milieu de ces messieurs.

* * * * * * *

Laissons Hotot, au *violon*, se bercer d'abord d'un espoir qui ne doit point se réaliser, et ensuite s'emporter contre le caporal, contre le sergent, contre l'officier du poste, qui s'obstinent à ne pas le laisser sortir pour aller manger un morceau, bien qu'il proteste n'être là que pour la frime.

Fidèle au plan que je m'étais tracé, je me rends à la place du Châtelet où demeurait Emilie. Je la rencontre chez la mère Bariole, qui tenait un de ces misérables taudis où, sous prétexte de prendre un petit verre, s'amoncellent les rebuts de la prostitution.

Comme j'étais connu d'elle pour un bon-vivant, Emilie accepta sans façon une *chopine*, qui fut bientôt renouvelée. Quand je vis que le vin commençait à lui troubler la cervelle, je parlai de Hotot et le présentai comme indigne de la tendresse qu'elle avait pour lui. Emilie voulut savoir ce qui me faisait tenir un pareil langage. J'eus l'air de montrer de la discrétion. C'était le moyen d'exciter davantage sa curiosité. Elle insista donc et devint si pressante qu'il fallut la satisfaire. Alors je lui dis qu'en revenant des Champs-Elysées, j'avais

rencontré Hotot avec Félicité Renaud et qu'après s'être querellés pour des motifs de jalousie, ils avaient fini par se raccomoder et aller coucher ensemble quelque part.

"Tiens, dit Emilie, et moi qui croyais bêtement qu'ils ne se voyaient plus du tout. – Ah! tu étais joliment *sinve* ! … D'après ce qu'ils ont dit, je parierais qu'ils ont *piaussé* la nuit derrière près du Palais Royal. – Oh! pour ça, non, Jules, car il l'a passée avec des amis. – Ah! c'est juste, je n'y pensais plus: avec Linois, Bicêtre et Caffin. – Qui t'a dit ça ? – Parbleu, c'est Hotot. – Lui ? – Sans doute. – Voilà comme il est ! Il m'avait pourtant bien défendu d'en parler à âme qui vive ! … Mais dis-moi, mon cher petit Jules, sais-tu où c'qu'il est allé avec Félicité ? – Oui, chez Bicêtre, mais je ne puis te dire où il demeure, parce que j'ai oublié de demander son adresse. – Oh! je la sais, moi: rue du Bon-Puits, au quatrième, chez Lahire. Viens avec moi, et tu vas voir comme je vais te les *révolter*. – Ce n'est pas le plan: il faut bien se garder de faire du *renaud*. T'as confiance en moi, n'est-ce pas ? Je monterai. Tu m'attendras. Si je reste, ça sera preuve que j'aurai trouvé les oiseaux. Alors tu pourras monter à ton tour. – T'as raison, c'est ça même: il faut être sûr avant de *renâcler*."

* * * * * * *

Je prends Emilie sous le bras, et nous nous rendons à la rue du Bon-Puits. J'entre. Après m'être assuré que Bicêtre est chez lui, je rejoins Emilie. "Nous jouons de malheur, dis-je en l'abordant: Lahire, Bicêtre et sa femme sont allés souper chez Linois… Sais-tu ous'qu'il loge, Linois ? – Oui, chez sa mère, rue Joquelet, au sixième. Viens. – Ma foi, non, je suis trop fatigué. Renvoyons la partie. – Ah! mon *minet*, ne me refuse pas ce service," dit Emilie d'un ton suppliant. Et pour me décider à l'accompagner, elle me fait une *souris*. Je feins de céder par pure obligeance.

Arrivé dans la rue Joquelet, je monte chez Linois, qui ne me connaissait que de nom. Il venait de se coucher. Je lui demande s'il n'a pas vu Hotot et, sur sa réponse négative, je descends en lui souhaitant une bonne nuit. – "C'est comme un sort, dis-je à Emilie. Ils sont sortis depuis près d'un quart d'heure pour aller prendre Caffin, qui doit payer le vin."

Emilie me dit qu'elle ne connait pas l'adresse de Caffin, mais qu'elle ne désespère pas de l'obtenir des femmes de la place aux Veaux. Elle me prie donc de pousser jusque-là. Je me récrie. Emilie insiste. Et comme il m'importe de découvrir Caffin, on se dirige vers la place aux Veaux.

Chemin faisant, j'achève d'enivrer ma compagne, qui devient si communicative qu'elle me met au courant de tout ce que je désire savoir sur Hotot. Elle me confie même que c'est ce misérable qui a excité ses camarades au vol commis pendant la nuit précédente.

Une fille de joie, Louison la Blagueuse, que nous rencontrons sur notre passage, et à qui Emilie demande des nouvelles de Caffin, nous apprend qu'il doit coucher avec Emilie Taquet, chez la Bariole ou chez le Blondin. Plus loin, une autre consoeur, à qui nous adressons la même question, nous répond qu'il est chez la Bariole. Nous y allons.

Emilie, qu'une douzaine de *canons* vidés pendant notre course nocturne ont mise hors d'elle-même, somme la matrone de lui rendre son homme, et menace de tout briser, s'il ne paraît pas. La Bariole proteste avec raison qu'il n'est pas chez elle, et lui offre de s'en assurer. Emilie monte, et revient, peu d'instants après, en disant qu'elle n'a vu que Caffin.

* * * * * * *

N'ayant plus besoin d'elle, et désirant la mettre dans l'impossibilité de traverser mes projets par quelque indiscrétion, je l'engage à aller à l'Hôtel d'Angleterre où, lui dis-je, Hotot doit se trouver. Emilie serait allée au bout du monde pour arracher les yeux à son infidèle. Nous partons. Mais pas plus de Hotot, dans ce repaire, que chez la Bariole. Il fallait en finir. Je lui fais entendre que je vais m'informer si Félicité est rentrée. – Mais au lieu de remplir cette commission, qui doit mettre le sceau à ma complaisance, je cours au poste du Château-d'Eau. Je me fais connaître, et je donne l'ordre d'arrêter Emilie et de la tenir au secret jusqu'au lendemain.

De là, je retourne chez la Bariole, accompagné de deux agents de police, je monte à la chambre où est couché Caffin, et je lui déclare qu'il est mon prisonnier.

"Comment! s'écrie celui-ci à moitié endormi, c'est toi qui *m'emballes* ! Par exemple, voilà *une de ces couleurs...*" - Si on t'a *coqué*, est-ce ma faute ? – Tiens, Jules, ça ne te portera pas bonheur! – Est-il *job*, lui ? Ne faut-il pas que je remplisse mon devoir ? – C'est juste, mais les amis sont les amis. – Quand je te dis qu'on t'a *servi*, faut-il te mettre le nez dessus pour que tu dises que c'en est ? N'as-tu pas *grinchi* du *grasdouble* dans la *sorgue* dernière? – Allons, je vois que quelqu'un a *mangé*. Eh bien! je *mangerai* aussi. Fais venir le *quart-d'oeil*, que j'enfonce ce coquin de Hotot. Car il n'y a que lui qui ait pu *tortiller*."

Le commissaire arrive et reçoit les révélations de Caffin. On s'imagine bien que Hotot ne fut point épargné. Linois et Bicêtre furent arrêtés dans la même nuit, et envoyés aux galères avec leurs autres complices.

Prenita el *Les vrais mémoires de Vidocq* (La veraj memuaroj de Vidocq), onidire verkita de E.F. Vidocq persone. — Eldono "Les Productions de Paris" (Tenon), Parizo 1859. Pli frua eldono ĉe L'Héritier, Parizo 1828.



Je la tria posttagmeze, kiam mi mendis kafon, likvorojn, cigarojn kaj ankaŭ skribilaron, ni ankoraŭ ne estis kvietigintaj nian malinofon. [4.11]

[Desegnis Marijke Vanwelkenhuysen]

## 4.19 La Slango de la Malbenitoj

Recenza artikolo verkita de Dinah Silveira de Quiroz en la brazila ĵurnalo *Correio do Povo* el Porto Alegre, 1976-09-03.

Mi ne scias ĉu mastro Aurélia Buarque de Holanda[1] konas la parolmanieron de la "malbenitoj", la malvirtuloj kaj finegocistoj en la submondo de la narkotaĵoj, kiun publikigis la kuracisto kaj eminenta klerulo D-ro José Guimarães Alves, sub la aŭspicioj de la Departamento de la Federala Polico de Brasilio[2]. Enestas en tiu lia "Glosaro" komunaj slangaĵoj, kiel ekzemple ventkapa, kiu por ni signifas "malsaĝa", sed por tiuj malbenitoj — marĝenuloj de la drogo — signifas alion. Nome ĉi-kaze ventkapa esprimas la eŭforion de la drogo per malgranda dozo. Kaj amerikanaĵo ? Nenio pli aŭ malpli ol kanabaĵo. Agrokultivado ? Termino uzata por indiki la ideologian "kulturon" de stuporigiloj.

Multfoje oni aŭdas la nordorientulojn de Brazilo diri *ĉirkaŭpreni* aŭ *kunpremi*; ekzemple en "*vestaĵo ĉirkaŭprena*" (streta). Sed en la "*Glosaro de la Toksaĵoj*" kunpremi[3] volas diri: "memfari cigaredon aŭ cigaron". Kaj la senkulpa kabano en la konataj samba[4]-kanzonoj? Ĝi estas la filoĝejo de drogovendisto. La kiseto? "Eksuĉo je droga cigaredo, profunda enspiro; samsignifa kiel dolĉopluveto." Kaj ĉu vi scias kion signifas virpupo ? Estas kokaino metita en eta vitro-ampolo. Kaj la var-mono de la ŝakristoj ? Dolaro estas pakaĵeto de kanabaĵo kun naŭ aŭ pli da cigaredoj. Estas la sama kiel pakofo, la prezo de unu porcio da drogo en la ŝtato Bahia. Kion signifas la granda fluejo ? Estas la arterio de la gambo kiu ricevas la malbenindajn injekciojn. Kaj limonado ? Ĝi signifas ampolon de Pervitino[5]. La sendanĝera esprimo ligita en la buŝo de sklaviĝinto rilatas al persono katen-igita, malvirtiĝinta pro uzado de drogoj. Kaj bruligita, tiel ofte uzata ? "Freneza, videble senrega, veninta al la ekstremo de malprudenteco, survoja al mempereigo." Ĉe truita pneŭmo temas pri malfeliĉa tuberkulozulo. Kaj la bela nomo arĥanĝelo ? Estas cigaredo de kanabaĵo. Saŭno, saŭneto ? "Fumegado en mal-granda fermita ejo."

Jen ankoraŭ kelke da frazoj: Ĉu ci konas iun bonan manĝigejon ? (Kie vendatas bonkvalita kanabaĵo ?); Mi travivas teruran sekec-periodon ! (Mi estas freneza pro manko je kanabofumado.); Mia kunulo, estas pluvonta ! (Alvenas policanoj !)

Kaj la ruzuloj povas daŭrigi tian lingvaĵon ne penetreblan por iu ajn inter ni: Tiu bubino estas regula, sed ŝi fandiĝas, signifas en la lingvaĵo de la malfeliĉuloj: "Tiu virino fumas narkotaĵon, sed ŝi neos tion."

Kaj, se aludi laŭmodan muzikaĵon, jen alia frazo: Ni fumu ĝis alveno al la ŜŜ-1, kio fakte volas diri: "ĝis alveno de la drogo al la karotido", kio memorigas versojn de la kanzoneto "La homoj kuras, la homoj mortas, sur la ŝtatŝoseo n-ro 1."

Ekstreme utila por ĉiu kiu deziras verki libron pri okazaĵoj en la medio de la marĝenuloj, tiu-ĉi *Glosaro de la Toksaĵoj,* publicita de la Departamento de la Federala Polico de Brasiljo, povas ankaŭ servi kiel avertilo por gepatroj, instruistoj, kaj personoj kiuj surprize aŭdus tiaspecan slangon de marĝenuloj de la drogo el la buŝo de "bonmoraj" gejunuloj.

---

1. Fama brazila vortaristo.
2. Nova federala ĉerfurbo de Brazilio.
3. En Gavaro: *kunpremi kapokon.*
4. Vigla sudamerika dancoritmo.
5. Komerca nomo de stimula drogo.

## A Gíria dos Malditos

Não sei se mestre Aŭrélia Buarque de Holanda conhece essa fala dos malditos, viciados e vendedores do submondo do tóxico, que o médico e ilustre intelectual Dr. José Guimarães Alves publicou, sob os auspicios do Departamento de Polícia Federal de Brasília. Existem no "Glossário" gírias comuns, como por exemplo *aloprado,* que para nós significa "adoidado", mas para esses malditos - margínais da droga – significa outras coisas. Nesses caos, *aloprado* exprime a euforia da droga em pequena quantidade. E *americana* ? Nada mais, nada menos, que maconha. *Agricultura* ? "Termo usado para indicar a "cultura ideológica" dos entorpecentes".

Quantas vezes ouvimos de nordestinos falar em *acocho* ou *aperto;* exemplo: *vestido acochado.* Mas no *"Glossário de Tóxico"* quer dizer: "apertar o charro ou cigarro". E a inocente *baíuca* do samba-canção ? É a moradia do meliante. O *beijinho* ? "Ato de dar um tapa no cigarro; tragar, o mesmo que barrufar."

E você sabe o que quer dizer *boneco* ? É a cocaína, quando é condicionada em pequenos frascos. E a moeda dos traficantes ? O *dólar* é o pacote de maconha de nove ou mais cigarros. O mesmo que *pacau,* preço baiano de uma porção de maconha. Que quer dizer *estepe* ? A veia da perna que levaria a injeção maldita. E *fanta* ? Significa a ampola do Pervitin. A inocente expresão *ligado,* na boca dos viciados, significa a pessoa amarada, viciada sob o efeito da droga. E *pirado* que se usa tanto ? "Maluco, doido por fora; chegar ao extremo da loucura, ir para o além." Como *pneu furado,* temos os pobres tuberculosos. E o belo nome de *Rafael* ? É um cigarro de maconha. *Sauna, sauninha* ? "Dar baforadas em pequenos ambientes fechados."

E agora algumas frases: *Qual a boca que você sabe que tem uma coisa melhor* ? (Onde tem maconha da boa para vender ?); *Estou atravessando uma seca feroz por um fino.* (Está doido para fumar maconha.); *Meu chapa, está chovendo !* (Tem polícia ali perto.)

E os malandros poderão continuar com essa linguagem impermeável para qualquer um de nós: *Essa grinfa é da coisa, mais está trincada,* que significa em linguagem desses infelizes: "Essa mulher fuma maconha, porém nega que o faz."



E lembrando uma música premiada e de sucesso, aqui vai outra frase: *Vamos fumar até chegar na BR;* significando ... até atingir a carótida, e fazendo recordar aqueles versos da canção "A gente corre, a gente morre na BR-3." Extremamente útil para quem deseje fazer um livro passado no meio de marginais, esse *"Glossário de Tóxico",* publicado pelo Departamento de Polícia Federal de Brasília, pode também servir de alerta para pais, professores e pessoas que de súbito venham a ouvir essa fala dos marginais da droga na boca de jovens "de bem".

## 4.20 Vagabonda venĝo ...

Por ne senbezone malfaciligi la legadon, tiu-ĉi traduko estas verkita en klasika Esperanto, kvankam la originalo aperas komplete en dialekto.

*Maljuna vagabondo monologas pri siaj aventuroj. Ĵus li pasigis la nokton en granda garbostako, kune kun hazarde renkontita juna samsortano.*

En la mateno, navere, ni ekĥoditis tre frumatene, ĉar neniam estas bone fari la pajloraton, pro la kampogardokoj, kiuj estas treege vajlaj, ĉar ili kutime promenas kun ŝutiloj; kaj mi scivole rigardadis mian gaston de la nokto, dum li waŝis sin kaj restaŭris al si la portreton antaŭ peco de spegulo, kvazaŭ junaĝeco. Jes, mi vidis ĝuste: vera figuro de knabino, sed fuŝita, ruzmiena, akra, kun okuloj kiel kaktruoj, kurte: sufiĉe malplaĉa kaj eĉ ne ŝatinda por unu soldo. Fi, estis malnobla panimo kiun li fulmigis tie kun komplezemo. Je tio, nigraharara ĝis timigo. Certe, li havis nenion de la antaŭa blondulo.

Bone.

Kiam li estis fininta sian tualeton duonkarne, kaj mi estis malfermonta la buŝon por diri: ni remetu la pajlamasojn en sian lokon kaj reŝtopu la truon (estis fakte veraj garboj ne draŝitaj, kun spikoj dikaj preskaŭ kiom tri fingroj; nu fine tute bela tritiko), jen ke li diras abrupte, enpoŝigante spegulon kaj kombilon: “Pasigu ciajn ŝtipetojn, grizulo !” Mi, tinkante ke li volas ekbruligi cigon, navere, mi etendas la skatolon, ĉar apartenas al la aferoj kiujn oni neniam rifuzas inter ŝoseokoj. Li krakigis unun sub protekto de sia ĝekito, kaj kiam la flamo estis bone kaptinta, li ekbruligis pajlofasketon kaj puŝis ĝin trankvile en la truon kiun ni ĵus forlasis.

“Kion ci fifabrikas tie, bondio !?” – Ci ja vidas, diris li, mi flamizas la staketon. Estas mia maniero al mi, danki la kampokojn, ke ili bivakigas min sub la steloj, dum ili dorlotas sin inter du litotukoj, kun pisulinoj. Mi tiele rostigis jam pli ol dek, kiuj nenion rakontis al la pastro, kompreneble. Jes, diris li stariĝante, kiam la flamo arde brulis, estas tiel ke mi venĝas miajn mizerojn, kiam prezentas sin la okazo. Eĉ, unu fojon estis tuta garbejo. Kaj nun, grizulo, ni bjeĵatu, diris li; ni ĝuos la spektaklon iom pli fore. Ankoraŭ ne estas Buroj en la fildoj. Estas ne troige diri, ke ili

scipovas kroĉeti, tiuj Gaskonanoj. Ne certas mi, ĉu ili enlitiĝas kune kun la kokinoj, sed certa estas ke ili ne leviĝas kun tiuj, ne.

Post kiam ni estis rapidapaĉe trotintaj tra la kampoj, li kriis: halt! kaj turnis sin tutkorpe por ĝui sian verkon. Bone. Antaŭ ni, efektive, la grandega stako, sendube tiom alta kiom tri etaĝoj, flamis kiel monstra torĉo, sur la hela kamparo. La stranga knabo, manojn en la poŝoj, ŝajnis regali sin sufiĉe longe per tiu spektaklo, kiu al mi prefere estus ĵetinta miedegon, al mi kiu tiutempe havis la hepaton flava. Kaj tiam li diris, kvazaŭ parolante al si mem: “Jes, estas tiele ke oni venĝas sin, kiam prezentas sin la okazo. Des pli mave por la aliaj !”

Ankaŭ, kial ekzistas punlaborejoj por infanoj, kaj kiam mi devis vivadi tie dum godoj ? Ĉar la patruno ne sukcesis dresi min ? Kaj kio pruvas ke ŝi sciis kiumaniere fari ? Kial mi ne havas patron, kiel la aliaj buboj ? Kiu diras ke tiu ne estus multe pli taŭge edukinta min ? Ĉu ne estas bone sciate ke ne ekzistas pli dumba io ol patrino por eduki sian ĉildon ?

Kun ili estas aŭ tute tio-ĉi aŭ tute tio alia: aŭ ili transdonas nenion, aŭ ili transdonas ĉion; neniu mezvojo. Ili ribeligas onin, aŭ ili trodorlotas. Ĉe mi estis la ribelo, sub tiom da maljustaĵoj, la fajropikilo kaj la balailbastono. Ŝi diris, ke mi havas mavajn instinktojn. Povas esti. Sed al kiu la kulpo ? Tutkaze ŝi ne devis kakumi min ! Ĉu mi petis veni en la mondon ? Ĉu mi estas por io en la naskiĝo ?”

Navernjak, respondis mi. Kaj tio kion ci diras, pri patrinoj kiuj ne scipovas regi siajn damnitajn nervojn, kaj estas maljustaj tra tio kaj ĉio, sub preteksto ke la malfeliĉa bubo havas nur la rajton enkasigi, sen iam ion diri, mi iom scias ankaŭ mi. Estis preskaŭ tiel, ke mi estis devonta leki la manon kiu teren batis min, kvazaŭ kalbaĉon. Bone. Spite tion: esti venĝema kiel ci, estas serĉi frutempan smjerton !

Fiku min ! li kriaĉis sovaĝe. Infano de la missorto ĝis la fino, do ? Estu ! Sed tiam, li diris, grincante la dentojn kaj etendante pugnon al la stako, kiu nun ŝajnis forglutonta la ĉielon per siaj teruraj flamegoj, missorton al la aliaj ankaŭ ! Oni suferigis min, des malpli bone, estu okulon por okulo kun mi ! Oni igis min rabia: atenton al miaj hokodentoj !

Li preskaŭ timigis min, tiu junviro apenaŭ el sia kalsoneto, kaj tamen, kompaniano. Mi kredas ke mi admiris lin en dolĉeco, pro

lia energio de sovaĝa besto, reaganta kontraŭ la maljustaĵoj de la sorto kaj de la socio.

Prenita el *Ceux du trimard* (Tiuj de la kamino), fare de Marc Stéphane, Grasset, Parizo 1928.

Marc Richard (1870-1944), pseŭdonime Marc Stéphane, laŭ lia naskiĝurbo Saint-Étienne en Francio, estis fervore anarĥisma ĵurnalisto kaj romanverkisto kun tute apartaj stilo kaj lingvaĵo.

**Étrange revanche …**

Au matin, *naturlich,* on *démurge* à l'aube, car l'est jamais bon de *faire le rat en paille* dans une meule, rapport aux *messiers* qui sont *vaches* comme tout, passequ'ils se promènent généralement avec des *pétoires*; et je dévisageais curieusement m'n hôte del nuit, tandis qu'il *s'ébrouait* et se *retapait le portrait* dans un morceau de miroir, comme une *jeunesse.* Oui, j'avais ben vu: une vraie figure de fille, mais ingrate, *chaouine*, pointue, les jeux en *trou de pine,* bref, putôt déplaisante et pas sympathique pour deux sous. Fi, du vilain *museau* qu'il *bichonnait* ilà avec complaisance. Avec ça, noiraud à faire peur. Pour sûr qu'il avait ren du blondin, li, alors.

Bon.

Quand il eut fini s'toilette *à l'noix*, et comme j'allais l'ouvrir pour dire: on va remet' les bottes en place et reboucher le trou (c'était mêmes de vraies gerbes non battues encore, avec des épis gros comme trois doigts, quasiment, enfin du froment de toute beauté), v'là qu'y dit tout par un coup, en empochant miroir et peigne: "Passe-me tes *bûches,* l'ancien !" Mi, *cuidant* bonnement qy'il voulait en griller une, de li tend' m'boîte, *naturlich*, vu que c'est des services qui se refusent point, sus le *trimard.* Il en craqua une sus le fond de s'*froc,* et quand elle fut ben éprise, enflamma un bouchon de paille et le fourra tranquillement dans le trou que nous venions de quitter.

"Quéque t'*fous* là, bon dieu !? – T'le vois ben, qu'y dit, je flambe l'meule. C'est m'manière, à mi, de remercier les *pédezouilles* de m'avoir *pajoté* à la belle étoile, quand eux aut' se dorlotent ent'deux draps, avec des *pisseuses.* J'en ai grillé comme ça pus de dix qui sont pas allées le dire à Rome, ben sûr. Oui, qu'il dit en se relevant, quand l'flamme fut ben éprise, c'est comme ça que je me venge de mes misères, quand j'en ai l'occase. Même qu'une fois, ça été une grange. Et maintenant, l'ancien, *caltons,* qu'il dit; nous jouirons du spectaque un peu plus loin. Y a pas encore de *pécores* dans *l'cambrouse.* C'est ren dire

comme ils les ont *à la retourne,* les gascons. Sais pas s'ils se couchent avec les poules, mais sûr et certain qu'ils se lèvent pas avec, non.

Quand on eut trotté quéque temps bon train, à travers champs, il crias: halte! et se retourna tout d'une pièce, pour jouir de s'n oeuv'. Bon. Devant nous, fectivement, l'énorme meule, qu'était ben haute comme trois étages, flambait déjà comme une torche monstrueuse, dans l'campagne claire. L'étrange garçon, les mains dans ses poches, parut se régaler un bon moment de ce spectaque qui m'aurait putôt *foutu les colombins,* mi, de *l'himeur en foies blancs* dont j'étais, pour lors. Et pis il dit, comme s'il soliloquait: "Oui, c'est comme ça qu'on se venge, quand on en a la chance. Tant pire pour les aut'. Aussi, porquoi qu'y a des bagnes d'enfants, et porquoi que j'y suis depis des *piges* ? Pasque *l'daronne* n'a pas su venir à bout de mi ? Et qui prouve qu'elle a su s'y prend ? Porquoi que j'ai pas de père, comme les aut' gosses ? Qui dit qy'il aurait pas mieux su m'élever, li ? Est-ce qu'on sait pas ben qu'y a pas pus *con* qu'une mère, pour élever *s'lardon* ? Avec elles, c'est tout l'un ou tout l'aut: ou elles vous passent ren, ou elles vous passent tout; pas de milieu. Elles vous révoltent, ou elles vous gâtent. Mi, ça été l'révolte, sous les injustices, le tisonner et la manche à balai. Elle disait que j'avais de mauvais instincts. Possib'. Mais à qui l'faute ? N'avait qu'à pas me *chier.* Ai-je demandé à venir, mi ? Sis-je pour quéque chose dans m'naissance ?

*Naturlich,* que j'y rétorque. Et ce que t'dis ilà des mères qui savent pas dominer leurs sacrés nerfs, et sont injustes à tors et à travers, sous prétesse que le pauv' *gosse* n'a que le droit d'encaisser, sans jamais ren dire, j'en sais ben quéque chose, pour m'part. Et pour un peu, m'aurait fallu lécher l'main qui m'assomait, comme un *quien.* Bon. N'empêche qu'êt' vengeatif comme ti, c'est vouloir *se faire buter* ben à crédit.

- M'en fous ! qu'il me gueule avec violence. Enfant du malheur jusqu'au bout, donc ? Soit. Mais alors, qu'il dit en grinçant des dents et en tendant le poing vers l'meule, qui semblait maintenant vouloir dévorer le ciel de ses flammes terib', malheur aux aut' aussi ! On m'a fait souffrir, tant pire, ça sera oeil pour oeil, avec mi. On m'a rendu enragé: gare à mes crocs ! ...

Il me faisait quasiment peur, ce cadet à peine hors de page, et pourtant, compagnon, je crois ben que je l'admirais *en douce,* pour s'n énergie de bête sauvage à réagir cont' les injustices du sort et del société. En tout cas, Batiss' se sentait tout ravigoté, en s'compagnie, et déjà se réveillait le rude *camberlot* qu'en avait ben fait de bonnes, aussi, parfois.

## 4.21 La Tranĉilheroo

*Fanfaronema drinkemulo estas arestita pro interbatalo kaj provizore enkarcerigita.*

Erwin Kutter estis dorminta sur la tabulkuŝejo en ĉelo de la distrikta policoficejo. Nun — nelonge antaŭ deĵorŝanĝo de la gardo — li petis al la gardisto, kiu sidis antaŭ sia skribotablo: "Ŝerifo, malŝlosu, mi estas sobra. Ni povus ankoraŭ iome maĉumi. mi distros cin; ci ja krevas pro enuo."

La 'ŝerifo' ekstaris, aliris la ĉelpordon kaj malŝlosis.

"Viro," diris Erwin, "ĉu mi mortpikis la dikulon ? Estis sindefenda neceso, ŝerifo, vere ... Fonu al la malsanulejo."

"Jam farite. Tri kunkudroj... Bonŝance por ci."

'Ĉu bonŝance ?" interrompis Kutter la oficialulon, "Ba, bonŝance ! Estis lerto... Mi scias precize kiel oni devas labori per tranĉilo, ne intencis murdi tiun dumban Sabitzki. Iam mi efektive mortpikis homon... Mian edzinon en Parizo..." elpensis Erwin novan raskazon. "Oni maldungis min el la Fremdula Legio, kaj mi eklaboris en filmstudio. Nu, okazis ke iu stelineto enljubiĝis en min..."

La "ŝerifo" ekridis.

"Ne kredas min, ĉu ?"

"Jesjes, tamen, rakontu plu !"

"Nu do, mi edzinigas ŝin kaj revenas iamfoje hejmen, pli frue ol kutime, kaj jen ŝi sur svatoŝuoj kun kolego mia. Eltiris mi la tranĉilon kaj ek al la etulino. Ve, sangegadis ŝi... La viron el la fenestro kaj ankaŭ la knabino, kiu estis mia edzino, tombe mortaj. Estis mi, en la momento de la ago, morale ne pri-respondeca pro amdoloro kaj tial — malkondamnita."

"Jes, virulo, sed tiun-ĉi fojon ci tamen ne suferis tegmento-damaĝon, aŭ ĉu jes ?"

"Estis klarege sindefendo... La dikulo estis strangolonta min; mi jam vidis stelojn eklumi !"

"Pri kio temis do fakte ? "

Kutter iĝis singarda: Viro atentu ke oni jen ne kaptu cin pro tiu vendado de pornografio al lernejaj bubinoj !"

"Aĥ," rediris li "la edzino de la dikulo ĝobadas ĉe ni en la kuirejo. Mi iomete seksigratis kun ŝi, ŝi ja gustumegas min, kaj tiu dika porko certe ekflaris la aferon. En la trinkuĵo lia akso ekfuriozis."

"Ci ja estas granda amheroo, ĉu ? Ĉu ci havas fiksulinon ?"

"Jes, ŝi vivas en Nürnberg," haste respondis Erwin.

"Kiel ŝi nomiĝas do" pafis la 'ŝerifo'.

"Becker," spontane elvenis la respondo. Erwin ne tiel facile lasis kapti sin. Li ekpensis pri la nomo de ekspeda entrepreno ĉe kiu li jam duan fojon mendis voluptopupon[1], ĉar post kiam li ne kapablis — pro ree malplena monujo — pagi por la remburse sendita pakaĵo, interne de la postulataj tri tagoj, la 'litkunulino' returnen vojaĝis al Nürnberg. Nun, depost la lasta salajrotago, kuŝadis en la ŝranko de Erwin, sekure konservataj en cigar-kesteto, kvindek Markoj por aĉeto de la denove mendita kun-ludantino. Ĉiutage li kun sopiro atendis sian "Nurnberganinon".

"Iam estis ĉe ni en la bovoklostro[2] unu al kiu okazis sama afero pri la praulino. Tiu sterk-amaso de virino petolumas kun iu minorulo, ĝuste kiam la edzo revenas hejmen. Tiu-ĉi ekkaptas hakilon kaj martelas sur la kranion de la porkinbesto. La fremda fikanto intervenas kaj savas la porkinon... La ĉiesulino for al la malsanulejo. Imagu, kion la povra walado ricevis ? Kvar jarojn !... Kiel povas esti ? Li sin mortrabotas en la minuĵo, dum tiu piĉulino — ankaŭ estis infanoj — kirlas buteron kaj eĉ regalas tiujn ulojn per la gipso kiun ŝia edzo hejmen trenas."

"Dependas ĉiam de la cirkonstancoj," klarigas la deĵoristo.

"Estis ĝuste la samaj cirkonstancoj kiel ĉe mi, ĉar mi ja scias, la viro kuŝadis ĉe mi en la budo, post kiam li forlasis la fortepianon, rakontis ĉion al mi ... Homo, por mi absolvon kaj por li kvar jarojn ! La germanaj juĝistoj ne tikas ĝuste, iomete oni ja devus pensi ankaŭ pri la honoro de tia kokrita edzulo."

"Ĉu ci trinkos tason da kafo kun mi ?" demandis la policano kompateme.

"Jes, jes, tiun mi nun certe bezonas," Erwin estis entuziasma. Oni devas esti malfalsa virulo, tiam oni restas en bonaĵoj kun la polanoj... iomete kvikadi pri justeco kaj maljusteco, estas ties fak-

lingvo… ne salivumi… ĉiam dobre trakti kun tiuj knaboj, tiam ankaŭ ne okazos punbatado …!

---------------------------------

1. Plastaĵa virinmodelo sur kiu viroj povas kontentigi sian seksbezonon.
2. (Karitata) pensiono kie loĝadas senhejmaj viroj.

| |
|---|
| Prenita el *Das Bullenkloster* (La Bovoklostro), fare de Hans Henning Claer, März-Verlag, Frankfurt 1972. La originalaj dialogoj de Kutter estas dialektaj. |

Hans-Henning Claer (1931-2002) estis sinsekve karboministo, amatora boksisto, policisto, kaj verkisto en Germanio. Li verkis laŭ siaj vivospertoj poemojn, rakontojn, kaj krimromanojn. Ĉi-lastaj, duone pornografiaj, renkontis tiel grandan sukceson, ke kelkaj el liaj slangaĵoj iĝis komuna posedaĵo, kaj aperis kiel filmoj: *Lass jucken Kumpel, Bei Oma brennt noch Licht.* Aŭtobiografia estas lia *Bulle, Schläger, Nuttenjäger.*

**Der Messerheld**

Erwin Kutter hatte zunächst auf der Pritsche in der Zelle des Polizeireviers geschlafen.

Jetzt – kurz vor Wachablösung – bat er den hinter seinem Schreibtisch sitzenden Wachhabenden: "*Sheriff*, schliesz auf, ich bin nüchtern. Wir können noch 'n bischen schwätzen. Ich unterhalt' dir, du krepierst doch vor Langweile."

Der "Sheriff" erhob sich, trat zu der Zellentür und schloss auf. "Kerl," sagte Erwin, "hab' ich den Dicken abgestochen ? 's war Notwehr, wirklich … Ruf ma in Krankenhaus an."

"Schon getan. Drei Nähte… Hast Glück gehabt."

"Glück ?" unterbrach Kutter die Amtsperson, "Pöh, Glück! Können ist das… Ich weiss genau, wie mit'n Messer gearbeitet wird, wollt' den *doofen* Subitzki nich morden. Einmal tat ich ein Menschen abstechen… Meine Frau in Paris…" erfand Erwin eine neue *Story.* "War aus'e Fremdenlegion entlassen und war beim Film am Arbeiten. Da tat sich doch son Sternchen in mich *verknallen…*"

Der "Sheriff" lachte auf.

"Glaubs me nich ?"

"Doch – doch, erzähle weiter."

"Jau, also ich tu se heiraten un' komm mal früher nach Haus, da *pimpert* se mit'n Kollegen *rum.* Ich mein Messer raus und auf die Kleine… bäh, die war am Bluten… Der Kerl aus Fenster, dat Meechen, was mei Frau war, mausetot. Ich zum Zeitpunkt von die Tat nich zurechnungsfähig in mein Liebesschmerz und – freigesprochen."

"Na Kerl, diesmal warst du geistig aber nicht *abgetreten*, wohl ?"

"War klare Notwehr… Der Dicke war mich am Abwürgen, 'ck sah schon Sterne."

"Um was ging's denn nun richtig ?"

Kutter wurde vorsichtig: Kerl, jetze nur nich noch wegen Pornographie mit die *Blagen* an'e Schule…

"Ach," sprach er, "den Dicken sei Frau is bei uns in'e Küche am *malochen.* Ich tu son bischen mit se *rumpeilen,* sie *steht auf mir* und da muss dat dicke Schwein hintergekommen sein. Nu is er im *Suff* durchgedreht."

"Du bist ja ein grosser Frauenheld, wohl ? Haste denn 'ne *Feste* ?"

"Jau, lebt in Nürnberg," antwortete Erwin schnell.

"Wie heisst se denn ?" schoss der "Sheriff".

"Becker," spontan kam die Antwort. Erwin liess sich nicht so leicht fangen. Er dachte an den Namen des Versandhauses, bei der er zum zweiten Mal eine *Puppe* bestellt hatte, denn nachdem er das Nachnahmepäckchen wegen seines wieder mal leeren Geldbeutels in drei Tagen bei der Post nich hatte einlösen können, war die "Bettgefährtin" wieder zurück nach Nürnberg gereist. Seit letztem Lohntag lagen in Erwins Schrank, sicher in einer Zigarrenkiste verwahrt, fünfzig Mark zum Einlösen der erneut angefordeten Gespielin. Täglich wartete er voller Sehnsucht auf die "Nürnbergerin".

"Bei uns war ma einer in *Bullenkloster,* den is mit seine *Ollsche* das gleiche passiert: Dat Miststück von Weib *bumst* mit'n *Kumpel rum,* als der Mann nach Hause kommt. Der greift nach'n Beil und hämmert auf den Schedel von dat *Sautier.* Der *Fremdficker* geht dazwischen un' rettet die Sau… Die Hure ab in Krankenhaus. Weisste was der arme *Sack* gekriecht hat ? Vier Jahre… Na, gibt's denn so was ? Er *malocht* sich auf *Zeche* kaputt und dat Hurenstück…

Kinder war'n auch... *vögelt rum* und hält die Kerls noch aus von dem *Moos,* das ihr Mann nach Hause schlört."

"Kommt immer auf die Umstände an," erklärte der Wachthabende.

"Warn genau die Umstände wie bei mir, bin es doch am Wissen, der Mann lag bei mir auf der *Bude,* wie er aus'n *Knast* kam, tat mir alles erzählen... Kerl, bei mir Freispruch und hier vier Jahre ! Die deutschen Richter *ticken* nicht richtig. 'n Bischen muss ja nu an'e Ehre von so'n *verschaukelten* Ehemann gedacht werden."

"Trinkst 'ne Tasse Kaffee mit ? " fragte mitleidig der Polizist.

"Jau, jau, die kann ich jetze brauchen," Erwin war begeistert.

Man muss'n richtigen Kerl sein, da kommt ma mit die *Bullen* klar ... bischen von Recht und Unrecht *quaken,* dat is den ihre Fachsprache... nich *rum-meckern...* immer *toffe* mit die Jungs umgehen, denn gibs auch keine Schläge...!



Kaj nun, grizulo, ni bjeĵatu, diris li; ni ĝuos la spektaklon iom pli fore. Ankoraŭ ne estas buroj en la fildoj. [4.20]

[Desegnis Marijke Vanwelkenhuysen]

## 4.22 Vomkapeco

Naturalismo estis artoskolo, kiu sekvas kaj ekstremigas realismon en la 19-a jarcento de Eŭropo. Ĝi celis esprimi la realan naturon de ĉio, analizante la ĉirkaŭaĵon laŭ donitaĵoj de la ekzaktaj sciencoj, kaj la homan internaĵon laŭ tiuj de psikologio. Elvenis percepto pri la homo kaj la homa socio, determinatan de la medio kaj de la heredeco, pelatan de malvirtoj kaj pasioj kiuj samtempe turmentas kaj katenas, kaj fine kreas ĥaoson kaj pereon. Tiu-ĉi stilo estis kompleta opono de la bela kaj ordoplena klasikismo kun ties alte ŝvebaj literaturo kaj ornamita envortigado; pro tio ĝi esprimas sin prefere per dialektaj kaj slangaj elementoj.

Centra persono kaj instiganto de tiu skolo estis la franca ĵunalisto kaj verkisto Émile Zola (1840-1902), aŭtoro precipe de la dudekvoluma romanaro "Les Rougon-Macquart", kiu pentras la historion de fikcia dinastio, jen kun sukcesplena branĉo — kio permesis eksponi la korupton de gvidantaj socitavoloj — jen kun fiaska branĉo — kio permesis reliefigi la fiecon kaj malvirtecon de burĝoj kaj proletoj.

Pri tiu-ĉi lasta (grandurba) kasto traktas inter aliaj "l'Assommoir" (La Trinkuĵo) el kiu mi ĉerpis la postan fragmenton.

> *Coupeau estas kuraĝa kaj laborema tegolisto, kiu riparas tegmentojn. Unu tagon li glitas de tegmento, falas, kaj iĝas iom kripla. Ek-de tiu fatala tago li perdas sian energion, migras de unu metio al alia sensukcese, kaj komencas pli kaj pli pezi sur sia edzino Gervaise Macquart. Por vivteni sian familion, tiu-ĉi fondas lavejon per pruntita kapitalo, sed la edzo fordrinkas ĉion kion ŝi sukcesas enspezi. Ambaŭ rolantoj finas sian vivon kiel plej fiaj kaj aĉaj mizeruloj, Coupeau freneza kaj Gervaise kiel prostituitino.*

En la postmateno de beberado, la plumbisto havis vomkapecon, teruran vomkapecon, kiu tenis al li dum la tuta tago la perukon malfrizita, la faŭkon haladza, la tungon ŝvelinta kaj malrekta. Li ellitiĝis malfrue, deskuis siajn pulojn nur ĉirkaŭ la oka; kaj li kraĉis, sin trenaĉis en la butiko, ne decidis ekiri al la laborejo. La taglaboro ja estis perdita. En la mateno, li plendis pri pjernoj de vato, li taksis sin tro maltaŭga por tiele jaŝrabi, ĉar tio ja nur kaputigas al oni la sanstaton.

Ankaŭ, oni renkontis multe da vojtretistoj, kiuj ne delasas tiri je onia maniko, oni beberis kontraŭvole, oni trafis en ĉiuspecajn dilojn, oni je fino sin lasis pripinĉi, kaj tanite ! Ha, piŝte ne ! tio plu ne okazos al li; li ne intencis lasi sian ostaron ĉe la soberano, en la kremo de siaj vivjaroj.

Sed post la tagmanĝo, li sin lindigis, eligante kelke da hum! hum! por pruvi al si mem ke li ankoraŭ posedas firman baloneton. Li komencis neadi la diboĉon de la antaŭa vespero: estis eble nur iom da ekbruliĝo. Oni ne plu faras tiaspecajn kia li, fortike konstruitajn, kun solida pugnego, kiuj kapablas trinki ĉion kion ili volas, sen palpebrumo. Tiam, la tutan posttagmezon, li vagaĉis tra la kvartalo. Aŭ, kiam li estis sufiĉe ĝeninta la laboristinojn, lia edzino donis al li dudek Soldojn, por ke li senkotigu la plankon.

Li foriĝis, iris aĉeti tabakon en "La malgranda Cibeto", en la Strato de Fiŝovendistoj, kie li ĝenerale elektis maĉprunon, renkontinte amikon. Poste, li finis rompante la dudek-soldan moneron ĉe François, je angulo de la Orgutostrato, kie troveblis agrabla vino, tute juna, tikla en la gorĝo. Estis vinotrinkuĵo laŭ malnova stampo, nigra butiko, sub malalta plafono kun fumplena ejo apude, en kiu oni vendadis supon. Kaj tie li restis ĝis vespero, ludante por kapromamoj je la turnoludilo; li havis blankan piedon ĉe François, kiu nepre promesis neniam vidigi la kalkulon al lia mastrino. Ĉu ne vere ? estas bezone foje tralavi al si la funelon, por purigi ĝin de la antaŭvesperaj malpuraĵoj. Unu glaso da vino invitas alian. Li, cetere, kiel fidela drugo, donis eĉ ne fingrofrapeton al la belsekso, ŝatante rid-amuzon, evidente, kaj ankaŭ siavice verŝante ion en la kravaton, sed li estis plena je malestimo por tiuj malpuraĉaj viroj, sorbantaj en alkoholo, kaj kiujn oni neniam vidis senebriiĝi. Li, li revenis hejmen gaja kaj vigla kiel birdo !

Prenita el *L'assommoir* fare de Émile Zola - Éditions Faquelle, Paris 1877.

### La *gueule de bois*

Le lendemain de *culotte,* le zingueur avait *mal aux cheveux,* un mal aux cheveux terrible qui le *tenait* tout le jour *les crins défrisés*, le *bec* empesté, la *margoulette* enflée et de travers. Il se levait tard, se*couait ses puces* sur les huit heures seulement, et il crachait, traînaillait dans la boutique, ne se décidait pas à partir pour le chantier. La journée était encore perdue. Le

matin, il se plaignait d'avoir des *guibolles* de coton, il s'appelait trop bête de *geueletonner* comme ça, puisque ça vous *démantibulait le tempérament*. Aussi, on rencontrait un tas de *gouapes*, qui ne voulaient pas vous lâcher le coude; on *gobelottait* malgré soi, on se trouvait dans toutes sortes de *fourbis*, on finissait par se laisser *pincer* et *raide* ! Ah, *fichtre* non! ça ne lui arriverait plus; il n'entendait pas laisser ses bottes chez le *mastroquet*, à fleur de l'âge. Mais, après le déjeuner, il se *requinquait*, poussant des hum! hum! pour se prouver qu'il avait encore un bon *creux*. Il commençait à nier la noce de la veille, un peu *d'allumage* peut-être. On n'en faisait plus de comme lui, solide au poste, une poignée du diable, buvant tout ce qu'il voulait sans cligner un oeuil. Alors, l'après-midi entier, il flânochait dans le quartier. Quand il avait bien embêté les ouvrières, sa femme lui donnait vingt sous pour qu'il *débarrassa le plancher*. Il filait, il allait chercher son tabac à "La petite civette", rue des Poissonniers, où il prenait généralement une *prune*, lorsqu'il rencontrait un ami. Puis, il achevait de casser la pièce de vingt sous chez François, au coin de la rue de la Goutte-d'Or, où il y avait un joli vin, tout jeune, chatouillant le gosier. C'était un *mannezingue* de l'ancien jeu, une boutique noire sous un plafond bas, avec une salle enfumée à côté, dans laquelle on vendait de la soupe. Et il restait là jusqu'au soir, à jouer des *canons* au tourniquet; il *avait l'oeuil* chez François, qui promettait formellement de ne jamais présenter la note à la *bourgeoise*. N'est-ce pas ! il fallait bien *se rincer un peu la dalle*, pour la débarrasser des crasses de la veille. Un verre de vin en pousse un autre. Lui, d'ailleurs toujours bon *zigue*, ne donnant pas une chiquenaude au sexe, aimant la rigolade, bien sûr, et *se piquant le nez* à son tour, mais gentiment, plein de mépris pour ces saloperies d'hommes tombés dans l'alcool, qu'on ne voit pas dessouler ! Il rentrait gai et galant comme un pinson !



## 4.23 Ŝuzoj el Brokantejo

> La posta estas satira rakonteto, ruse verkita de Evgenij Gerzon kaj al Esperanto tradukita de E.S. Perevertajlo. Ĝin aperigis *Heroldo de Esperanto* (1976-09-20) sub la titolo: "Anglismemo, ĉiulingva malvirto". La anglismoj de Gerzon tie-ĉi evidente rolas kiel slangaĵoj, paralelaj al Gavaro.

Nikolaj Nikolajeviĉ revenis hejmen en bonega humoro. Finfine estas tradukita kaj fordonita al kompostado la libro de la angla fakulo. Nun li povas okupiĝi pri sia familio, pri la filo. Ja, li preskaŭ forgesis, kiel tiu aspektas …

Jam ĉe la pordo impetis al li la ploranta edzino.

- Kio vin skuis ? – demandis Nikolaj Nikolajeviĉ.

- Nikolĉjo, - eklamentis ŝi, - al Alik estas malbone, malbonege !

- Kio okazis al li ? – ekdiris la viro.

- Malbono ! – ploregis la edzino. – Mi komencas tute ne kompreni lin. Aŭdu, ekzemple hodiaŭ, ni estas paŝantaj preter brokantejo kaj subite li petas, ke mi al li aĉetu iujn *ŝuzojn…* – La larmoj malebligis al ŝi paroli. – Ĉu vi imagas ? Laŭ mi li komencas deliri. En la deka klaso ja estas tiaj superstreĉoj… Kion fari ?

Nikolaj Nikolajeviĉ zorgeme flankenigis la edzinon kaj decide trapaŝis al la ĉambro de la filo. Alik kuŝis en la fotelo, ĵetinte la piedojn sur la skribotablon. Lia harar-kamuflita vizaĝo ne estis videbla.

- *Helaŭ, fadzer !* – basis li, skuante la boskon.

"Fadzer" konsterniĝis subite.

- Klarigu al mi, - postulis li, - per kio vi maltrankviligis la panjon?

- *Najse,* – ridetis Alik, - jam ŝi kaŝinformis, ĉu ?

Nikolaj Nikolajeviĉ mienaĉis:

- Do, mi atendas.

- Nu, kion *spiki ?* – replikis la felulo, - mi kulpas, ja, elreligis mi la maljunulineton. Batu al mi la *fejson* kaj la afero estos *mejkita.*

"Irina estas prava, li efektive deliretas" - ekpensis Nikolaj Nikolajeviĉ. Sed subite en la kapon venis abrupta penso.

- “Ĉu la afero estas *mejkita,* vi diras ? – vigle redemandis li.

- Jes, - aprobe ekridis Alik, - komprenu, tie, en magazeno, *stajtaj ŝuzoj* kun platformo. *Veri fajne* ! Do, mi *toldis* al *madzer*, aĉetu, aĉetu ! Kaj ŝi: “Mi ne komprenas, mi ne komprenas…” kaj eklarmis. – Kaj pro kio ? Nur *tŭenti fajve,* kvaroncento. Laŭ vi, ĉu vi *andestandas* ?”

- Certe, ke mi *andestandas,* kial ne ? – akorde al la knabo ekparolis Nikolaj Nikolajeviĉ. – Do, kiom estas la *prajso* ? *Tŭenti fajve,* vi diras ? Kaj ĉu vi *ŝuras,* ke la *ŝuzoj* estas *stejtaj,* ĉu firmaa *lejblo* estis alfiksita ?

- Jes, - necerte daŭrigis Alik.

- *Najse* ! Kaj ili ne tre *juzitas,* ĉu ?

Alik malfermis la buŝon, ekgapis al la patro, sed silentis.

- Ne tro *oldaj* estas la *ŝuzoj,* mi *askas,* ĉu ? – atakis la patro. Kaj la *sajzo* estas la via, kvardekunu ? Do, ni *ringos* al la magazeno kaj movos tien, ĉu vi *andestandas* ?

- Paĉjo… - apenaŭ aŭdeble ekflustris Alik.

- Kion, “paĉjo” ? – interrompis Nikolaj Nikolajeviĉ. – Ĉesu sidi, *standapu* ! Necesas *dui* la aferon !

Alik eksaltis el la fotelo, faris kelkajn paŝojn ĉirkaŭ la patro kaj subite petege rigardis lin: - Ĉu vi ne povas paroli home ? …

## Шузы в Комиссионном Магазине

Николай Николаевич восвращался домой в хорошем настроени. Наконец переведена и слана в набор книга английского спе-циалиста. Теперь он сможет занятся семьей, сыном. Ведь он почти забыл, как он выглядит...

Еще у порога к нему бросается плачущая жена.
- Что с тобой ? – спросил Николай Николаевич.

- Коля, -  запричитала она, - с Аликом плохо, очень плохо ...

- Что с ним ? – встревожился мужина.

- Плохо, - зарыдала жена. – я совсем перестаю понимать его. Слушай, например сегодня шли мы мимо комиссионного магазина и вдруг он просит, чтобы я купила ему какие-то -*шузочки* … - Слезы не давали ей говорить. – Ты представляешь ? По-моему, он начинает бреднть. Ведь в десятом классе такие перегрузки… Что делать ?

Николай Николаевич заботливо посторонил жену и решительно шагнул в комнату сына. Алик лежал в кресле, забросив ноги на письменный стол. Закрытого волосами лица не было видно.

- *Хеллоу, Фадзер* ! – продасил он, вотряхнув растительность. "Фадзер" вдруг растерялся.

- Объясни мне, - потребовал он, - чем ты расстроил маму ?

- *Найсо*, - улыбнулся Алик. – Она уже донесла ? Николай Нико-лаевич нахмурился.

- Итак, я жду.

- Ну, что *спикать* ? – заметил волосатик, - я виноват, ведь я выбил с колеи старушку. Ударь меня по *фейсу*, и делу *смейкано*.

"Ирина права, он действительно бредит," - подумал Николай Николаевич. Но вдруг его голову осенила внезапная мысль.

- Ты говоришъ, что дело *смейкано* ? – резво переспросил он.

- Да, - одобрительно засмеялся Алик, - пойми, там, в магазине, *стейтские шузы* на платформе. *Верифайно* ! Ну я и *толдил мадзери*: купи, купи ! А она: я не понимаю… и в слезы. А из-за чего ? Только *твенти файв,* четвертак по-вашему, ты *андер-стандаешь* ?

- Конечно, я *андерстандаю,* почему бы и нет ? – в унисон парню сказал Николай Николаевич. – Ну, и какая *прайса, твенти файв,* ты говоришь ? И ты *шурен,* что *шузы стейтскиеб* висел ли фир-менный *лейблык* ?

- Да, - неуверенно продолжал Алик.

- *Найсно* ! И они не очень *узитые,* а ?

Алик откыл рот, уставился на отца, но промолчал.

- Не слишком *олдые шузы,* я спрашиваю, а ? – атаковал отецю

- И *сайз* твой, сорок первий ? Ну мы рингим в магазин и двинем туда, ты *андерстандаешь* ?

- Папа… - едва слышно прошептал Алик.

- Чтоб “папа” ? – перебил Николай Николаевич. – Кончай сидеть *стандапай* ! Нужно *дуать* дело !

Алик выпрыгнул из кресла, сделал несколько шагов вокруг отца и вдруг умоляюще посмотрел на него: - Ты не мог бы говорить по-человечески …?



Krastisto de ledaĵoj (Laŭ Bruegel la Olda).

## 4.24 La Ŝajnkrimulino

La usona filmo *Bringing up Baby* (Edukante non Bebo) el 1938, realigita de Howard Hawks, estas klasika modelo de sensenca teatraĵo en kiu la miskomprenoj, erarpaŝoj, kaj fuŝaĵoj sekvas unu la alian senhalte ĝis la fino, en kiu okazas kolapso. La aktoroj dialogas tiel rapide, ke oni ricevas la impreson ke ili hastegas por atingi la finon de la komikaj scenoj. Nur la plej lertaj kapablas mastri tian postuleman taskon de aktorado. Ĉefrolas Cary Grant (en rolo de mallerta, forgesema, kaj stult-konduta paleontologo) kaj Katharine Hepburn (en rolo de sintruda, impulsiva, frenezeta filino de riĉeguloj). Jena sovaĝritma farso, tra la "batalo de la seksoj" kiel gvidfadeno, daŭre mokpikas gravajn institutojn, psikiatrion, sterilan sciencon, la policon, kaj la burĝan socitavolon. La titolo referas al dresita brazila leopardo, dorlotbesto de la heroino, kiun ŝi nomis "Bebo" ĉar ĝi ŝatas koncernan usonan kanzoneton: "I can't give you anything but love, Baby" (Mi povas doni al vi nenion alian ol amo, Karulino). Tiu malsovaĝa rabobesto kaŭzas multajn komplikiĝojn, jen pro ektimo ĉe personoj, jen pro ties malkredemo pri ĝia ekzisto.

*La juna sciencisto David Huxley, post kvar jaroj da eksperimentado, sukcesis rekonstrui la gigantan skeleton de brontosaŭro. Mankas nur unu ostego, la klaviklo. Tiun oni liveros al li perpoŝte, la sekvan tagon. Tamen, la tuta entrepreno lia estas en danĝero pro kadukeco de la halo en kiu staras la praepoka skeleto kun aliaj valoraj fosiliaĵoj. Pro tio li aspiras akiri unu milionon da Dolaroj de iu filantropa riĉulino — neniu alia ol la onklino de la ventkapa Susan Vance — kiu lasta hokas sin al li, kaŭzante sennombrajn komplikiĝojn en lia vivo. Post multaj ridigaj eventoj kaj situacioj, la juna paro trafas en prizonon, li kulpigita esti rompŝtelisto kaj ŝi danĝera frenezulino. La ŝerifo kaj lia asistanto plus psikiatro, kiuj certe ne inventis la radon, obstine rifuzas kredi iliajn eksplikojn, eĉ ne post kiam alvenas eminentaj personoj por ilin senkulpigi. Male, ankaŭ tiuj estas enkarcerigitaj kiel estante membroj de la sama bando. Fine Susan realigas al si, ke nur iu "konfeso" povos kontentigi la stultajn policistojn. Ekparolante slange, ŝi do kondutas kvazaŭ ŝi estus efektive gangsterino ("Turnoporda Suzi") kaj preta perfidi ĉiujn anojn de la bando. La ŝerifo, jam vidante sin kiel gloran kaptinton de danĝera krimularo, tuj akceptas ellasi ŝin el la karcero por fari plenan konfeson protokolotan.*

Susan – Hola, polano ! Ci atingos nenion tiamaniere. Venu tien-ĉi!

Policisto – Ĉu mi ?

Susan – Jes, ci. Venu! Estu wajsa, estu wajsa. Ci deziras ricevi snavaton, ĉu ne ?

Policisto – Nu, finfine; mi certe deziras tion.

Susan – Lasu min eliri el tiu-ĉi kesto kaj mi ellasos la pigon kaj ĉion elsputos.

Policisto – Unu momenton, sinjorino … Sed ci ja ne estas sinjorino !

Susan – Ja mi gladumis cin kelkatempe, ĉu ne ?

Policisto – Ci certe faris tion.

Susan – Mi povus fari dupon el ajna polano. Kiun nomon mi deklaris al ci ?

Policisto – Nu, cia nomo estas, eh … Susan Vance.

Susan – Vance, Kitty Vance, tiu estas mia oficiala oĉestfo. Sed la anaro min kutimas nomi “Turnoporda Suzi”. Nun ci balzamis nin ĉiujn. Mi petas, karocjo, malfermu, malfermu.

Policisto – Ĉesu, ĉesu ! Mi malŝlosos neniun pordon tie-ĉi ĝis ci promesos paroli.

Susan – Aŭskultu, mi volonte parolos. Mi parolos tiom multe ke cia hararo bukliĝos. (Ŝi svingetas la fingrojn antaŭ lia vizaĝo.)

(Kiam la pordo estas malŝlosita, ŝi sin hokas sur tiu kaj laŭvorte rajdas ĝin turne malferma, por ilustri sian kromnomon. Tiel liberigite ŝi adiaŭgestas al la “membroj de sia bando”, paŝas al la ĉelo de David kaj ŝajnspitante diras al tiu:)

Susan – Ha, ĉesu kazacigi, Ĝeri, iĝu wajsa, la afero estas provalita.

Policisto – Ĝeri ? Ĝeri ? Ĉu lia nomo do ne estas David ?

Susan – Ĉu David ? Ho, ci do vere ne memoras non Ĝeri la Ĉildo?

Policisto – Ĝeri la Ĉildo ?! Notu tion, deputito !

David (malespere) – Ŝerifo, ŝi nur inventas tion laŭ krimfilmoj, kiujn ŝi spektis.

Susan – Ha jen, mi jam pensis esti vidinta lin kun iu ĉifita jupo en tiu filmo. Certe, mi nun ne estus talkanta, se li ne estus min kokrinta pro tiu alia kidino.

Policisto – Ha, do li estas virindeloganto ?

Susan – Virindeloganto, ci diras ? Li estas kompleta Donĥuano ! Ŝategas la inojn, ĉu ne, karulo ? Li poimatas ilin, unu-du-tri-bum! Senplie. Ĉasboko li estas !

David (kaptas sian hararon kaj falas sur sian benkliton, ĝemante) – Ha, nun mi estas jam ĉasboko !

*Susan nun brak-en-brake kun la ĉefpolicisto paŝas al ties oficejo. Tie ŝi konfirmas ke ĉiuj arestitoj estas anoj de la “Leopardobrigado”, fifama pro knarigoj kaj aliaj krimaĵoj. Dum la senatentaj policistoj kaj la psikiatro diskutas inter si kiel ekspluati la eventon, Susan eksidas sur la sojlo de malfermita fenestro kaj en oportuna momento saltas eksteren. Ŝi akaparas la aŭtomobilon de la vanta psikiatro kaj fuĝas for por averti advokaton, kiu remetas ordon en la ĥaosa situacio kaj ĉiujn liberigas. Por fini, kiel atendeble, la juna paro ekkisas, sed tiel mallerte ke la altvalora skelet-ego krumblas.*

## The would-be gangster’s moll

During David's harsh questioning to get a confession by the doubting Constable, David refers to his supposed criminal associates as "Mickey the Mouse and Donald the Duck." To escape her cell, the always resourceful and creative Susan does an imitation of a gangster’s moll, using a nasal accent and identifying herself as "Swingin' Door Susie":
Susan: Hey, *Flatfoot*! You ain't gettin' no place. Come here.
Constable: Me?
Susan: Yes you. Come on. *Haul it over*. *Haul it over*. You want someone to talk, don't ya?
Constable: Well, it's about time. I certainly do.
Susan: Get me out of this *cooler* and I'll *unbutton my puss* and *shoot the works*.
Constable: Say, hold on, lady... Hey, you ain't no lady.
Susan: Yeah, I kinda had you fooled for a minute, didn't I?

Constable: You sure did.
Susan: I could make a *sucker* out of a *copper*. What did I tell ya my name was?
Constable: Why, your name is, uh... Susan Vance.
Susan: Vance, Kitty Vance - that's my society *moniker*. But the *mob* all calls me Swingin' Door Susie... Now ya *pegged* us. Come on, Toots. Open up, open up !
Constable: Stop that, stop that. I'm not openin' any doors around here until you promise to talk.
Susan: Listen, I'll talk. I'll talk so much it'll make your hair curl. (She wiggles her fingers at him.)
(When the cage door is opened, she literally rides on the swinging cell door to match her name, and waves goodbye to her 'gang.' Then, she strolls up to David's cell and spites:)
Susan: Aw, quit *beefin'*, get *wise* to yourself, the *heat's on*, Jerry.
Constable: Jerry? Jerry? Ain't his name David?
Susan: David. Aww, you mean to say you don't remember Jerry the *Nipper*?
Constable: Jerry the *Nipper* ?! Make a note of that, Doc.
David: Constable; she's making all this up out of motion pictures she's seen.
Susan: Aw, I thought I saw you with that ragged-edged *skirt* in a motion picture... Sure, I wouldn't be *squealin'* if he hadn't given me the *run-around* with that other *twist*.
Constable: Oh, so he's a lady-killer.
Susan: A lady-killer ! Why he's a regular Don Swan. Loves the ladies, don't ya, honey? He *bops them over*, one, two, three, boom, just like that. He's a *wolf*.
David (desperately grasps his head and falls on his plank bed, gasping:) - Oh, now I'm a *wolf* !

(After promising to inform on "Jerry the Nipper" and claiming that he is a notorious criminal, she is taken arm-in-arm to the Constable's office. During questioning, Susan confirms that they are all members of her 'leopard gang,' infamous for robberies and other criminal activities. Sitting on a window sill of an opened window, she manages to escape by driving off in Dr. Lehman's car. When it is verified that Peabody is Mrs. Random's attorney, the "old woman" is released. David is also reunited with Susan and in the finale they get to kissing each other in such a way that the big skeleton crumbles under them.)



Tiel liberigite, ŝi adiaŭgestas al la “membroj de sia bando”, paŝas al la ĉelo de David kaj ŝajnspitante diras al tiu: “Ha, ĉesu kazacigi, Ĝeri, iĝu wajsa, la afero estas provalita.”

[Desegnis Marijke Vanwelkenhuysen]

## 4.25 Kviz-demandoj

> Alia amuza filmo de Howard Hawks, *Ball of Fire* (Pilko de Fajro) el 1941, donas efektivan rolon al slango, pro tio ke mondofremda profesoro pri la angla lingvo (Gary Cooper) vidas sin devigita enketi pri la aktuale parolata popola lingvaĵo. Li estas membro de akademia entrepreno en kiu ok sciencistoj devas kompili novan enciklopedion. Ilian streĉan entreprenon interrompos konatiĝo de la lingvoprofesoro kun juna bela dancistino (Barbara Stanwyck), kiu deziras eskapi gangsteran bandon. Ŝi kuntrenos la tutan skipon en aventurojn samtempe komikajn kaj danĝerajn. Jen la enkonduka sceno.

En la komenco de la filmo, post kiam ili faris viglan promeneton en la najbara parko, kaj post interkonsiliĝo kun la mecenato de la tuta projekto, nia grupo de sciencistoj kolektiĝas en la vasta studoĉambro, kiu plenegas je libroj kaj paperaĵoj ĉiuspecaj. Ili estas pretaj starti novan labortagon — atinginte la literon S post naŭ jaroj de penado — kiam subite envenas agema ruboĉaristo, kies ŝarĝaŭto ĵus traveturas la straton.

Rubaĵisto – Salut ! Mi esperas ke mi ne ĝenas, mi envenis tra la kuirejo.

Ĉiuj – Kiu estas vi ??

Rubaĵisto – Mi estas la rubaĵisto, mi deziras ion ekscii pri Cleopatra.

Ĉiuj – Ĉu Cleopatra ??

Rubaĵisto – Jes; tio-ĉi estas speco de librejo aŭ de lernejo, ĉu ne ?

Historiisto – Nek nek; ni laboras je enciklopedio.

Rubaĵisto – Enciklo—kio ?

Lingvisto – Enciklopedio; verko kiu strebas kompili kaj katalogi la tutan homan sciaron.

Dommastrino (rapide envenas) – Juna viro, ĉu vi envenis tra mia kuirejo ?

Rubaĵisto – Jes ja, amikino.

Dommastrino – Mi ne estas via amikino, kaj vi tuj eliru !

Ĉiuj – Ho ne, Fraŭlino Bragg, ni petas !

Lingvisto – Ni trovas lin tre interesa; bonvolu daŭrigi.

Dommastrino – Ne rakontu al mi, ke li ne plenas je mikroboj !

Geografo – Tiukaze vi eliru kaj surmetu gasmaskon. Jen, hip-hop-kuru ! (Li milde elpelas ŝin)

Biologo – Bonvolu eksidi.

Rubaĵisto – Dankon, drugo. Mi vidis tiun amason da libroj tra la fenestro, kaj ekpensis ke eble vi povus helpi min.

Lingvisto – En kiu senco, junulo ?

Rubaĵisto – Pri tiu "Kvizumado", kiun elsendas la radio.

Lingvisto – Tiu kio ?

Rubaĵisto – La "Maizfloka Kvizkvizo": ensendu cent skatolkovraĵojn kaj vi havos ŝancon gajni dineron. Nu, kun la avantaĝoj de mia metio, mi kolektis jam trimilon da kovraĵoj. Nur, kelkaj el tiuj respondoj kiujn oni devas doni al la demandoj ...! Vi ja scias: "ĉu vera aŭ malvera?".

Historiisto – Ĉu vi kunportis tiujn demandojn ?

Rubaĵisto – Ja certe !

Fizikisto – Nu, tio povus esti interesa !

Rubaĵisto – Demando numero unu: Cleopatra mortis pro (a) engluto de kudrilo, (b) mordo de serpento, (c) singultoj.

Ĉiuj (snufas kaj subridas)

Historiisto – Tio estas mia departamento ! Mi prizorgas historion. La ĝusta respondo estas (b). Cleopatra, reĝino de Eĝiptujo, filino de Ptolemajos 13-a, naskita en 69 AD, mortigis sin mem je la 29a tago de Aŭgusto 30 AD, metante aspidon kontraŭ sia brusto.

Rubaĵisto – Metante kion ?

Historiisto – Aspidon.

Lingvisto – Malgrandan serpenton.

Rubaĵisto – Nanu, mia kranio disfendiĝas !

Kemiisto – Nu, kio ankoraŭ ?

Rubaĵisto – Kiamaniere oni devas tion diri: (a) 2 kaj 2 estas 5, (b) 2 kaj 2 egalas 5, (c) 2 kaj 2 faras 5 ?

